Zagreba
86-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
ZAGREBO, KROATIO, 2001

# ALBUMO



KONGRESA KURIERO

sabaton, la 21-an de julio 2001 Numero 1

## BONVENON AL ZAGREBO!

Koran saluton!

Komenciĝas la nova kongreso! Ĉiu kongreso al mi ŝajnas naskiĝtaga festo. Alvenas gastoj el ĉiuj mondopartoj, kunportante la plej belajn donacojn: ĝojon, bonhumoron, amikecon, amon ... Kaj regas solena etoso. La gastiganto diligente laboris dum la tuta jaro por akcepti la gastojn kiel eble plej dece. Samtempe la gastiganto timas eventualajn mankojn kaj ĝojas revidi malnovajn amikajn: ĉio en unu sama momento plena da entuziasmo kaj elano unuflanke kaj da laco aliflanke.

Jam delonge mi ĉesis nombri miajn naskiĝtagojn. La cifero ne gravas ĉe la naskiĝtagoj ... sed jes ĉe la kongresoj! Kun ĉiu nova kongreso ni fariĝas pli riĉaj, ĉiu UK plilongigas nian vivon, certigante la estontecon. Pro tio mi ĝojas pri ĉiu nova kandelo sur la torto de Esperanto.

Ĝuu la zagreban kongreson kun plena koro kaj malferma animo, flegante novajn amikecojn kaj amojn kaj farante la novajn. Lasu la problemojn kaj zorgojn por iu alia semajno. Prenu peceton de nia kongresa torto.

**Melanija Grgić**
gvidantino de la Bonveniga servo

## TRAMBILETOJ SENPAGAJ

ZET (Zagreba Elektra Tramo), entrepreno por enurba trafiko de Zagrebo, regalas ĉiujn kongresanojn per senpaga transporto dum la kongresa semajno. Kiel trambileto por urba trafiko uzeblas la **kongresa insigno**.

La urbo Zagrebo deziras al vi bonan restadon!

## PROGRAMŜANĜO

**Koncerto de kroata muziko** (operarioj kaj etnoĵazo) ne okazos dimanĉon je la 18h00 kiel estis antaŭvidite, sed samtage je la 19h00.

## LOĜIGA SERVO INFORMAS

La Loĝiga Servo anoncas, ke estas ankoraŭ liberaj lokoj en moderkostaj loĝejoj. La prezoj estas jenaj:

**-LOĜEJO FERVOJISTA -** 109 eŭroj (la prezo estas por unu semajno popersone; ĝi inkluzivas tranokton kaj matenmanĝon)

**-LOĜEJO "CVJETNO" -** unulita ĉambro 256 eŭroj (inkluzivita tranokto kaj matenmanĝo por unu semajno po persono); dulita ĉambro 189 eŭroj (inkluzivita tranokto kaj matenmanĝo por unu semajno po persono)

Ĉiujn informojn vi povas ricevi ĉe la giĉeto "LOĜIGO".

## CSEH-KURSO kaj CSEH-SEMINARIO estas aranĝoj APARTE PAGENDAJ!

Ĉiu, kiu deziras partopreni bonvolu pagi ĉe la enirpordo al salono *Maruzzi*. La aliĝintoj nepre havu ĉe si ĉiutage la kvitancon por rajti eniri la salonon! Se estas interesitoj por observi la funkciadon de la metodo, tiuj rajtas ĉeesti, sed la organizantoj petas al tiuj resti en la salono de la komenco ĝis la fino de la leciono. Por tiu observado oni devas, tamen, pagi. La enirbileto kostas 75,00kunaojn por unu leciono kaj tion oni povas pagi ĉe la enirpordo.

## EKSKURSANTOJ ATENTON!

**Ekskursantoj de tuttaga ekskurso E5 (Hlebine-Đurđevac-Vrbovec)**, pro restado en la arbaro, nepre kunportu kulo-protektilojn kaj longmanikajn ĉemizojn kaj longajn pantalonojn. La kontraŭkulaj protektiloj aĉeteblas en apotekoj sub la nomoj "Autan", "Dipterol" k.s. Ili estas uzataj per ŝmirado sur la haŭton.

**Tuttaga ekskurso al Dubrovnik (E2) kaj Opatija (E3).** Pro antaŭvidita tempo por banado en la maro nepre kunportu bankostumojn, ĉapojn kaj kremojn por protekti vin kontraŭ forta suno!

**Karaj kongresanoj, bonvolu eniri en la Kongre-sejon "Lisinski" dimanĉe la 22-an de julio plej laste ĝis la 09h45 por ke la Solena Mal-fermo komenciĝu ĝusta-tempe.**

## FANTASTA MONDO DE FLORPETALOJ

Marija Igaly jam dudek jarojn sukcese ekspozicias miniaturojn faritajn el premaditaj florpetaloj. Ŝia rekonita aŭtora tekniko konsistas el elektado de florpetaloj, premado kaj fine de miniaturoj (2,5 x 1,5 ĝis 8 x 12 centimetrojn larĝaj). Ĝis nun sinjorino Igaly havis 49 memstarajn ekspoziciojn en Kroatio kaj eksterlande. Por siaj artaĵoj ŝi ricevis kelkajn premiojn.

Dum farado de florbildoj, la aŭtorino uzas nek gluon, nek tondilon. Per prenileto ŝi metas premaditajn florpetalojn sur teksaĵon kaj formas bildon kiun ŝi poste kovras per vitro. Oni gluas nenion kaj per tio la natura koloro kaj teksturo de florpetaloj ne estas ŝanĝigitaj. Tio estas speciale videbla kiam oni pligrandigas miniaturojn per moderna teknologio. Pligrandigo malkovras riĉan mikrostrukturon de plantelementoj el kiuj la miniaturo konsistas. Tiel pligrandigita bildo, farita el miniaturo, nomiĝas "toMAgo".

Kiel inovacio, "toMAgo" estis prezentita en Ĝenevo (kie ĝi estis premiita per arĝenta medalo) kaj en Bruselo (bronza medalo).

En la salono *Špicer*, dum la UK, vi povos ekkoni la aŭtorinon kaj ankaŭ mem fari florminiaturojn. Samtempe en Etnografia muzeo (Etnografski muzej, Marulićev trg 14) vi povas viziti grandan ekspozicion de miniaturoj kaj "toMAgo" bildoj de Marija Igaly.

## GAZETARO INFORMIS

Gazetara servo enlande funkcias jam kelkmonate. Nia ĉefaŭspicianto estas "Večernji list" (kiu samtempe havis rubrikon pri Esperanto). Ĝi estas la plej legata kroata ĉiutaga gazeto kaj ĝi aperigis jam dekon da artikoloj. La lastajn vi povas tralegi sur la tabulo ĉe la enirejo en la salonon Gjivoje (Gazetara Servo).

Krom "Večernji list", pri la Kongreso informis ankaŭ "Slobodna Dalmacija", taggazeto el Split, la urbo en Dalmatio.

Nur dum la lastaj du tagoj LKK-anoj donis 5 radio- kaj 1 televidan intervjuon.

# INTERKONA VESPERO

Se vi ne estos tro lacaj pro vojaĝo au humida vetero, vi certe ĝuos la Interkonan Vesperon. Vian renkontiĝon kun novaj kaj malnovaj geamikoj LKK deziras plibeligi per diversspeca muziko.

Je la 20h00 kantante Esperante, kroate kaj makedone bonvenigos vin virina kantgrupo de Kroat-makedona asocio "Ezerki". La grupo estas forte ligita kun la zagrebaj esperantistoj kaj kantas Esperante ne nur ĉi-okaze. Estas interese scii, ke ilian kantadon pretas kunhelpi Jesus de las Heras el Hispanujo, kiu la samajn kantojn ekzercas en sia hejmlando. Do, la una kongresa programero estas kultura dialogo. Ĉi-foje dialogo okazas inter kroatoj, makedonoj kaj kastilianoj.

Kroata nacia muzkinstrumento estas "tamburica", speco de gitaro. El Virovitica, urbo en la norda parto de Kroatio, speciale por paropreni la Interkonan Vesperon, alvenas la plej bona kroata orkestro por prezenti sian muzikkapablon.

Bona muziko instigas la homojn danci. La folklora grupo "Prigorec" el la apudzagreba vilaĝo Markuševac montros al vi kiel oni muzikas en ilia regiono. Se vi ne estos tro lacaj, eble jam la unuan vesperon en Zagrebo vi eklernos folkloran dancadon.

---

## LASTAJ ALIĜOJ

| | | |
|---|---|---|
| 1603 | alci-i | Alicia Ballester de Casquero Torregrosa, Avenida Burjasot 29 esc A-31, ES-46009 Valencia, Hispanio |
| 1604 | csbv-a | S-ro Victor Ballester Casquero, Avenida Burjasot 29, A-31, ES-46009 Valencia, Hispanio |
| 1605 | lina-r | D-rino Lina Gabrielli, Centro Esperantista Piceno, Via Giuseppe Sacconi 65, IT-63100 Ascoli Piceno, Italio |
| 1606 | almr-b | S-ino Gunilla Almér, Tantogatan 59, SE-118 42 Stockholm, Svedio |
| 1607 | bibe-n | S-ino Birgit Brenander, Bergsgatan 28, SE-112 23 Stockholm, Svedio |
| 1608 | elin-d | S-ino Elina Galytska, IT-55050 S. Lorenzo a Vaccoli (Lucca), Italio |
| 1609 | krga-u | S-ino Karina Galytska, IT-55050 S. Lorenzo a Vaccoli (Lucca), Italio |
| 1610 | mrzn-f | S-ro Neven Mrzlečki, R. Bićanića 18, HR-10000 Zagreb, Kroatio |
| 1611 | soho-r | S-ro Ho Song, 337-202 Chugong apt., 35 Chamshil-dong, Songpa-gu, Seoul - 138-789, Korea Respubliko |
| 1612 | aaen-i | Alen Car, I. Gundulića 16, HR-48350 Đurđevac, Kroatio |
| 1613 | brvi-q | Domagoj Brozović, Kralja Tomislava 40, HR-48350 Đurđevac, Kroatio |
| 1614 | ciko-d | Senija Cikoš, Tina Ujevića 27, HR-48350 Đurđevac, Kroatio |
| 1615 | frck-w | Ivan Ferenčić, Mičetinac 15, HR-48350 Đurđevac, Kroatio |
| 1616 | huzj-a | Ana Huzjak, D. Basaričeka 88, HR-48350 Đurđevac, Kroatio |
| 1617 | lvrk-q | Ana Lovrak, Vinogradska 4, HR-48350 Đurđevac, Kroatio |
| 1618 | rnzm-m | Lana Ružman, Starogradska 14, HR-48350 Đurđevac, Kroatio |
| 1619 | sari-x | Ana Šarić, Antuna Radića 2/15, HR-48350 Đurđevac, Kroatio |
| 1620 | sfni-y | Petra Štefanić, D. Basaričeka 12C, HR-48350 Đurđevac, Kroatio |
| 1621 | vrnk-y | Veronika Seleš, Ulica Mladosti 34, HR-48350 Đurđevac, Kroatio |
| 1622 | jneg-m | Prof. Johano Negrete, Apartado 47301 Chaguaramos, Caracas 1041-A, Venezuelo |
| 1623 | sblj-n | S-ro Josip Sabljić, Jalovečka 11, HR-10090 Zagreb, Kroatio |
| 1624 | jojk-v | S-ino Maria Jojkity, 15 Margaret St Canterbury, Melbourne 3126, Aŭstralio |
| 1625 | diek-t | S-ro Klaus Diekmann, Am Forstteich 19, DE-22850 Norderstedt, Germanio |
| 1626 | gdll-v | D-ro Grant Goodall, 4904 Love Rd. El Paso TX 79922, Usono |
| 1627 | jene-n | S-ro Jesper Neergaard, Rishjergvej 28, DK-4291 Ruds Vedby, Danio |
| 1628 | | S-ino Ankica Janković, Josipa Slavenskog 6, HR-10000 Zagreb, Kroatio |
| 1629 | | S-ro Paul Kry Paulsen, Benløseparken 19th, DK-4100 Ringsted, Danlando |

# DALMATAJ HUNDOJ

Identeco de iu popolo ne faras nur ĝia lingvo, literaturo, monumentoj, muziko, arkitekturo kaj famaj homoj, sed ĝia kompleta vivmaniero. Kaj ĝuste ĝi estas influita de la cirkonstancoj kaj naturo en kiu ĝi vivas. Hundo, parto de tiu ĉi naturo, estas laŭdire la plej malnova homa amiko kaj akompananto en laboro, ĝojo, ĉasado kaj milito. Ĉiu popolo bredis hundojn laŭ siaj bezonoj, eĉ intence kreis hundojn kun specialaj kapabloj aŭ aspekto. Kroatio havas kvin aŭtentajn, internacie agnoskitajn hundspeciojn. Inter ili la plej fama sendube estas dalmata hundo. Dank' al filmoj pri 101 dalmatoj ĝi ekestis certe ne nur la plej kroate, sed monde fama hundo. La homoj tra la tuta mondo konas tiun blankan belulon kun nigraj makuloj, sed malmultaj scias, ke ĝi devenas el Kroatio. Ĝia nomo tion tute precize montras. Nome, Dalmatio estas suda, apudmara regiono de Kroatio. En tiu ĉi blanka, ŝtona regiono, tute nature, sen homa influo ekestis la dalmata hundospecio. Ĝian aspekton ne kreis homo, sed naturo. Pro tio ĝi estas unu el la plej antikvaj hundospecioj en la mondo. La nomon ĝi ricevis laŭ antikva dalmata tribo vivinta en tiu regiono. La hundo mem unue nomiĝis ne dalmata hundo, sed dubrovnika persekuthundo. Poste oni nomis ĝin dalmata hirdĉasanto, kaj la nomo dalmata hundo estis akceptita nur poste. Homoj kiuj bone konas la urbon Dubrovnik, unu el la plej belaj urboj de la mondo, blanka kaj eleganta, samtempe de ĉiam nobla kaj unuavice fiera pro sia libereco, tuj povas kompreni, ke en tia medio ne povis kreski alispeca hundo ol ĝuste tia, noblaaspekta. Bela, havanta harmoniajn liniojn, forta kaj rapida, sed sen forte elstarantaj muskoloj. Dum pacaj tempoj ĝi estis al kroataj nobeloj ne nur akompananto sed ankaŭ ornamaĵo, sed dum militaj tempoj ĝi estis kunbatalanto. En ŝtonaj regionoj de Dalmatio kie pejsaĝo estas blanka aŭ griza, ĝi estis preskaŭ nevidebla landlima gardisto. Pro sia kuraĝo ĝi estis ege ŝatata ankaŭ en aliaj partoj de nia lando. Porekzemple, en fama batalo ĉe Mohač en Hungario, kie la kroatoj kune kun la hungaroj batalis kontraŭ turkoj, ĉiu kroata soldato surĉevale havis ankaŭ du hundojn. La kroatoj perdis la batalon, sed la turkoj estis impresitaj de tiuj hundoj, kaj la travivintajn ili kunportis al sia lando. Kvankam dummilite ĝi estis ege akra malamiko de ĉevaloj kaj per siaj atakoj al ili ĝi kaŭzis panikon en malamika armeo, dumpace ĝi bone harmoniis kun ĉevaloj. Ĝi ege ĝoje kuras apud aŭ antaŭ kaleŝoj. Pro sia bela aspekto kaj eble pro la harmonia kunvivado kun la ĉevaloj, ĝi estis ofta akompananto de nobeloj en diversaj landoj, sed ne nur de nobeloj ... Fajrobrigadistoj akceptis ĝin kiel membron de siaj skipoj. Nome, dum la tempo kiam ĉevaloj tiris fajrobrigadistajn ĉarojn, la dalmataj hundoj kuris antaŭe kaj forpeladis la homojn el la vojo. Usonaj fajrobrigadistoj ankoraŭ hodiaŭ havas ĝin kiel sian maskoton. Kvankam ĝi estas ege fidela al siaj mastroj kaj bona kunludanto de infanoj, Disney faris el ĝi veran mondfamulon, kiun preskaŭ ĉiuj konas. Ankoraŭ unu afero pri kiu vi certe ne konscias: ĝi naskiĝas tute blanka kaj nur poste ricevas nigrajn makulojn. Ili devas esti nigraj aŭ blankaj, pli grandaj aŭ malgrandaj, depende de la gusto, sed por ilia beleco estas ege grave ke ili havu nigran rondaĵon ĉirkaŭ siaj nigraj okuloj. Dum via restado en Zagrebo, vi konatiĝos kun la plej belaj dalmatoj de la mondo, pluroblaj eŭropaj kaj mondaj ĉampionoj. Ili devenas el la bredejo "Dalmino Eukanuba Team", posedata de sinjorino Željka Halper

## NOVA ESPERANTA POŜTMARKO

Okaze de la 86-a Universala Kongreso de Esperanto, Kroata Poŝto eldonis novan poŝtmarkon, kiu estos aĉetebla ekde sabato post la 11h00 ĉe la giĉeto de Kroata Poŝto en la Kongresejo.

Ornamu viajn sendaĵojn per nova poŝtmarko!

## ANONCETOJ

Ni estas du germanaj esperantistinoj nomiĝantaj Alida kaj Friederike. Ni planas projekton pri ŝatataj poemoj de diversaj lingvoj kiu nomiĝas "POEMOJ". Konkrete: ni volas kolekti (retpoŝte kaj dumsomere vojaĝante, loĝante ĉe esperantistaj familioj kaj partoprenante diversajn renkontiĝojn en Eŭropo) la plej ŝatatajn poemojn de diversaj landoj kaj eltrovi kiun rilaton la homoj havas kun la poemoj. Dum la 86-a Universala Kongreso de Esperanto en Zagrebo ni volas fari gruplaboron por sperti kion oni povas fari kun internaciaj poemoj kaj kiel oni povas sperti ilin. Finfine ni ŝatus prepari specialan prezentajon de poemoj dum la renkontiĝo. Bonvolu veni, vidi kaj "poemadi"!

Vizitu la belegan urbon Perto, Okcidenta Aŭstralio, en januaro 2002 kaj partoprenu dusemajnan Esperantan somerlernejon. Elektu inter 4 niveloj de instruado. Ekprenu la eblecon studi pri la fama Cseh-metodo de instruado je Seminario "A" aŭ "B". Ni en Okcidenta Aŭstralio antaŭĝuas vian partoprenon!

Por pli da informoj, bonvolu skribi al:
Esperanto League of WA, 31-33 Moore Street, East Perth 6004, Western Australia.
Retpoŝte: esperanto@express.net.au
Hejmpaĝo: www.iexpress.net.au/~esperanto

Zagreba

86-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
ZAGREBO, KROATIO, 2001

# ALBUMO

KONGRESA KURIERO



dimanĉon, la 22-an de julio 2001 Numero 2

## TEATRA TRUPO "PONTO"

Krom la prezentaĵo "La plej longa tago en la vivo de Maria Teresia", kiu okazos en Kroata Nacia Teatro la 26-an de julio je la 21h00 enkadre de la kultura programo de la 86-a Universala Kongreso de Esperanto, la aktorino Vida Jerman prezentiĝos en la Solena Malfermo de la Kongreso en la Koncertejo "Lisinski" la 22-an de julio inter la 10h00 kaj 12h00. En la Solena Malfermo prezentos sian paroladon prezidento de la Respubliko Kroatio, sinjoro Stjepan Mesić. La saman vesperon inter la 20h30 ĝis la 22h30, Vida Jerman gvidos la Nacian Vesperon, dum kiu, interalie, prezentiĝos la ensemblo "Lado" kun unuhora programo.

La 23-an de julio, kostumitaj aktoroj el la prezentaĵo "La plej longa tago en la vivo de Maria Teresia" (Vida Jerman kiel imperiestrino Maria Teresia, Žarko Savić kiel imperiestro Francisko la Unua kaj Ivica Pucar kiel sciencisto Bošković), pasos tramibe en blanka kaleŝo, de la hotelo "Esplanade" kie okazas la solena vespermanĝo, ĝis la Placo de banuso Jelačić, por partopreni en granda balo surplace. La balo estas organizita por la kongresanoj kaj loĝantoj de Zagrebo, kiuj troviĝos tiu loke, kaj ĝi komenciĝos je la 21h00.

La 27-an inter 20h30 kaj 23h00 okazos la Internacia Vespero en la Koncertejo "Lisinski", kun diversnaciaj partoprenantoj. La Teatra trupo "Ponto" ludos parton de la prezentaĵo "La plej longa tago en la vivo de Maria Teresia".

## RENATO CORSETTI NOVA PREZIDANTO DE UEA

**La "parlamento" de UEA, la Komitato, kunsidis dum la tuta sabato. Oni traktis interalie la raporton de la estraro pri la agado en 2000 kaj diversajn kaj administrajn aferojn.**

**La komitatanoj elektis ankaŭ 12 pliajn komitatanojn. Temas pri komitatanoj C, kiujn la A- kaj B-komitatanoj rajtas koopti el inter aparte kompetentaj membroj de UEA.**

**La ĉefa decido de la tago tamen estis tiu de la estraro de UEA. La antaŭa prezidanto Kep Enderby jam pasintjare anoncis, ke li ne rekandidatiĝos. Kiel lia posteulo estis elektita d-ro Renato Corsetti (Italio). Oni elektis du vicprezidantojn: prof. Le Chong-Yeong (Korea Respubliko) kaj prof. Humphrey Tonkin (Usono). S-ro Ivo Osibov (Kroatio) fariĝis ĝenerala sekretario.**

**Aliaj membroj de la estraro estas s-ino Ans Bakker (Nederlando), s-ro Gbeglo Koffi (Togolando), Andrej Grigorjevskij (Rusio) kaj s-ino Michela Lipari (Italio).**

**La elektoj okazis en tre harmonia etoso kaj praktike unuanime. La nova estraro transprenos la gvidadon de UEA dimanĉe posttagmeze.**

## JUNA MOZART EL RUSIO

Tiel la internaciaj muzikspecialistoj nomas ANDREJ KOROBEJNIKOV, laŭreaton de 12 internaciaj piankonkursoj, studenton de la kvara lernojaro de Jura fakultato ĉe Eŭropa Jura Universitato (Moskvo). Li estas 14-jara ano de la Internacia Akademio de la Sciencon en San Marino. Lia koncerto, speciale por kongresanoj de la 86-a U.K. okazos **mardon je la 16h30** en la koncertejo "Lisinski" (salono Ivo Lapenna). Venu amase por ĝui la virtuozan "Junan Mozart" - vi certe ne bedaŭros.

## MEDICINISTA KONFERENCO EN OSIJEK

En Osijek (la plej granda urbo de orientkroatia regiono Slavonio) okazis inter la 17-a kaj 21-a de julio, la 13-a IMEK (Internacia Medicinista Esperanto-Konferenco). La organizantoj estis UMEA (Universala Medicinista Esperanto-Asocio) kaj loka osijeka esperanta societo "Liberiga Stelo". La konferencon partoprenis 35 homoj el eksterlando, ĉar en Kroatio ne estas membroj de UMEA.

Okazis dudeko da fakaj prelegoj el diversaj partoj de medicino, kaj ankaŭ kunsidis fakuloj pri Yumeiho terapio.

Krom la faka labora parto, okazis pluraj aldonaj eventoj. Ĉio komenciĝis la 17-an per solena malfermo, kie kantis "La espero" ... kaj plurajn klasikajn kantojn en Esperanto osijekaj membroj de Kroata Nacia Teatro, pianisto Zvonimir Vrbanić kaj tenoro Laslo Pem. Sekvan tagon (18.7.) okazis folklora prezentajo de la osijeka folklora societo "Fervojisto". Fine de la prezentajo la dancantoj eĉ alvokis al la scenejo ankaŭ multajn konferencanojn, kaj okazis komuna popoldancado. 19.7. oni dum tuttaga ekskurso vizitis la hospitalon de la urbo Vukovar, kiu suferegis dum la milito en 1991, samkiel la urbo mem. Poste oni vizitis la urbon Đakovo kaj ĝian faman belegan katedralon. La ekskurso finiĝis per vizito al osijeka Asocio por terapia rajdado nomata "Mi povas", kie oni per fake organizita rajdado kuracas fizike kaj psike infanojn kaj aliajn homojn kun handikapajoj kaj aliaj fizikaj, psikaj kaj emociaj problemoj. Vendredon, 20.7. ni vizitis la urbon kun esperanta ĉiĉeronado, kio finiĝis per gaja vespero en restoracio troviĝanta sur ŝipo sur la rivero Drava.

Yumeihoistoj dum preskaŭ la tuta tempo pene laboradis kun pacientoj. Kaj malgraŭ malbona oficiala informado de la publiko pri ekzisto kaj eblecoj de tiu terapio, venadis multaj pacientoj, ĉar loĝantoj de Osijek mem rapide disvastigis informon pri Yumeiho. Multaj pacientoj laŭdis la terapion, kaj okazis eĉ almenaŭ unu mirakla resaniĝo (de homo kiun la klasika medicino dum unu jaro kaj duono ne povis liberigi disde la doloroj post lia falo de sur arbo, sed unu seanco de Yumeiho lin sanigis!).

La ĉefa majstro de Yumeiho, s-ro Masayuki Saionji, prelegis en Esperanto (kun tuja traduko al la kroata lingvo fare de mi) en osijeka hospitalo pri Yumeiho por lokaj terapiistoj. Ĉeestis preskaŭ 100 da ili, kio tre popularigis ankaŭ Esperanton.

Davor Klobučar

## NATURKURACISTA KUNVENO

Lundon je la 14h00 okazos kunveno de la naturkuracistoj en la salono Takač. Ŝatantoj de sanigaj nutraĵoj kaj trinkaĵoj havos la okazon aŭskulti interesajn prelegojn dum la kunveno, precipe pri la preparado de pomvinagro kaj pri ĝiaj sanigaj eblecoj. Ne forgesu la precizan komenciĝon de la prelego.

## EKUMENA DISERVO

La ekumena diservo okazos dimanĉon, la 22-an de julio je la 16h00 en la Katedralo de Zagrebo. Liturgio de la parolo estas komuna kun protestantoj. Ĉi-jare Zagrebo travivas unikan okazon, kiu verŝajne ne ripetiĝos baldaŭ. Inter la 14-a kaj 21-a de julio okazis la Ekumena kongreso en Ŝalata kun pli ol 160 kongresanoj el diversaj eŭropaj landoj kaj nun okazas la Universala Kongreso de Esperanto. Ĉiuj kristanoj estas invitataj al la Ekumena diservo en la Katedralo.

*k.n. 159*

## LA TAGO DE LA LERNEJO

La Tago de la Lernejo okazos la 24-an de julio ekde la 9h00 ĝis la 13h00 (anstataŭ ĝis la 12h00, kiel anoncite en la Kongresa Libro) en la salono Ivo Lapenna (Koncertejo V. Lisinski).

Programo: Interkultura Edukado
Eksterlernejaj spertoj
La kroata instru-sistemo
Instruista trejnado, ekzamenoj, instru-scienca esplorado
Kunlaboreblo kun aliaj organizoj

Maŭro La Torre, kn. 171

## BONVENU PACO

Jus aperinta kompakdisko de hebreaj kaj jidaj kantoj **en Esperanto: 28 kantoj - 72 minutoj - kajero kun ĉiuj tekstoj**
tradukoj de Koben Cedek, Murjan kaj Wandel kantas Tova Ben-Cvi kaj Chantal. - Aĉetebla en la libroservo.

# AIS San Marino informas

## KUNLABORANTOJ POR PLANLINGVA FAKVORTARO SERĈATAJ

Kadre de la Komunikadscienca fako de la kibernetika sekcio de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San Marino ekestis la projekto, pretigi ĝis la somero 2002 plurlingvan fakvortaron pri kibernetikaj pedagogio, psikologio, lingvistiko kaj estetiko, la kvar branĉoj de la komunikadkibernetiko. La "Internacia Lingvo de Doktoro Esperanto" estos la referenclingvo, en kiu la difinoj estos verkitaj. Celita estas, eldoni la fakesprimojn minimume en la germana, angla, franca, itala, rumana, slovaka kaj rusa lingvoj, eventuale ankaŭ en aliaj lingvoj, en kiuj komunikadkibernetika fakliteraturo ekzistas. La projektgvidantino, profesorino Dr. habil. Eva Poláková (kn 1411) de la Universitato Nitra prezentos la staton de la projekto dum interkatedra laborkonferenco merkredon posttagmeze en la Verda Salono de la Hotelo Esplanade kaj vendredon en salono Maruzzi dum la sinprezento de AIS. Serĉataj estas kunlaborantoj por la diversaj lingvoj.

## ĈU KREIĜOS EŬROPA UNIVERSITATO INTERNACILINGVA?

La rivero Danubo kaj la slovaka-hungara landlimo distranĉas la ĉarman dulingvan urbon Komarno. Pano de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San Marino, akcepti la proponon, tie enkorpiĝi en fondotan Eŭropan Universitaton, povus fariĝi komuna projekto de ambaŭ urbopartoj. Unuaj interkonsiliĝoj inter reprezentantoj de AIS, de ties slovaka partnera Universitato en Nitra, de lokaj instancoj kaj de slovakaj kaj hungaraj ministerioj jam okazis. Ekde 2002 liberiĝos konstruaĵo uzita ĝis nun kiel profesia lernejo. AIS ricevis la oferton, transpreni apudan 7-etaĝan konstruaĵon kun 119 hotelapartementoj. Ili povos servi kiel loĝejoj por docentoj aŭ studentoj, sed ankaŭ privataj apogantoj de la interlingva kulturo povos fariĝi privataj posedantoj de unuopaj apartementoj, en ilia nuna stato kontraŭ po 2.500 eŭroj. Interesitoj direktiĝu al la prezidanto de AIS (kongresa numero 221) aŭ informiĝu pri detaloj dum la sinprezento de AIS vendredon inter 16h15 kaj 19h00 en salono Maruzzi...

## INTERKATEDRA KUNLABORKONFERENCO KOMUNIKADKIBERNETIKA

Profitante de la programpaŭzo por la ekskursa tago renkontiĝos merkredon en la Verda Salono de Hotelo Esplanade reprezentantoj de la fako "Komunikadscienco" de la kibernetika sekcio de AIS San Marino de 8h00 ĝis 16h00 por "interkatedra konferenco". Estos pritraktata la kunlaboro en instruado kaj esplorado de la "internaciaj katedroj", kiujn AIS kreis dum la pasintaj 18 monatoj en la Filozofo-Konstantin-universitato Nitra (Slovakio), La Lucian Blaga Universitato Sibiu (Rumanio) kaj la Moskva Ŝtatindustria Universitato en Moskvo kaj sia filio Roslavl. Celata estas, starigi instmodelon por aliaj sciencaj fakoj. Seriozaj interesitoj estas invitataj partopreni kiel observantoj. Pri la rezulto estos raportate vendredon de la 16h15 ĝis 19h00 en Salono Maruzzi.

## INTERNACIA SIMPOZIO PRI LINGVA PLANADO KAJ LEKSIKOLOGIO (ISLPL) Zagrebo, 28 -30 julio 2001

**Sub la aŭspicio kaj kun la subteno de la Kroata Akademio de Scienco kaj Artoj, la Akademio de Esperanto organizos internacian simpozion pri lingva planado kaj leksikologio en Zagrebo, Kroatio, de la 28-a ĝis la 30-a de julio 2001. La malferma ceremonio de la simpozio okazos je 14h30 la 28-an de julio (sabate), kaj la simpozio finiĝos tagmeze la 30-an de julio (lunde).**

**Simpoziejo: La Iliria Halo de la Kroata Akademio de Sciencoj kaj Artoj, Opatička 18, HR-10000 Zagrebo, Kroatio.**

## LASTAJ ALIĜOJ

| | | |
|---|---|---|
| 1630 | | S-ro Edmond Monier 6, rue Louis Pasteur, FR-26400 Crest, Francio |
| 1631 | | S-ino Helene-Caroline Berneuil, Lorifeuille, FR-26400 Montclar sur Gervanne, Francio |
| 1632 | ahet-j | S-ro Aktar Etemad, No 25 (3rd Gharbi), K. Aghamohamadi, Bahar Shamali, Tehran - 15742, Irano |
| 1633 | | S-ino Petronela Ivaniciuc, Str. Cosânzeana 6, Sanntcolaci Mare, Rumanio |
| 1634 | | S-ino Dana Stefania Ivaniciuc, Str. Cosânzeana 6, Sanntcolaci Mare, Rumanio |
| 1635 | mcg-d | S.-ro Mihal Gutmaher, Hahita 9/1, 17525 Nacrat Illit, Israelo |
| 1636 | zilv-w | S-ro Peter Zilvar, Grubenhaupenstr. 8, D-37412 Herzberg/Harz, Germanio |
| 1637 | | S-ino Danit Ŝahar, 336 Givat Ĥajim Iĥvo, Israelo |
| 1638 | | S-ino Štefanija Čukman, Palmotićeva 70, 10000 Zagreb, Kroatio |
| 1639 | clrn-a | S-ro Raniero Clerici, Via Conte Verde 66, I-00185 Roma, Italio |
| 1640 | rlib-l | S-ino Rahel Liberman, Pinchas Rutenberg Street 78, Ramat Gan 52275, Israelo |
| 1641 | | S-ino Tonina Novak, Albinijeva 2, 10010 Zagreb, Kroatio |
| 1642 | mhea-u | S-ino Mariabea Vesga Hoekstra, 37 Rusper Close, London NW2 6QS, Anglujo |
| 1643 | | S-ino Gordana Pintar, Trg maršala Tita 11, 10410 Velika Gorica, Kroatio |
| 1644 | | S-ro Alojzy Kossakowski, Stroma 19/18, PL-15-662 Bialystok, Pollando |
| 1645 | | S-ino Aleksandra Kossakowska, Stroma 19/18, PL-15-662 Bialystok, Pollando |
| 1646 | | S-ino Valentina Pintar, Trg maršala Tita 11, 10410 Velika Gorica, Kroatio |
| 1647 | | S-ro Alen Pintar, Trg maršala Tita 11, 10410 Velika Gorica, Kroatio |
| 1648 | oleb-h | S-ro Ole Blaust, Ny Kongensgade 18, Kopenhago, Danio |
| 1649 | tjau-c | S-ino Tatjana Auderskaja, Odessa, str. Korolenko 5-B, kv. 26, Ukrainio |
| 1650 | anmr-r | S-ino Anna Margareta Ritamäki, Dragsfjärdsvägen 690, 25700 Kimito, Finnlando |
| 1651 | sabt-g | S-ino Sabine Trenner, Grossekirchgasse 4, DE-09456 Annaberg-Buchholz, Germanio |
| 1652 | | Francoise Bert Les Pommiers 148, Chemin de la Tour, FR- 05100 Briançon, Francio |
| 1653 | | Hella Ebla Jacobsen, Hallandsgade 6, DK-2300 Kopenhago 5, Danio |
| 1654 | | S-ino Paula Girippa, Hallandsgade 6, DK-2300 Kopenhago 5, Danio |
| 1655 | | S-ro Brian Laustsen, Hallandsgade 6, DK-2300 Kopenhago 5, Danio |
| 1656 | | S-ro Brian Jensen, Clasensgade, Danio |
| 1657 | | S-ro Amir Hadžiahmetović, Hans Olriksvej 2, DK-2450 Kopenhago 5, Danio |
| 1658 | | S-ro Kim J. Henriksen, Hallandsgade 6, DK-2300 Kopenhago 5, Danio |
| 1659 | vovl-d | Lode J.V. van de Velde, Frankrijklei 140, 2000 Antwerpen, Belgio |
| 1660 | gdwi-s | S-ro Georgo Winkler |
| 1661 | zdal-b | S-ro Aleksander Leon Zdechlik, ul. Wyzwolenia 4 m 8, PL-41-900 Zabrze, Pollando |
| 1662 | | S-ro Katsukata Kudo, 1-12-8 Amakawa Tsuchiura-shi, Japanio |
| 1663 | dmez-k | S-ro David Mediavilla, Ferrerias 40, Barakaldo 48901, Hispanio |
| 1664 | | S-ro Anders Grop, Rådmansgatan 56 II, S-113 60 Stockholm, Svedio |
| 1665 | | S-ro Gavan Fantom, Flat, 138 Maybank Avenue, Wembley HA0 2TF, Britio |
| 1666 | radp-u | S-ro Radojica Petrović, Bul. Oslobođenja 35, YU 32000 Čačak, Jugoslavio |
| 1667 | | S-ro Radek Pacola, Budovice 93, Nový Jičín, 741 01, Ĉeĥio |
| 1668 | | S-ino Magdalena Markovinović, Kranjčevićeva 29, HR-32100 Vinkovci, Kroatio |

## NI BEDAŬRAS LA ERAROJN EN LA KONGRESA LIBRO

"Kun granda surprizo mi konstatis, ke en la adresaro mankas mia nomo", skribis al nia redakcio s-ino Nora Caragea, kongresnumero 261. Ŝia adreso estas: Poštfako 100513, D-60005 Frankfurt am Main, Germanio. Kun bedaŭro ni konstatis poste, ke mankas ankaŭ la adresoj de n-roj 197, 259, 297, 298, 372, 400, 426, 451, 452, 586, 594, 669, 703, 737, 738, 752, 865, 1005, 1073, 1074, 1103, 1177, 1312, 1421, 1574 (sen garantio pri kompleteco!). Al ĉiuj kongresanoj, kiuj pro tiu eraro havis malagrablaĵojn, ni esprimas nian sinceran bedaŭron, kaj se ili volas publikigi sian kompletan adreson en la "Zagreba Albumo", ni staras je ilia dispono.

Zagreba

86-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
ZAGREBO, KROATIO, 2001

ALBUMO



KONGRESA KURIERO

lundon, la 23-an de julio 2001 Numero 3

# PREZIDENTO DE KROATIO, LA ALTA PROTEKTANTO DE LA KONGRESO INTER NI

SOLENA MALFERMO

## PAROLADO DE LA KROATIA PREZIDENTO STJEPAN MESIĆ

Estimata prezidantaro,
estimataj partoprenantoj de la Kongreso,
sinjorinoj kaj sinjoroj

Volonte mi venis post via invito, por diri kelkajn vortojn komence de la Universala Kongreso de Esperanto. Jam la duan fojon en malpli ol 50 jaroj Zagrebo estas gastiganto de tia ĉi renkontiĝo.

En tiu duono de jarcento multo ŝanĝiĝis, kaj ĉi tie, kaj en la tuta mondo.

Tiam, en la fora jaro 1953, Zagrebo estis ĉefurbo de unu el federaciaj partoj de Jugoslavio. Hodiaŭ Zagreb estas la ĉefa urbo de sendependa Respubliko Kroatio. Tiam la mondon karakterizis la malvarma milito kaj danĝera konflikto inter Oriento kaj Okcidento, kaj hodiaŭ estas ŝajne neeviteblaj diferencoj inter Nordo kaj Sudo, inter evoluintaj landoj kaj la malriĉaj.

Tiam tra la mondo konkurencis du esence diferencaj sociaj sistemoj, kaj hodiaŭ ni vidas superregon de unu el ili. Nun ni troviĝas en la transira epoko, kiu al landoj similaj al Kroatio elligos unue adaptiĝon al okcidentaj demokratioj kaj poste plenan eniron en ilian rondon, kaj ekonomie, kaj politike.

En tiu epoko, maltrankvila sed interesa kaj sortdecida, unu sola afero ne ŝanĝiĝis, kaj tio estas la entuziasmo de vi, esperantistoj, kaj via deziro helpi, per la lingvo kiun vi uzas kaj kiun vi propagandas, ke la mondo en kiu ni vivas fariĝu pli bona.

Mi ne ripetos la sekajn informojn pri tio kiel ekestis Esperanto. Sed mi devas emfazi ke en la kerno de la ideo pri la tutmonda lingvo troviĝas la kompreno pri tio ke libera komunikado inter homoj kaj popoloj estas unu el la bazaj kondiĉoj por tio, kio kutime nomiĝas paca kunvivado, kunekzisto. Guste en tio estas la ĉefa valoro de tutmonda lingvo.

La ideo, kaj ankaŭ la praktiko pri lingvo universala aŭ preskaŭ universala, ne estas nova, kion montras la lingvoj latina, poste franca, kaj finfine la angla. Sed Esperanto estas io tute alia.

Baziĝante sur elementoj de jam ekzistantaj naciaj lingvoj, ĉefe de la latinida lingvofamilio, Esperanto sin proponis al la mondo kaj proponas sin ankaŭ hodiaŭ, kvankam ankoraŭ akceptita malpli ol atendite, kiel lingvo tute nova. Tiu lingvo neniun kaj nenion neas, neniun kaj nenion forpuŝas, kaj samtempe ĝi al ĉiuj ebligas eliri per grandegaj paŝoj el mallarĝaj naciaj kadroj, unuavice la lingvaj, sed ne nur.

En sia sufiĉe longa historio Esperanto estis kaj uzata, kaj misuzata. Ĝi spertis kaj komprenemon de homoj, kaj politikan malemon, kian ofte montras mallarĝmensaj homoj kun provinca mentaleco. Tamen, Esperanto travivis. Pri ĝia vivkapablo atestas ankaŭ tiu ĉi hodiaŭa kunveno.

Mi diras ke ĝuste en la nuna epoko, en la tempo de la tutmondiĝo, kiu estas kritikata sed neevitebla, la graveco de Esperanto povas nur kreski. En la mondo, kiu ne senkiale nomiĝas universala vilaĝo, la ideo pri universala lingvo ŝajnas al mi plene natura. Kompreneble, oni ne rajtas ion ajn trudi perforte. Sed oni ankaŭ ne rajtas fermi la okulojn antaŭ la bezonoj kiujn alportas la nova epoko.

Nia epoko sendube estas la epoko de komunikado. Por ke la komunikado estu sukcesa, ĝi devas esti komprenata.

Esperanto portas en si la ideon pri interkompreno kaj interkonsento, do ankaŭ la ideon pri dialogo kaj traktado. Mi opinias ke mi ne eraras dirante ke Esperanto portas en si ankaŭ la ideon pri paco.

Se oni scias kiom la paco estas bezonata, kaj ni en Kroatio tion tre bone scias, tiam oni devas kompreni la bezonon pri subteno al projekto de tia lingvo, kiun povus uzi ĉiuj popoloj de la mondo, ne forlasante siajn naciajn lingvojn, sed akceptante avantaĝojn de la lingvo kiu ebligas ĝeneralan interkomprenon.

Por montri mian subtenon al Esperanto, permesu al mi fini la paroladon per kelkaj vortoj en tiu lingvo. Mi petas pardonon pro eventuala erara prononco, tio ja estas miaj unuaj vortoj diritaj en Esperanto:

**"Fine mi deziras al vi agrablan restadon en nia lando, kaj sukcesplenan laboron dum la kongresa semajno. Dankon."**




# MESAĜO DE LA ĜENERALA SEKRETARIO DE UNUIĜINTAJ NACIOJ

Estas por mi plezuro transdoni miajn bondezirojn al la 86a Universala Kongreso de Esperanto.

La Esperanto-movado ĉiam partoprenis la celon interligi homojn trans naciaj limoj. Hodiaŭ mi vivas en nova epoko de komunikado, en kiu eblas transsendi informojn pli rapide kaj pli foren ol iam ajn antaŭe. Tamen unu homo el du neniam faris aŭ ricevis telefonvokon. Larĝa diĝita disdivido forrabas multajn malriĉajn landojn de la rimedoj de informteknologio. Unuiĝintaj Nacioj, kunlabore kun sociaj organizaĵoj kaj la privata sektoro, havas firman volon transporti tiun dividon.

Inter la novaj iniciatoj pri kiuj mi esperas, ke ili konstruos informteknologiajn pontojn al la evolulandoj, estas UNITeS, la Teknologia Servo de Unuiĝintaj Nacioj. Tiu "norda" reto de volontuloj dividas sian scipovon kun grupoj en sudaj landoj, donante kuraĝigon pri la aplikado de teknologio. Plibonigita komunikado havigas multajn avantaĝojn - por distanca lernado, pli rendimenta negocado kaj pli rapida reago al urĝaj okazaĵoj. Per tio, ke ni vaste havigas la neelĉerpeblan varon informojn, ni povas plibonigi ĉies aliron al edukado, sano kaj prospero.

Dum ni alstrebas niajn komunajn celojn pri plibonigitaj komunikado kaj interkomprenado, mi antaŭĝojas pri pluraj kunlaboro kaj bonvolo inter Unuiĝintaj Nacioj kaj la Esperanto-movado. En tiu spirito, mi deziras al vi plenan sukceson.

# SALUTPAROLADO DE DALIBOR BROZOVIĆ

Estimataj diplomatoj en Zagrebo, estimataj reprezentantoj de ŝtataj kaj urbaj institucioj kaj servoj, estimataj estraranoj de UEA, karaj kongresanoj!

En la nomo de la Loka Kongresa Komitato kaj en la nomo de la Kroata Esperanto-Ligo mi havas honoron saluti vin ĉiujn kaj deziri al vi, unue, plej agrablan restadon en Zagrebo, kaj due, plej sukcesan, fruktodonan laboron dum nia okdeksesa Universala Kongreso de Esperanto. Ni ĉiuj estas certaj ke tiu laboro estos granda, utila paŝo al la lumoplena futuro de nia kara lingvo Esperanto. Mi esperas ke hejmen vi ĉiuj portos kun vi bonajn kaj belajn memorojn el Zagrebo. Kroataj esperantistoj akceptas vin ĉiujn kun la koroj plenaj de amikeco, solidareco kaj bonvoleco.

Vi ĉiuj sendube scias ke tiu ĉi nia nuna kongreso ne estas la unua Universala Kongreso de Esperanto kiu okazas en Zagrebo. Antaŭ kvardekok jaroj, en la jaro mil naŭcent kvindek tria, do antaŭ preskaŭ unu duonjarcento, okazis en Zagrebo la tridekoka Universala Kongreso de Esperanto. Ĝi restis en bona memoro en la esperantista movado. Ni klopodu, kaj sukcesu, superi la rezultojn de tiu neforgesebla kongreso okazinta antaŭ tiomaj jaroj.

SOLENA MALFERMO

# PAROLADO DE L. ZALESKI-ZAMENHOF

Estimata Sinjoro Prezidanto,
Estimataj Gesinjoroj Honoraj Gastoj,
Estimataj Gesinjoroj Kongresanoj,
Karaj Geamikoj,

Mi salutas vin tutkore, venintajn el tre diversaj landoj de la terglobo al tiu bela urbo de ZAGREB, la ĉefurbo de KROATIO, sed ankaŭ, dum la semajno komencanta, la ĉefurbo de ESPERANTUJO. Ni observu, ke nia kongreso okazas unuafoje en la tria jarmilo de la kalendaro, sed ankaŭ unuafoje, laŭ la sama kalendaro, en la tria jarcento de ESPERANTO.

Vi venis diskuti pri la DIALOGO INTER KULTUROJ, kies bezono iam ja inspiris iniciaton de la Lingvo Internacia. Fakte, preskaŭ ĉiuj biografoj de ZAMENHOF mencias la legendon, laŭ kiu la juna Ludoviĉjo, vivanta en, tiam multkultura, urbo de BIALYSTOK, observis malamon regantan inter la diversnacianoj, ne trovantaj lingvon komune kompreneblan, tion laŭ li necesan al la dialogo inter iliaj kulturoj respektivaj.

La multnombro de kulturoj, ilies granda diverseco, prezentas unu el la plej valoraj riĉaĵoj de la Homaro. La dialogo inter ili permesas kompreni, permesas estimi, respekti kulturojn malsamajn. Sen tia dialogo, sen tia kompreno, kulturo fremda aperas stranga, aperas malamika, inspiras malestimon, disdegnon, malamon. Ja en multaj lingvoj naciaj la vortoj "fremda" kaj "stranga" posedas la saman radikon: "strange" en la angla, "étrange" en la franca, signifas "strangan", dum "stranger" aŭ "étranger" signifas "fremdulon", tial do homon venantan de stranga lando, personon elvokantan ian strangan kulturon ...

Tamen la DIALOGO INTER KULTUROJ devas sekvi sian kulturon propran, la KULTURON DE DIALOGO. Kulturon, kiu implicas egalecon de la dialogantoj, zorgantaj eviti altrudadon de siaj respektivaj pensmanieroj, de siaj respektivaj kulturoj, zorgantaj respekti kulturon de la Alia, eĉ tiun de plej eta komunumo. La menciitaj kondiĉoj de KULTURO DE DIALOGO povas esti strikte observataj dank' al la Lingvo Neŭtrala. Belan ekzemplon de la KULTURO DE DIALOGO prezentas ja la Universalaj Kongresoj de ESPERANTO.

Pardonu al mi, Geamikoj, la ripetadon de verajoj konataj de vi ĉiuj. Pardonu tiun restaĵon datantan de mia profesora kariero, dum kiu mi kutimis observi ke la plej ŝatitaj de ĉiuj miaj prelegoj estis tiuj kiuj ĝuste rilatis al la temoj plej bone konataj de la aŭskultantoj. Krome mi kaptas la okazon al mi donitan, por ripeti antaŭ Vi la ideojn de mia ANTAŬULO, kiuj, prononcataj dum pli ol cent jaroj, daŭre aperas aktualaj.

Hodiaŭ al vi, Granda ZAMENHOFa Familio, alfalas la tasko debati pri la plej trafa adapto de tiuj ideoj al la kondiĉoj de la tria jarmilo. Mi ne dubas ke viaj debatoj, dokte kaj sperte de Humphrey TONKIN gvidotaj, estiĝos interesaj kaj fruktodonaj.

# PAROLADO DE HUMPHREY TONKIN PRI LA KONGRESA TEMO

Pro kio ni kongresas? La ĉiujara Universala Kongreso estas okazo kiam parolantoj de Esperanto kunvenas por rekonfirmi la kulturon de Esperanto. Malmultaj eksterstarantoj komprenas, ke tia kulturo ekzistas. Ĝi estas supernacia kulturo, en kiu homoj ĝuas egalecon de komunikado. Ĝi daŭre ekzistas kaj prosperas ĉar homoj obstine kaj insiste kredas dum pli ol jarcento pri ĝia valoro kiel superŝtata, populara renkontilo de la homoj en paco. Pro tio, ke lingvo kaj komunikado estas ĝia kerna ekzistokialo, ne estas surprize, ke Esperanto ĝuas rimarkinde riĉan literaturon, ke homoj ĝin uzas por interŝanĝi profesiajn spertojn, ke ĝi havas siajn radiostaciojn, siajn gazetojn pri aktualaj aferoj, sian abundan interretan vivon, kaj siajn multajn kunvenojn kaj renkontiĝojn.

Universalaj Kongresoj estas okazoj por flegi la organizan vivon de nia komunumo kaj plani la estontecon: kunsidas ekzemple la Komitato de UEA, la Akademio de Esperanto, kaj plej diversaj fakaj asocioj. Ili estas okazoj konsideri nian historion kaj refortigi nian kolektivan memoron kaj niajn tradiciojn. Ili estas okazoj ĝui nian kulturon kaj, per la uzado, perfektigi nian lingvon.

Ili ankaŭ estas okazoj priparoli la profundajn demandojn de paco kaj milito, edukado kaj nescio, bonfarto kaj mizero, kiuj sin trudas al ni en la moderna mondo. Mezuro de nia vivkapablo kiel komunumo estas nia preteco uzi Esperanton ne por turni nin enen al ni mem, sed por turni nin eksteren al la mondo. Ni estas en privilegia pozicio: ni posedas lingvon, kiu ebligas senpartian komunikadon en demokrata spirito. Ni ne uzu ĝin por eskapi de la mondo, sed por engaĝi la mondon.

Nia ĉi-jara temo, "Kulturo de dialogo – dialogo inter kulturoj," konsistigas parton de la Jaro de Dialogo inter Civilizoj lanĉita de Unuiĝintaj Nacioj en la jaro 2001. Nia Esperanto estas kulturo, kiu favoras, eĉ fundamentas, malferman dialogon. Ĝi estas dialoga kulturo. Se tiel estas, kiel ni utiligu Esperanton por faciligi komunikadon inter la grandaj civilizoj kaj kulturoj de la mondo, kun ties diversaj religioj, historioj, aspiroj, deziroj, lingvoj, popoloj, etikaj tradicioj? Kiel fari el Esperanto, en plena realo, lingvon kiu ebligu pli da kompreniĝo inter la homoj? Ne sufiĉas diri al tiuj, kiuj jam partoprenas la dialogon, ke Esperanto pli bone servus ilin ol la etnaj lingvoj, se ili volus uzi ĝin. Necesas, ke ni mem, kiuj neniel estas perfektaj, komencu ankaŭ inter ni dialogon, kiu malfermu la mondan diversecon en ties gloro sed foje minaca vario.

Okazos tri kunvenoj pri la kongresa temo, en dimanĉo je la 14h45, lundo je la 12h30, kaj mardo je la 10h00. Ili konsistos el konversacioj inter specialistoj sekvataj de grupa diskutado, en kiu vi ĉiuj povos ludi rolon se vi volas. Ni ne simple parolos por paroli, sed klopodos pli klare difini kiel Esperanto helpas la reciprokan kompreniĝon de la homoj (la temo de la unua kunveno), kiuj estas la ĉefaj demandoj kiuj nin dividas (la temo de la dua kunveno), kaj kiel ni povas organizi nin en la estonteco por pli efike uzi Esperanton en la dialogo inter kulturoj (temo de la tria kunveno). Do, temos ne simple pri konversacio, sed pri planado de specifa agado en estonteco, en kiu viaj opinioj kaj ideoj estos gravaj. Mi invitas vin veni abunde al la kunvenoj (se vi ĉeestos ĉiujn, des pli bone, sed venu al unu aŭ du se ne eblos veni al ĉiuj), kaj mi ankaŭ invitas ĉiujn kongresanojn levi tiujn demandojn pri la rolo de Esperanto en la dialogo inter kulturoj ankaŭ en aliaj kunsidoj, ekzemple de fakaj asocioj, kaj kontribui siajn opiniojn aŭ en la kunsidoj mem aŭ en skribita formo per mesaĝoj al mi kaj miaj kolegoj, kiujn ni klopodos preni en konsideron en la kunsidoj kaj poste. La celo, mi ripetas, estas produkti konkretan planon de agado, klarigeblan en la formo de rezolucio de la kongreso.

Organizado, lingvo, historio, obstina sindediĉo al nia komuna afero — ĉi-jare ĉiuj tiuj diversaj fadenoj kune renkontiĝas en Zagrebo. Mi parolis pri literaturo: kvar novaj verkoj, unu afoje videblaj ĉi tie, kvazaŭ emfazas tiun fakton. Aperis festlibro, ĉi tie aĉeteb la, honore al Detlev Blanke, unu el niaj elstaraj esperantologoj. Tiu libro ebligas meditadon pri la graveco flegi kaj esplori nian lingvon. Aperis la dua eldono de libro de esperantisto Tivadar Soros, fondinto de la revuo kaj eldonejo Literatura Mondo, pri ties travivo, kun sia poste fama familio, de la germana okupo de Budapeŝto en 1944. Ĝi memorigas nin, ke Esperanto kaj ĝia kulturo estas rimedo por tutmonde disvastigi la lecionojn de la homa historio. Tria libro, redaktita de Chong-Yeong Lee, iama prezidanto de UEA, prezentas la historion de la rilatoj inter Esperanto kaj la grandaj interregistaraj organizaĵoj. Nia kongresa temo ĉi-jara estas plia elemento en tiuj rilatoj. Kvara libro honoras la memoron de unu el la plej grandaj figuroj de la historio de Esperanto, Ivo Lapenna, kiu estis inter la fondintoj, ĉi tie en Zagrebo en la antaŭmilitaj jaroj, de tuta rondo da esperantistoj – Tibor Sekelj, Ivo Rotkvić, Srdjan Flego, Dalibor Brozović – kiuj transformis la kulturon kaj movadon de Esperanto, kaj kies energiojn li helpis gvidi kaj direkti. Lapenna nun prenas sian ĝustan lokon en nia historio, kiel unu el niaj plej elstaraj kolegoj kaj animantoj. Estas bele, ke tio okazu ĝuste ĉi tie en Zagrebo, kaj ke memorante lin ni memoru ne la aferojn, kiuj en pasinteco nin dividis, sed la aferojn, kiuj nin unuigis kaj unuigas en dialogo de paco kaj kompreniĝo, kiu estu ekzemplo por nia mondo dividita.

## AŬTORAJ DUONHOROJ

**LUNDE**, je la 11h30 en salono Rotkvić (en Kongresejo FER) estos prezentataj la verkoj de *Gilbert Ledon*.

La dua aŭtoro de la tago estos UEA-prezidinto *Lee Chong-Yeong*, kies libro "Esperanto en la 21-a jarcento" enhavas kontribuojn de pluraj elstaruloj de nia movado (16h30 en la sama salono).

Antaŭvideble, en postaj tagoj, vi povos renkonti la aŭtorojn aŭ redaktorojn: Trevor Steele, Humphrey Tonkin , Carlo Minnaja, Amri Wandel k.a. Precizigoj sekvos.

## ORATORA KONKURSO

Dum 25 jaroj unu el la konstantaj programeroj de Universalaj Kongresoj estis la oratora konkurso por junularo. Unuafoje oni eksperimente okazigis ĝin en la UK de 1949. La sperto estis kuraĝiga kaj ekde la sekva jaro ĝi fariĝis kostanta aranĝo, kiu daŭris ĝis la UK en 1974 laŭ regularo redaktita de prof. Ivo Lapenna. En 1960 prof. Ivo Lapenna donacis pokalon, kiun ricevis la gajninto de la unua premio.

Post paso de pliaj 25 jaroj la prezidanto de UEA, Kep Enderby, lanĉis la ideon restarigi la konkurson. Intertempe la Estraro de UEA decidis prove organizi la konkurson en la Zagreba UK. Se la provo estos same kuraĝiga kiel en 1949, la konkurso fariĝos denove konstanta programero de UK-oj. Laŭ la spertoj oni faros eventuale bezonatajn modifojn en la regularo de la konkurso. En Zagrebo validos la malnova regularo, kun la sola escepto, ke la aĝlimo por la konkursantoj estas plialtigita al 30 jaroj konforme al la nuna aĝlimo de TEJO.

En la konkurso estos tri monpremioj, egalaj al tiuj de la Belartaj Konkursoj.

La Oratora konkurso okazos jaŭdon de la 12h00 ĝis la 13h00 en la salono Emilija Lapenna.

Temoj elekteblaj:

- La rolo de la junularo en la Esperanto-movado
- Dialogo de kulturoj
- Esperanto kiel literatura lingvo.

*KN. 86*

**Karaj kongresanoj,**
**Bonvolu eniri en la salon on Maruzzi vendredon la 27-an de julio plej laste ĝis la 15h15 por ke la Spiritisma kunsido komenciĝu ĝustatempe.**

. . .

**Gepatroj kun infanoj!**
**Ne forgesu ke je via dispono estas ĉiutage matene de la 10h00 ĝis 11h00 kaj posttagmeze de la 16h00 ĝis 17h00 salono Bedekovi kie troviĝas kelkaj ludiloj , paperoj, krajonoj ... por infanoj!**

## KONCIZE

**KUNVENO DE ROTARIA AMIKARO DE ESPERANTISTOJ (RADE)** Esperantistaj Rotarianoj estas invititaj renkontiĝi MARDON je la 19h30 en la vestiblo de Hotelo Esplanade por poste kune ĉeesti, en la sama hotelo, la Kunvenon de Zagreba Rotaria Klubo kaj tie informi pri Esperanto kaj nia Kongreso.

**BALKANA AGADO** - Kunveno de balanlandaj kongresanoj okazos jaŭdon de la 12h00 ĝis la 13h00 en la salono Takač. Programo:
- spertoj kaj problemoj
- agadprogramo de la Balkana komisiono
- komunaj projektoj
- trejnado de instruistoj
- aplikado de la projekto Interkulutro en balkanaj landoj
- partopreno en la Danuba Esperantlingva Scinca kaj Kultura Forumo (DESKF).

**KOREKTO**: Horareraro pri la komunikadkibernetika laborkonferenco - La publika laborkonferenco interkatedra de komunikadkibernetikistoj de AIS okazos merkredon en la Verda salono de Hotelo Esplanade de la 9h00 ĝis la 18h00 kaj ne kiel anoncite de la 8h00

**PREZENTAĴO DE DRAMA GRUPO DE STUDENTA ESPERANTA KLUBO ZAGREB - LUNDE, la 23-an, je la 19h00 enkadre de Junulara Programo**
**Vanja Radovanović: "Nerezistebla ĉarmo de ĉiutageco"**
Ĉu ni timas esti kaptita en ĉiutaga vivo aŭ ni timas ne esti en la konata ĉiutaga mondo? Kial kelkaj homoj partoprenas persone tielnomatajn "reality" aŭ "Big Brother show" kaj amaso da aliaj spektas ilin? Kial ĉiuj viroj vestas nigran surtuton? Kaj kelkaj eĉ tondas ungojn sidante surtable!
Tiu ĉi prezentaĵo ne respondos la demandojn, sed tamen montros al vi kelkajn flankojn de ĉiutaga vivo!

## 100-JARIĜO

La 30-an de septembro s-ro Salvador Gumà el Katalunio, fariĝos centjara. Kataluna Esperanto-Asocio (KEA), organizos por li omaĝon en kies kadro estos prezentita la libro "Kiam floras la timianoj" verkita de li. Kelkaj libreroj jam aperis en "La Gazeto" aŭ en "El Popola Ĉinio" kie ofta kunlaboranto li estis.

Por la kataluna muzikgrupo "Kaj Tiel Plu" li tradukis antaŭ tri jaroj (do 97-jara) plurajn popolkantojn katalunajn. Kaj ankoraŭ nun, dugoje en la monato, li helpas progresintojn lingve kaj filozofie, gajhumore, regi la Zamenhofan lingvon.
Estus bele, se li ricevus amason da gratulmesaĝoj post-, leter- aŭ retforme. Jen lia adreso: Salvador Gumà i Clavell, Passeig Prim 38, 7E 5ª, ES-43205 Reus, Katalunio - guma_reus@hotmail.com

## "MIRINDA KROATIO"; PER LUMRADIO TRA KROATIO

En la salono Ivo Lapenna okazis je la 14.45 bona programero por tiuj kiuj deziris ekkoni la kongresan landon. Prezentita estis 15-minuta filmo "Mirinda Kroatio" farita de Kroata Turisma Asocio, tradukita de Davor Klobučar, kaj laŭtlegita de Spomenka Štimec. Ĝi montris belecon de la lando kaj donis informojn por turistoj pri Kroatio.

S-ro Ivica Špoljarec - Štef, hobia fotisto, prezentis al ni multajn lumbildojn, kiujn li elektis el sia privata kolekto de 6.000 pecoj. La unua parto de tio estis pri diversaj partoj de Kroatio, kun liaj komentoj. La alia estis pri motivoj el naturo de Kroatio, akompanata per agrabla muziko de Mozart. Kvankam en la malluma ĉambro oni povis dormi pli bone ol dum longaj paroladoj en la solena malfermo, tamen la publiko kun grandega atento spektis la prezentadon ĝis la fino, kaj aŭdiĝis komentoj kiel "belege" kaj "tre eksterordinare". Tial ni pardonis ke Štef malsufiĉe priatentis la orientan parton de Kroatio, kiu nomiĝas Slavonio. Esperebl̂e oni trovos tempon por remontri la filmon, ĉar ĝin spektis nur 100 personoj.

*Davor Klobučar*

## YUMEIHO-TERAPIO - ESPERANTA OFERTO AL LA PUBLIKO

En la ĉambro Emilija Lapenna okazis je la 13-a horo kunveno de Yumeiho-istoj. Parolis la inventinto de tiu terapio, s-ro Masayuki Saionji el Japanio, kaj unu el liaj lernantoj, s-ro Wlodzimierz Opoka el Pollando. Post la teoria parto, la terapio estis montrita ankaŭ praktike.

Kio estas Yumeiho terapio? Ĝi estas orienteca kuracmetodo, sen medikamentoj, kaj per manoj de terapiisto. Ĝi konsistas el du partoj: originala masaĝo de muskoloj, kaj ĝustigado de delokitaj artikoj de la tuta korpo, precipe de la ĉefaj, kiuj estas koksostoj kaj vertebraro. La masaĝo povas esti aplikata ankaŭ al tute sanaj personoj, por preventi malsanojn kaj forporti la streĉon kaj lacon. Kurace ĝi bone efikas ne nur al malsanaj gamboj, kokso, vertebraro kaj artikoj, sed ankaŭ kontraŭ diversaj problemoj de internaj organoj (digestorganoj, hepato, virinaj problemoj) kaj kontraŭ depresio, alergioj, doloroj krp. Kun granda nombro da seancoj, oni eĉ atingis certajn plibonigojn ĉe diabeto kaj cerba paralizo. Foje okazas ankaŭ miraklaj rezultoj, ke post unu aŭ nur kelkaj seancoj plene aŭ iom resaniĝas personoj, kiuj longe vane kuraciĝis per metodoj de la oficiala medicino.

Por perfektiĝi en tiu metodo oni devas lerni kaj havi plurjaran sperton. La kursojn organizas mem la s-ro Saionji, kiu en la lastaj 10 jaroj pli ol 100 fojojn tiucele vojaĝis al 40 landoj, kaj ĉefe kun helpo de lokaj esperantistoj, ĉar Esperanto estas la lingvo kiun li plej bone parolas, kaj kiun li efike propagandas per sia terapio. Ankaŭ liaj lernantoj post certagrada diplomo povas kuraci kaj instrui. En la mondo estas 50 esperantaj Yumeihoistoj, kaj pli ol 3.000 aliaj.

Oni povas dumkongrese aĉeti libron pri Yumeiho por amatoroj, kaj rigardi la terapion, aŭ mem ĝin ricevi.

Ekzistas ankaŭ ZAGREBA ESPERANTISTA KURACMETODO. Tio estas kurado inter la kongresejoj dekfoje tage. Ĝi reguligas la korpo-pezon kaj instigas la sangocirkuladon. Tamen la metodo de s-ro Saionji estas multe pli efika.

*Davor Klobučar*

## DOKUMENTITAJ RESANIĜOJ

Dum la dimanĉa prelego de Amikaro Bruno Gröning, la kuracistino Katja Büher prezentis dokumentojn pri resaniĝintoj, de virino surdeta pri la aŭdolinioj el la tempo antaŭ kaj post la resaniĝo kaj de virino suferinta osteoporozon la rezultojn de la mezurado de la ostodenseco. Krome, raportis pri sia resaniĝo la kongresanoj Detlef Meier de deprimoj kaj psikosomatikaj perturboj, Anneke de Waal de paralizo kaj Harald Hombach de dorsodoloroj. Je la fino estis prezentita la nova libro "Saniĝo per spiritaj fortoj laŭ la instruo de Bruno Gröning" de la medicina kuracisto Mathias Kamp, kiu estas havebla ĉe la Libroservo. En ĝi esta spli ol 200 koncizaj sukcesraportoj ordigitaj laŭ malsanogrupoj. Ripetoj de la prelego estos lundon, mardon kaj jaŭdon je la 16h30 en salono Velebit.

Detlef Meier k.n. 652

## IKEF DUM LA UK

Ronda tablo titolita "Ekonomiaj temoj pri Kroatio", organizita de Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo (IKEF) dum la zagreba UK, okazos sub aŭspicio de Kroata Ekonomia Ĉambro. Akcepto por la membroj de IKEF en la Zagreba Ekonomia Ĉambro okazos la 27-an de julio je 13h30. Salutparolos d-ro Zlatko Frohlich, la prezidanto de la Ĉambro. La programo konsistas el jenaj temoj: "Ekonomia situacio en Kroatio", "Kroatio kaj transiraj landoj" kaj diskuto pri la temoj. Oni diskutos ankaŭ pri ebleco perlabori kaj tiel kontribui al Esperanto-movado kaj pri kernaj solvendaj transirlandaj problemoj de transiraj kaj tutmondiĝo.

## NOVA EKSKURSO

Disponeblas nova grupo por ekskurso D6 (Cikonia vilaĝo Ĉigoč), jaŭdon. Samtage al tiu ekskurso veturos partoprenantoj de la Infana Kongreseto. En la busoj ekzistas liberaj lokoj. Biletoj estas aĉeteblaj ĉe la Ekskursa giĉeto.

## INTERNACIA ARTA VESPERO

Karaj kongresanoj! Artistoj!
Estas la lasta momento por via kandidatiĝo! Ni atendas vin lundon (la 23-an) je la 18h00 en la salono Špicer (teretaĝo de FER). Venu multnombraj!

**BONVOLU NOTI!** Kandidatiĝoj okazos ankaŭ mardon kaj jaŭdon de la 14h00 ĝis la 15h00.

**Ni bezonas PIANISTON** kiu bonvolus akompani kantantinon dum la Internacia Arta Vespero.

## EKUMENA DISERVO EN LA KATEDRALO DE ZAGREB

Multaj centoj da kongresanoj okupis preskaŭ ĉiujn sidlokojn de la plej impona preĝejo de la kongresa urbo por komune kanti, preĝi kaj aŭskulti. Pastoro Adolf Burkhardt, eksa prezidanto de KELI, elokvente predikis pri profeta teksto de Jesaja: NE TIMU! MI VOKOS VIN LAŬ VIA NOMO. Li atentigis, ke antaŭ 48 jaroj en la UK la protestantoj aparte diservis en Kristo-preĝejo; nenio eĉ sonĝis pri komuna arangô. Elstara orgenisto, KMD Erns Leuze (eklezia muzik-direktoro) akompanis la kantojn. Ĵam pasintan mardon li koncertis publike en la jezuita preĝejo "Koro de Jesuo". Pastroj el kvin landoj kuncelebris la eŭkaristion; ĉefcelebranto estis pastro Lajos Kobór el Hungario, kiu dum la ĵus pasinta 15-a Ekumena Kongreso sekvis kiel prezidanto de la Ekumena Komisiono de IKUE kaj KELI al la ĝisnuna prezidanto Adolf Burkhardt.

## LANDA AGADO

**Dimanĉe okazis la unua kunveno pri landa agado, kiu estis dediĉita al ĝeneralaj problemoj de la movado en diversaj landoj. Ĉeestis kaj partoprenis en la diskuto ĉirkaŭ 25 reprezentantoj de diversaj Landaj Asocioj. Evidentiĝis, ke multaj problemoj de la movado estas vere ĝeneralaj, t.e. la samaj en diversaj landoj. Dum pridiskuto de tiuj problemoj sub gvido de Michela Lipari (nova estraranino pri landa agado) kaj kun aktiva partopreno de Renato Corsetti (la antaŭa UEA-estrarano pri tiu fako) la reprezentantoj de diversaj landoj eksciis multon interesan por si el la spertoj de E-agadoj en aliaj landoj kaj el la sperto de koncerna UEA-agado.**

*G. Kokolija*

## ANONCETOJ

**VERDA DOMO DE A** - Vi trovos vin en la verda dometo, kiu situas en belega parko. Vi estas bonvena pasigi viajn libertagojn en Verda Domo de A, kie vi havos la eblon, parolante la Verdan Lingvon, uzi jenajn servojn: biblioteko, naĝejo, bankuvego por varm(eg)a bano, saŭno, ekzercejo, biliardo.
Kontaktu: Angelina Tarent (rete: angelina, letere: P.O. Box 9342, Scotsdale AZ 85252-9342, Usono, fakso: (602) 426 8131

MEDITADO ĈE LA SUNLEVIĜO
Interesuloj povas peti ĉe KN 528 tiun senpagan broŝureton de O.M. Aïvanhov, aŭ skribi al Eldonejo PROSVETA, CH-1808 Les Monts-de-Corsier, Svislando.

SINDIKATISTOJ - SINDIKATEMULOJ
**Bonvolu kunveni antaŭ la salono Emilija Lapenna, vendredon, la 27-an de julio je la 15h30. Tiam ni scios kie laborkunveni. Aliflanke, se interesitaj vi ne povas veni (aŭ konas aliajn esperantistajn sindikatistojn) bonvolu informi min.**
**Georges Sossoir, KN 687**

## TUTMONDA ESPERANTISTA VEGETARANA ASOCIO

TEVA kunsidis la 22-an de julio en la salono Spicer. Vegetaranoj el 16 landoj, kaj kelkaj simpatiantoj ĉeestis la kunvenon, kiun prezidis Christopher Fettes (Irlando), nova Honora Membro de UEA. Post mallonga klarigo pri la historio de la esperantista vegetarana movado - unue sub la nomo Internacia Unuiĝo de Esperantistaj Vegetaranoj, kies nova honora prezidanto estis ĉa verkisto Lev Tolstoj - la membroj konsentis pri Fonda Akto por leĝe konfirmi la nomon kiun portas la Asocio ekde 1954. Kroatino Zlata Nanic invitis la membrojn de TEVA al sia "eko-bieno Zrno". La Prezidanto disdonis ekzemplerojn de la kolorriĉa bulteno "Esperantista Vegetarano". La mallonga kunsido finiĝis per kelkaj valoraj kontribuoj de diversaj membroj.

Zagreba

86-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
ZAGREBO, KROATIO, 2001

# ALBUMO



KONGRESA KURIERO

mardon, la 24-an de julio 2001 Numero 4

## BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2001

**POEZIO**

*1-a premio:* Sten Johansson (Svedio) pro "La kvina forto";
*2-a premio:* Sten Johansson pro "Haŭto";
*3-a premio:* Mauro Nervi (Italio) pro "La floro kaj la frukto";
*Honora mencio:* Marie-France Conde Rey (Francio) pro "Pilgrimo";
Partoprenis 47 poemoj de 19 aŭtoroj el 14 landoj.

**PROZO:**

*1-a premio:* Paul Gubbins (Britio) pro "Gamp";
*2-a premio:* Lena Karpunina (Germanio) pro "La pluvo en Censtoĥovo";
*3-a premio:* Lena Karpunina pro "La demando de emancipiĝo".
*Honora mencio:* Lena Karpunina pro "Mirt" kaj Christian Rivière (Francio) pro "Fuĝo".
Partoprenis 16 verkoj de 10 aŭtoroj el 9 landoj.

**TEATRAĴOJ:**

Neniu premio aljuĝita. Partoprenis 3 verkoj de 1 aŭtoro.

**ESEO:**

*Premio Luigi Minnaja:* Jan Werner (Ĉehio) pro "Kulturo de komunikado";
*2-a premio:* Stefan MacGill (Hungario) pro "Kriptaj krucvortenigmoj en Esperanto";
*3-a premio:* ne aljuĝita.
Partoprenis 6 verkoj de 4 aŭtoroj el 4 landoj.

**KANTO:**

Premio Ahn Song-san pri Kanto: Anja Karkiainen kaj Vesa Pölkki (Finnlando) (resp. teksto kaj muziko) pro "Ĉaŭ, adiaŭ - ĝis revido!"
Partoprenis 4 kantoj de 1 aŭtoro kaj 1 aŭtora duopo el 2 landoj.

**INFANLIBRO:**

*Premio Infanlibro de la Jaro 2000:* eldonejo Sezonoj (Ruslando) pro "La hobito, aŭ tien kaj reen" de J. R.R. Tolkien, trad. Chris Gledhill kaj William Auld (kantoj).
Partoprenis 4 libroj de 4 eldonejoj el 4 landoj.

**VIDBENDO:**

Neniu kandidatiĝo partoprenis.

## NOVA EKSKURSO

Disponeblas nova grupo por ekskurso D6 (Cikonia vilaĝo Ĉigoĉ), ĵaŭdon. Samtage al tiu ekskurso veturos partoprenantoj de la Infana Kongreseto. En la busoj ekzistas liberaj lokoj. Biletoj estas aĉeteblaj ĉe la Ekskursa giĉeto.

## La renkontiĝo de radioaŭskultantoj kun radioredaktoroj

Ĉu vi scias, ke eĉ ekster la kongresa tempo vi povas troviĝi ĉiutage en la esperantlingva medio? Tiun ĉi ŝancon donas al vi la esperantlingvaj elsendoj de diversaj radiostacioj, kiujn vi povas aŭskulti en Eŭropo per mallongaj ondoj kaj persatelite, en la tuta mondo pere de la retradio.

UK en Zagrebo donas denove la ŝancon al diverslandaj readioaŭskultantoj kaj radioredaktoroj, al ĉiuj, kiuj la unuan fojon ekscias pri la ekzsito de radio-porgramoj en Esperanto por renkontiĝi, interŝanĝi la opiniojn kaj dialogi pri la plej gravaj problemoj de la geaŭskultantoj kaj radiostacioj. Ne maltrafu do la renkontiĝon de radioaŭskultantoj **marde, la 24-an de julio je la 14h30 en la Salono Maruzzi.**

## GREZIJONO REVIGLIĜAS

La Kultura Esperanto Domo de Grezijono en Francio estas kooperativea asocio kreita en 1951. Estas kastelo meze de granda parko (18 ha) Ĝi celas akcepti Esperanto-arangojn, staĝojn, prelegojn, kunvenojn ... k.t.p. Post gravaj malfacilaĵoj Grezijono nun revivas dank al monaj donacoj de multaj el vi kaj dank al bonvolemuloj, interalie dum la lab otsemajnfinoj. Tamen, mono estas daŭre bezonata por ankoraŭ plibonigi la situacion (hejtsistemo pliampleksigo, sekureca laboroj en la dua etaĝo...). Sed GREZIJONO vere bonfartos kiam, denove, multaj esperantistoj ĝin vizitos. Do, ni atendas vin multnombrajn ĉi-somere (ĝis la 18-a de aŭgusto) kaj dum venontaj jaroj. Ne hezitu kontakti nin dum la kongreso.

Jeanik Marolleau (KN 1351) respondecas pri la laboroj.

Christian Riviere (KN 349), konstatano

Daniel MOIRAND (KN 696) kaj François SIMONNET (KN 327) gvidas kursojn.

**Retadreso: http://greziljono.kastelo.free.fr/indekso.htm**

En la salono Ŝpicer okazas ĉiutage interesaj prelegoj kaj kursoj:

**MARDE kaj ĴAŬDE:**

14h00-16h00 Kurso pri japanstila pakado Huroŝiki

16h00-18h00 Kurso pri florpentrado Tomago

**MARDE:**

10h00 Lumbilda prelego pri la monda preĝtago (Madagaskaro, Venezuelo, Indonezio)

12h00 Plovdiv, la kongresurbo de IFEF 2001

**ĴAŬDE:**

10h00 La mensa mapo (teorio kaj praktiko)

12h00 Pri rusaj pentristoj per lumbildoj

Jaŭde je la 19h00 en la junulara amasloĝejo (Militista lernejo, strato Ilica 256b, tramo n-ro 2 de ambaŭ kongresejoj ĝis la fina stacio "Črnomerec"), okazos premiera montro de nova video filmo en Esperanto "Sovaĝa vivo de sudaj kanejoj" (10-minuta). La filmo estas profesie kreita de Ukrainia Birdprotekta Societo, kunlabore kun Junulara Esperanto-Klubo "Verdaĵo" (Odeso, Ukrainio) kaj Jokohama Esperanta Rondo (Jokohamo, Japanio). Ne preterlasu la eblecon sinki en freŝan verdan naturon, almenaŭ por 10 minutoj forkurante el hom-dom-mura etoso al somera akva mondo.

## PLIOFTIĜAS AŬTORAJ DUONHOROJ

Pro la granda interesiĝo ekde mardo okazos ĉiutage po tri aŭtoraj duonhoroj. Aldoniĝas al la horoj indikitaj en la Kongresa Libro tria horo, 13h30.

**Marde** je 11h30 Amri Wandel prezentos la jus aperintajn libron "La kosmo kaj ni: galaksioj, planedoj kaj vivo en la universo" kaj kompaktdiskon kun istaciaj kantoj.

Je 13h30 premieros la novelaro "La bato" de Lena Karpunina.

Je 16h30 Humphrey Tonkin parolos pri "Maskerado ĉirkaŭ la morto", militempa memorlibro de Tivadar Soros, kies duan eldonon li editoris, kaj similteman libron, "Kaoso en Budapeŝto" de Nina Langlet.

**Ĵaŭde** je 11h30 renkonteblos Trevor Steele, kies plej freŝa verko estas la famili-romano "La fotoalbumo".

Je 13h00 proze kaj kante sin prezentos Georgo Handzlik, eldoninto de la multaŭtora novelaro "Mondoj" kaj de la romano "La lada tambureto" de Nobel-premiito Günter Grass.

Je 16h30 vi povos renkonti aktorinon-aŭtorinon Jadwiga Gibczyńska, kiu adaptis al teatro la rememorojn "De tajgo al minaretoj" de Ada Fighiera-Sikorska.

## LA SOLDATO DE KAPESTRANO

*Transdono de la trofeo "La Soldato de Kapestrano" al Petro Chrdle memore de Stanjo Chrdlova kun prezento de videofilmo pri ŝia vivo.*

Vendredon la 27-an de julio je la 14h00 en salono Ŝpicer estos transdonata de la prezidanto de la juĝkomisiono de la premio Renato Corsetti al Petro Chrdle, nome de la prezidanto de Regiono Abruzzo, kiu disponigis la trofeon, la premion "La Soldato de Kapestrano" asignitan al Stanjo "pro sia tutviva dediĉiteco al Esperanto, pro siaj instruaj kaj ĝenerale kulturaj agadoj en la Esperanto-movado ankaŭ en periodo, kiam suferante pro tre grava malsano, ŝi heroe daŭrigis siajn agadojn". Fakte oni estis ege tuŝitaj de la travivaĵoj de Stanjo rakontitaj en la leteroj de Petro "al karaj amikoj dise en Esperantujo" kaj oni rememoris Stanjon tiel serioze engaĝitan en prizorgado de SAT-kongreso de Karlovy Vary kaj Ceske Budejovice: ŝi prelegis, kantis, dancis sed en ŝiaj okuloj, kiel en tiuj de Petro, ne videblis ĝojo. Oni proponis la asignon al Stanjo pro tiaj konsideroj kaj oni ĝojas ke oni povas nun iomete revivigi ŝin.

La sekretario de la premio Giorgio Bronzetti gbronzetti@infinito.it

## KUNVENO DE EŬROPA ESPERANTO-UNIO

Ne atendite amaso (pli ol 100) da interesemuloj partoprenis EEU kunvenon lunde antaŭtagmeze en salono Velebit. Feliĉe kreskas la interesiĝo pri la "Malnovkontinenta" agado. Kiel "**Brilu ĉiuj lingvoj samrajte**", prilumigis László Gados (Kn: 1090), la aŭtoro de la originale esperante aperinta verko. Estis bona oportuno konatigi la publikon kun tiu ĉi materialo, kiu origine aperis nur en la reto. La teksto eldoniĝis jam broŝurforme krom Esperanto ankaŭ en pluraj lingvoj en kaj ekster Eŭrop Uniaj: nome en la : finna, franca, germana, galega, hispana, hungara, itala kaj serba; okaze de la "**Eŭropa jaro de lingvoj 2001**". Anna Ritamäki (Kn 1650) informis pri, kaj instigis partoprenon en tiu projekto, kies konusito ŝi estas flanke de Eŭropa Esperanto-Unio. Komputile vi trovas informojn ĉe: **www.groups.yahoo.com/group/jaro-de-lingvoj-2001**. Al tiu rilatis ankaŭ kiel spektakla ero la aranĝo de "**Euroscola**", pri kio detalojn ni eksciis de Claude Nourmont (Kn: 1234). Por havigi al ni fidon de estonte okazontaj samtipaj aranĝoj konigis al ni la projekton "**Echange**" Michael Cwik (Kn: 1239). Temas pri uzado de Esperanto kadre de ĝemelurbaj rilatoj. Laŭ opinioj, ke Esperanto bezonas taŭgan **informejon en Bruselo** (sidejo de EŭropUniaj instancoj) por gardi lingvan egalrajtecon, kontinuas la klopodoj pri starigo de oficejo tie. Pri tiuj preparlaboroj ni ricevis informojn de Hans ten Hagen (Kn: 972) kasisto de EEU. Por havi imagon pri **klopodoj de estontaj EU-landoj** Oszkár Princz (Kn 164) la estro de Kunordiga Komisiono pri Konsultiĝo de Orienteŭropaj Landaj Asocioj informis ĉeestantaron.

Por eventualaj demandoj pri EEU agado turnu vin al la koncize resumanto:

Katinjo Fetes-Tosegi (Kn: 1576)
Sekretario de EEU
<roi.esperanto@orf.at>

En la junulara amasloĝejo okazos INTELEKTAJ LUDOJ. Kiu deziras provi sian spritecon, kontroli la scion de Esperanto, entute fari agrablan cerbgimnastikon

# KONCIZE

**ILEI PLANAS** - Sesdek instruistoj kaj interesatoj ĉeestis la fakkunsidon por ricevi de la prezidanto Maŭro la Torre novajn planojn por trejnado de instruistoj kaj universitata agado. Instruistoj mem interesiĝis pri valoraj spertoj kaj zorgoj. Venu mardon al Tago de Lernejo por informiĝi i.a. pri la rezultoj de la unua fazo de Projekto Interkulturo. ILEI-budo invitas vin rigardi kaj aĉeti.

Jenifer Bishopo, KN 861

**ASOCIO DE ESPERANTISTOJ-HANDIKAPULOJ** prezentos sin al vi marde antaŭtagmeze ĉe sia eta stando. Ĝi ekzistas jam 15 jarojn.Al interesitoj ni rakontas pri nia agado, pri lingvaj seminarioj, kiuj estas tiel ŝatataj. Dum septembro 2002 okazos la Kvara kongreso en kuracloko Janová Lazně en nordo de Ĉeĥa Respubliko.

KN 602

**LA INTERNACIA KORUSO** komencis sian tradician ekzercadon (salono Mjeda en la koncertejo Lisinski). Ĉiuj malnovaj kaj novaj gekonatoj estas petataj regule partopreni!

**GEGEJOJ KUNVENIS** - Dimanĉon la Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj faris sian jaran ĝeneralkonvenon. Oni elektis novan estraron. Prezidanto denove estas Arnold Victor el Novjorko, kiel sekretario/ kasisto plue funkcias Rolf Kohler el Germanio, redaktoro de la membrogazeto nun estas Andreas Nordskom el Svedio. Krome elektitaj estis la francoj Gilbert Grignaschi kaj Francis M. Soghomonian. La ĉeestantoj traktis financajn aferojn , speciale sub la kondiĉoj de la eŭro. Oni decidis, ke la gazeto "Forumo" nun ankaŭ en interreto aperos kaj pli kaj pli anstataŭigos la per poŝto sendatan paperan version. Kun ĝojo oni konstatis, ke la diskutrondoj en interreto vigle funkcias kaj decidis renovigi la paĝojn de LSG en interreto. La sekvanta ĝeneralkunveno okazos en Fortalezo.

KN 1255

**LA AFRIKA BUDO DONACAS .... BELEGAJN BILDKARTOJN AFRIKAJN** - Ĝuigu la kongreson al Afrikanoj kiuj nun sidas en Afriko dum vi ĉi tie iras de unu kunveno al la alia. Sendu salutojn al (unu el) ili per (unu el la) bildkartoj, kiujn la Afrika Budo senpage donacas. La budo liveras ankaŭ adresetikedojn. Vi mem aĉetos la poŝtmarkon, per kiu vi afrankos la karton. Certe vi, kiu nun tute libere decidas helpi al la disvastigo de Esperanto en Afriko, ne ŝatus senpage ricevi kartojn. Tial antaŭvidu monerojn kontraŭ ricevo de unu karto: almenaŭ kvin kunaoj. Kaj ĉiu povas libere senigi sin je monbiletoj kiuj ŝimiĝos en monujoj aŭ poŝoj. Disponigu ilin al la Afrika Agado ĉe la Afrika budo. La movado per donacoj progresos. Vivu la tutmondiĝo!

Gbeglo Koffi

**LA 9-a Togolanda Esperanto-Kongreso (TEK)** - En decembro okazos la 9-a TEK kun antaŭ kaj postkongresoj en Ganao kaj Benino. La prezidanto de UEA, Renato Corsetti kongresos kun la afrikanoj en la togolanda historia urbo Togoville. Jam kvin jarojn la nacia kongreso togolanda fariĝas regiona. Ĝin partoprenas esperantistoj el la najbaraj landoj Ganao kaj Benino. Krome, venas ankaŭ esperantistoj el Niĝerio kaj Kotdivuaro. La 9-a TEK havos apartan etoson pro la partopreno de eksterafrikanoj. Krome, d-ro Renato Corsetti, ankaŭ la belgino Agnes Geelen certe venos al Togolando. Tiu lasta estas la estro de la karavano kiu tiam vizitos Afrikon. Ŝi havas jam kontaktojn kun aliaj gesamideanoj el Belgio kaj el aliaj landoj eksterafrikaj. Pli da informoj haveblas ĉe la Afrika budo, kiu disponigas al ĉiu faldfoliojn pri la kongreso.

Gbeglo Koffi

**FERVOJISTA KONTAKTKUNVENO** - Lunde, la 23-an de julio, matene kunvenis 50 gekolegoj el 14 landoj en la salono Velebit. Prezidis inĝ. István Gulyás, vicprezidanto de IFEF. Li raportis pri la 53-a IFEF-kongreso, okazinta en la urbo Tábor (Ĉeĥio). S-ro Zlatko Hinŝt, zagreba fervojisto, prelegis pri la kroatiaj fervojoj. Kadre de la diskutoj la ĉeestantoj interesiĝis pri la venontjaraj fervojistaj aranĝoj, precipe pri la sekvonta IFEF-kongreso. Ĝi okazos en bulgara urbo Plovdiv. Kelkaj kolegoj proponis disvastigi la fervojistan Esperanto-movadon kunlabore kun aliaj trafikaj esperantistoj. Post la kunveno parto da ĉeestantoj vizitis la lokaj vagonriparejon "Gredelj". Oni prezentis la detalojn de la fabrikado. La prezentadon sekvis gastigado, en kies kadro la ĉeestantoj pridiskutis la hodiaŭan fervojistan programon, kaj ĉiuj taksis ĝin altnivela.

KN 265

**JARKUNVENO DE MEDICINISTOJ** - Lunde, la 23-an de julio antaŭtagmeze en salono Takac okazis la kunveno kun 40 partoprenantoj el 13 landoj. Prezidis d-ro I. Ferenczy. La partoprenantoj rememoris pri d-ro Hideo Shinoda, iama prezidanto de UMEA okaze de lia 100-jara naskiĝdatreveno. Aperis memorlibro kun historiaj fotoj. Krome aperis 760-paĝa Angla-Esperanta medicina terminaro verkita de prof. S. Yamazoe. La ĉi-jaran UMEA-Shinoda premion ricevis la Budapeŝta Medicina Esperanto-Fakgrupo.

KN 464

**PROJEKTO "50-JARA JUBILEA LIBRO PRI LA ESPERANTISTA KULTURDOMO GRESILLON (GREZIJONO)"** - Publikigo planata por 2001. Paĝoj: ĉ. 310. Ilustraĵoj nigrablankaj kaj koloraj (bonkvalite reproduktotaj)! Prezo nun proponata 330 FF/50 eŭroj. Geamikoj de Grésillon, vi povas helpi tiun publikigon sendante aŭ libervolan kontribuaĵon, aŭ via(j)n antaŭmendo(j)n al unu el la jenaj kontoj: ĉe UEA, jugr-g (nur por pago per eŭroj el ekster Francio, pere de H. Bakker, Kastelenstraat 231, 1082 BG Amsterdam, Nederlando, aŭ Marie-Thérèse Lloancy, Bordeaux 5 908 97 A. Informas: M. T. Lloancy, 6 rue Saint-Michel, FR-64000 Pau, Francio. Koran antaŭdankon!

KN 369

**KONCERTO DE OK SAMTEMPE**
**Ĵaz-koncerto en la enireja parto de la FER-kongresejo**

**ĵaŭdon, je la 17h00.**

**KONCERTO** - Kadre de la 86-a UK, dimanĉon la 22-an de julio en plena salono "Ivo Lapenna" okazis koncerto de kroata muziko. En la unua parto, partoprenis Martina Zadro soprano, Miljenko Duran, tenoro kaj Lena Bradić kiel pianistino. Ja temis pri elstaraj kroataj muzikaŭtoroj Bersa, Pejačević, Zajc kaj Hatze kaj pri ilia klasika muziko. La duan parton de la koncerto la programon efektivigis Matija Dedić, Milo Stavros kaj Mladen Bojaković, realigante la aŭtorajn komponaĵojn de Matija Dedić. Ĉi tie temis pri ĵazo, kiu baziĝas plimulte sur la eŭropa ol sur la amerika tradicia muziko. Tiu ĉi ĵazo kategorio estas tre ŝatata, kion pruvas multnombraj premioj - inter kiuj 4 premioj 'Porin', kroata plej grava premio por muziko, atribuata de Kroata Societo de Komponistoj.

KN 159

**RAPORTO PRI KUNSIDO DE INTERNACIA NATURKURACISTA ASOCIO (INA)** - La kunsidon gvidis vicprezidanto de INA, naturmetoda kuracisto Harald Schicke (KN 793), kiu prezentis la celojn de INA kaj prelegis pri "Kio estas Naturkuracado?". S-ro Jurković (KN 353) parolis pri la saniga efiko de pomvinagro kaj gustumigis ĝin. Vicprezidanto Sajonji Masayuki (KN 268) prezentis Yumeihon (koksosto-ĝustiga masaĝo) kaj la planitan INA-konferencon. S-ro Meier (KN 552) klarigis la saniĝon per spirita forto, dum s-ino Pyhälä (KN 329) prelege kondukis la cent aŭskultantojn en finnan saŭnon.

**ATEO** - Sukcesis budo de ATEO, ĉefe pro la najbareco de tiu budo al EKUMENA KOMISIONO de KELI (kristanoj), kies ĝentila kaj paca apudeco pruvis, ke milito estas tute nenecesa kaj ke dialogo inter kulturoj estas tiel ebla kiel dezirata.

KN 288

**GEPATROJ!**
**En kadro de la "Tago de la lernejo" (9h30 - 13h30) de la 10h00 la partoprenantoj de la Infana Kongreseto donos kelkminutan programon. Poste vi povos kunesti kun viaj infanoj ĝis la tagmezo (la reiro al la Junulara Urbo).**

KN 1083

## KONGRESA STAMPO

**Kongresa stampo estas ricevebla sur viaj poŝtaĵoj en la ĉefa poŝtoficejo en la strato Jurišićeva.**

## ANONCETOJ

**LA LONGATENDITA "ETIMOLOGIA VORTARO DE ESPERANTO", VOLUMO 5, NUN HAVEBLAS EN LA LIBROSERVO.**

**PETVETURO** al Roterdamo (Nederlando), aŭ al Londer Zeel (Belgio) aŭ al Strasburgo (Francio)! Du personoj, kun bagaĝo: Anita Márki kaj Ludoviko Niederfringer el Hungario. Ni loĝas en la Fervojista hotelo, Palmotićeva 59 (7/II).

**MAZDAZNAN** vivscienco. Informado pri natura salubra vivmaniero, nutrado. Retadreso: nieder@freemail.hu

**BONVOLU HELPI - PERDIĜIS LA MONUJO !!!**
**S-ro CHARLES ALAN SHRIVES (KONGRESA NUMERO 463) EL BRITIO PERDIS IE SIAN MONUJON. EN ĜI ESTIS BANKOKARTOJ. SE IU TROVIS ĜIN, BONVOLU LASI ĜIN ĈE LA INFORMEJO. DANKON !!!**

Politologoj kaj sociologoj de ĉiuj landoj - unuiĝu! Mi atendas samprofesiajn kolegojn pri politologio, sociologio, internaciaj rilatoj, ĉiutage ĉe mia en ketad anonco kontraŭ la registrejo en salono Primošten - la granda koridoro.
Valentin Seguru (KN 1396)

---

**ADRESOJ MANKANTAJ EN LA KONGRESA LIBRO**
738 Maurice Gourichon, "chantoisean", Littré, 49320 St Saturnin sur Loire, Francio
739 Geneviève Gourichon, "chantoisean", Littré, 49320 St Saturnin sur Loire, Francio
752 Thierry Gourichon, "chantoisean", Littré, 49320 St Saturnin sur Loire, Francio

---

**NOVA ELDONAĴO EL MAKEDONIO**
Estas eldonita nova kompaktdisko "Ekkonu Makedonion", kiu enhavas versojn en Esperanto kaj makedonan muzikajn erojn. Eldoninto estas "Estonto" (E-societo) p.f. 197, MK-7500 Prilep, Makedonio. Aĉetebla en la Libroservo.

## BILDKARTOJ PRI KROATIO

Diversaj Esperantaj bildkartoj pri Kroatio (interalie pri la kongresaj ekskursoj: ekzemple Lagoj de Plitvice, regiono de Zagorje, Dubrovnik ktp.), kaj bildkartoj kun la kongresa simbolo aĉeteblas en la Libroservo.

**PERDITA SAKO TROVITA**
**Estas trovita la sako kun la nomo de Peter Kühnel, kiu povas transpreni ĝin en la Informejo.**

Zagreba
86-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
ZAGREBO, KROATIO, 2001

# ALBUMO

KONGRESA KURIERO

merkredon, la 25-an de julio 2001 Numero 5



## TERMINOLOGIA FORUMO

La trihora kunveno okazis lunde la 23-an posttagmeze kaj altiris 60 partoprenantojn. Post enkonduka resumo de la historio de streboj reaktivigi la Terminologian Esperanto-Centron (TEC) de UEA fare de Petro Chrdle (KN 85), kiu ankaŭ rememorigis la ĉeestantojn pri la ekzisto de la reta diskutrondo «terminologio-l» kaj prezentis nove eldonitajn librojn kun rilatoj al terminologia agado, sekvis enkonduko en la problemaron fare de Detlev Blanke (KN 132). La tre vigla diskuto montris la konscion pri la neceso de altkvalita faka lingvo, starigis demandojn pri taŭgaj metodoj kaj informis pri rezultoj kaj projektoj. El la forumo eblas konkludi, ke:

- la terminologia forumo okazu dum ĉiu Universala Kongreso,
- daŭru la provoj reaktivigi TEC alvokante laborpretajn kaj kompetentajn homojn,
- necesas trovi kunordiganton por la terminologia diskutgrupo, kiu servu kiel konstanta spertinterŝanĝejo kaj informejo,
- dezirindas trejna seminario pri terminologio kun teoria kaj praktikaj partoj.

Tiu seminario estu preparita, i.a. en la reto.

KN 132 kaj 858

## KONCERTO de "ESPERANTO-DESPERADO"

### Merkredon, la 25-an de julio en Kafejo "Melin", Tkalčićeva strato. Komuna ekiro je la 19h30 antaŭ FER.

La k-disko "Jen Venas - brokantajoj" de Esperanto-Desperado elĉerpiĝis en la libroservo. Sed vi povas mendi ĝin rete sur la hejmpaĝo: ttt.esperanto.dk/desperado. Tie vi ankaŭ povas gajni la k-diskon se vi tradukos la tutan paĝaron al via lingvo.

Fine, la bando havas alian konkurson. Verku novan strofon por la kanto "Feliĉe" kaj gajnu la poem-kolekton "Memevoluo kaj dancantaj figuroj" de Maria Amanta Smilet. Ŝi skribis la unuan strofon kaj la refrenon, kaj la duan strofon aldonis akademiano Bertilo Wennergren. Nun estas via vico: verku la strofon kaj donu ĝin al KN 1658 aŭ sendu rete al amnha@hotmail.com. La signifo de la vortoj devas kongrui kun la resto de la poemo kaj la metriko devas esti respektata... Feliĉon!

## AŬTORAJ DUONHOROJ

**Ĵaŭde** je 11h30 renkonteblos Trevor Steele, kies plej freŝa verko estas la famili-romano "La fotoalbumo".

Je 13h00 proze kaj kante sin prezentos Georgo Handzlik, eldoninto de la multaŭtora novelaro "Mondoj" kaj de la romano "La lada tambureto" de Nobel-premiito Günter Grass.

Je 13h30 Marko Polo post sepcent jaroj ree vojaĝos kun la aŭskultantoj, sub ĉiceronado de Daniel Moirand, kiu tradukis lian verkon "La libro de mirindaĵoj".

Je 16h30 vi povos renkonti aktorinon-aŭtorinon Jadwiga Gibczyńska, kiu adaptis al teatro la rememorojn "De tajgo al minaretoj" de Ada Fighiera-Sikorska.

## VENONTAJ UK-oj: FORTALEZO

Sinjoro Marcos Pompeu, sekretario pri Turismo de Fortalezo, prelegos kaj prezentos etan filmon pri la gastiga urbo de la 87-a UK o kaj pri Brazilo,

**vendrede, je la 14h30 en la salono Ivo Lapenna.**

Estos lotumitaj surprizaj donacoj inter la partoprenantoj de la prelego.

## NOVAJ HONORAJ MEMBROJ DE UEA

Muztar ABBASI (nask. 1931), Pakistano
Aref AZARI (nask. 1924), Irano
Lucija BORČIĆ (nask. 1921), Kroatio
DAO Anh Kha (nask. 1923), Vjetnamio
Christopher FETTES (nask. 1937), Irlando
Lina GABRIELLI, Italio
Claude GACOND (nask. 1931), Svislando
Mila VAN DER HORST-KOLINSKA (nask. 1927), Nederlando
Ebbe VILBORG (nask. 1926), Svedio

## RENKONTIĜO DE RADIOAŬSKULTANTOJ

Marde posttagmeze la salonego Maruzzi fariĝis vera fotumo de radioaŭskultantoj, kiuj havis la okazon renkontiĝi kun redaktoroj de kvar radiostacioj. En plena salonego redaktoroj de kvar radiostacioj, kiuj havas longdaŭran tradicion en la emisiado de esperantlingvaj programoj: Radio Polonia, Ĉina Radio Internacia, ORF kaj Radio Havano Kubo traktis aktualajn problemojn de radiostacioj. Marica Gutierrey el Kubo, Katinjo Fetes Tosegi el Aŭstrio, Barbara Pietrzak el Pola Radio kaj Liu Junfang el Pekina Radio unue prezentis la situacion en siaj radiostacioj kaj la rilaton de la radio-aŭtoritatoj al esperantlingvaj redakcioj. Tiu situacio varias en unuopaj landoj, sed oni ĝenerale traktas ilin samrange al alilingvaj redakcioj de koncernaj radiostacioj. Samtempe evidentiĝis, ke iuj redakcioj frontas la malfacilan situacion pro la malgrandaj redakciaj skipoj. Flanke de la redaktoroj de la Esperantlingvaj programoj estis reliefigita la senĉesa signifo kaj rolo de la korespondaj reagoj de la aŭskultantoj je la emisiataj elsendoj. En tiu ĉi kunteksto aŭdiĝis la atentigo de la aŭskultantoj pri la graveco de la korespondaj statistikoj, prezentataj ne nur en la elsendoj mem, sed ankaŭ en la esperanto gazetaro. La aŭskultantoj en siaj rimarkoj multan atenton dediĉis al la aŭskultado per la mallongaj ondoj, kies aŭdebleco varias. La diverslandaj aŭskultantoj rilatiĝis sin ankaŭ al la problemoj de la programenhavo kaj programnivelo de la unuopaj Esperantlingvaj elsendoj.

Red. Barbara Pietrzak gvidanta la kunvenon informis la aŭskultantojn pri la ĉiutagaj elsendoraportoj pri la kongreso el Zagrebo, kiuj samtage estas emisiataj el Varsovio, kaj pri la kolektataj sonmaterialoj, kiuj kutime aŭdiĝas en la postkongresa periodo en la elsendoj de Pola Radio. Apartan rolon en la reaŭskultado de la kongresaj sonraportoj ludas la sonarkivejo de Anton Oberndorfer http://www.start.at/retradio.

Vendrede en Zagrebo Pola Radio realigos sian vivantan, pertelefonan Leterkeston, kiu aŭdiĝos jam dum la postkongresa, dimanĉa E-elsendo de Pola Radio.

La renkontiĝo de la radioaŭskultantoj praktike servis al la intimigo de la kontaktoj inter la redaktoroj de la E-Redakcioj kaj la geaŭskultantoj. Ĝi konfirmis la valoron de la E-programoj, rolantaj kiel ĉiutaga lingvomedio por la esperantistoj en la tuta mondo.

## RONDO FAMILIA

Pli ol tridek kongresanoj kunvenis marde en la kunveno de Rondo Familia, vigle diskutante tre diversjan temojn kiel la gravecon kaj unikecon de la Internacia Infana Kongreseto.

Meze de la diskuto invadis la ŝionon kelkdekoj da infanoj de la Zagreba infana kongreseto kiu ĝuste tiutempe vizitis la kongresejon, provizinte la plej aŭtentikan pruvon pri la vigleco kaj grandeco de tiuj ĉi kongreseto, pri kiu rakontis ĝia gvidanto Ankica Jagnic.

Amri Wandel atentigis pri la aĝo breĉo inter la infana IIK grupo kaj la gejunuloj de la TEJO aĝo. Oni konkludis ke estas bezonata tauga kadro kaj atento por ke gejunuloj en tiu aĝo grupo ne malaperu de la movado. Oni menciis la ILEI gimnazion kaj la junularan UK programon kiel eblaj rimedoj. Oni devas trovi kombinon de ekstera kadro kaj libera fiksado de la programo far la gejunoj mem. TEJO povas ludi gravan rolon en tio.

Oni diskutis pliajn temojn kiel libroj kaj retpaĝoj por la adoleska aĝo, kontakto kun kaj inter la familioj en la listo de RF (kies nombro jam superas 350) kaj la cirkulajon Familia Esperanto kiun prezentis ĝia redaktorino Katarina Bodnarova. Gvidis UEA komisito pri Rondo Familia, A.Wandel

La faka asocio de esperantistaj sociallaboristoj (ASLE) invitas ĉiujn interesatojn viziti prelegon de s-ino Suzana Đeriĉa' pri sociala laboro en Kroatio, **ĵaŭde, 14h00 - 15h00, salono Sekelj.**

Eblas demandoj kaj diskuto.

Tuj poste okazos nur por membroj la jarkunveno de ASLE.

KN 223

oooooo

**RONDO KATO** (Mardo, 10h45)

Ĉeestis almenaŭ 50 anoj. La prezidanto malfermis la kunsidon kaj klarigis pri la aktuala situacio. La malnova estraro estis reelektita aklame. Francisco Veuthey parolis pri la gazeto *Folioj de Kat-Amikaro*. Libera diskutado sekvis, pri diversaj kataj aferoj, inter ili valora diskuto pri la problemoj de katoj en senĝardenaj kaj eble altaj apartamentoj. Rondo Kato ricevis plurajn renovigitajn kotizojn kaj 5 novajn anojn.

oooooo

Tutkore ni gratulas Solomean Fajuk el Ukrainio (KN 884) okaze de ŝia 14-jariĝo - ŝi naskiĝis ĝuste 100 jarojn post la apero de la Unua Libro - la 26 an de julio 1987.

KN 472

oooooo

**TV-Filmo "Sovaĝa vivo de sudaj kanejoj",10 min en E-o.** - **Ĵaŭde, la 26-an,** je 11.30, je 12.30 kaj 16.00 en la libroservo, sed ne dum la aŭtoraj prelegoj. La filmo montras ĉefe birdojn en la Dnjestro-Delto. Reĝisoro: Stanislav Tibatin; kunlaborantoj: Ukrainia Birdo-Protekta Societo, Junulara Esperanto-Klubo Verdaĵo kaj Yokohama Esperanto-Rondo. KN 1649 (T.Auderskaja)

PAROLADOJ

## s-ro MILAN BANDIĆ, URBESTRO DE ZAGREBO DUM LA INAŬGURO DE LA MONUMENTO "FUTURO" - la 22-an de julio

Estimataj sinjorinoj kaj sinjoroj,

Elkore mi salutas vin. Elkoran bonvenon en Zagrebo aparte mi deziras al la altestimataj kaj karaj gastoj: sinjoroj Jesper Nergaard, d-ro Reinhardt Selten kaj Ludoviko Zalesky Zamenhof, kaj al la estimataj membroj de iliaj familioj kiuj hodiaŭ estas ankaŭ kun ni.

Nia urbo hodiaŭ fariĝis pli riĉa je tre bela skulptaĵo "La Futuro", de la moderna dana skulptisto, nia estimata gasto Jesper Nergaard, kiu rememorigos nin pri la Universala Kongreso de Esperanto kiu jus komenciĝis en Zagrebo, kaj pri la noblaj mesaĝoj kiujn Esperanto disvastigas tra la mondo. La skulptaĵo simbolas harmonion, amikecon kaj kunlaboron, kio estas kondiĉo por pli bona futuro al ĉiuj popoloj en la mondo, kion ni en Kroatio, post la al ni trudita milito, kapablas tre alte taksi. Plaĉas al mi la fakto ke la skulptaĵo estas starigita antaŭ Ekonomia Fakultato, kiun frekventas gejunuloj el Zagrebo kaj el ĉiuj partoj de Kroatio, ĉar "La Futuro" rilatos plej trafe ĝuste al ili.

Estimata sinjoro Nergaard, vi faris al ni grandan ĝojon. Tiu ĉi tre bela kaj granda skulptaĵo plinobligis ĉi tiun urbanisme ordigitan urboparton, en kiu troviĝas precipe publikaj konstruaĵoj, inter kiuj la skulptaĵo tre bone harmonias. Tutkoran dankon al vi pro tiu belega donaco al la urbo Zagreb.

Mi uzas la okazon por diri ke estas por ni honoro gastigi grandan tutmondan familion de esperantistoj, al kiu apartenas ankaŭ niaj hodiaŭaj estimataj gastoj. Ni kredas kaj ni esperas ke vi denove venos al ni kiel karaj amikoj.

## s-ro REINHARD SELTEN, NOBELPREMIITO DUM LA INAŬGURO DE LA MONUMENTO "FUTURO" - la 22-an de julio

Mi ĝojas ke mi hodiaŭ povas ĉeesti la inaŭguron de la skulptaĵo "Futuro" fare de la fama dana skulptisto Jesper Nergaard.. La monumento trovis tre bonan lokon en tiu bela parko antaŭ la ekonomika fakultato kaj tiel ligas Esperanton kaj la ekonomiscienco kiuj ambaŭ estas grava parto de mia vivo. Mi gratulas kaj dankas al ĉiuj kiuj helpi la realigon de tiu inda memoraĵo je la ĉijara kongreso en Zagrebo kaj mi esperas ke ĝi nin instigu al plua laboro por plibonigo de la mondo pri Esperanto.

## s-ro L. C. ZALESKI-ZAMENHOF DUM LA INAŬGURO DE LA MONUMENTO "FUTURO" - la 22-an de julio

Sinjoro urbestro, gesinjoroj,

Mi ĝojas povi inaŭguri tiun elstaran monumenton, starigitan en la bela urbo Zagrebo, urbo mezeŭropa, fiera de sia riĉa historio, de sia nobla pasinteco, sed urbo turnita hodiaŭ al sia estonto, prospera ene de la demokrata Eŭropo. La monumento nomiĝas LA FUTURO, ĉar ĝi ĝuste la estonton simboligas. Kaj okazas ke ĝia inaŭguro samtempiĝas kun la Universala Kongreso de Esperanto kuniganta reprezentantojn de kvindek ses landoj de nia terglobo, ĉiuj prononcantajn la ideon jam ankaŭ riĉan de historio, sed ankaŭ ĉefe turnitan al la estonteco.

Tiel ĉiuj: la urbo, la monumento kaj la lingvo internacia orientigas niajn pensojn al la estonto de la mondo. Ni ĉiuj kontribuu por ke ĝi estu estonto feliĉa, estonto de bonstato, de toleremo kaj de paco. Mi gratulas la skulptiston Jesper Nergaard pro lia verko tiusenca.

Longan vivon al la monumento, iam esperita de mia foorpasinta amiko Ivo.

SALUTMESAĜOJ

# MESAĜO DE UNESKO

Estas ja mia plezuro transdoni miajn bondezirojn al la partoprenantoj de la 86-a Universala Kongreso de Esperanto en Zagrebo, Kroatio, pri la temo "Kulturo de dialogo - dialogo inter kulturoj".

Unesko aparte sin koncernas pri tiu ĉi temo, unue rilate ĝian mandaton antaŭenigi Kulturon de Paco, kaj due, kaj pli aktuale en la nuna jaro, en la kadro de la Jaro de Unuiĝintaj Nacioj pri Dialogo inter Civilizoj. La fakto, ke la Universala Kongreso de Esperanto sin dediĉas al tiu ĉi Jaro de Unuiĝintaj Nacioj, estas aparte signifa al Unesko. Neregistaraj organizaĵoj kiel la via ludas gravan rolon en antaŭenigo de la celoj de Unuiĝintaj Nacioj, kaj Unesko alte taksas siajn jam longedaŭrajn rilatojn kun Universala Esperanto Asocio.

Lingvoj kaj lingva diverseco konsistigas ŝlosilon al la interkultura dialogo. Ĉar estas la lingvo mem kiu esprimas la komunan historion de kulturo kaj ebligas al ĝiaj membroj komunikiĝi inter si. Je la sama tempo, estas la lingvo tiu kiu povigas kulturojn interŝanĝi ideojn kaj prunti kaj adaptiĝi inter si. Same estas la lingvo, tiu kiu permesas al ni komune dividi niajn ideojn pri la mondo sur tereno de kultura diverseco, kaj malsami dum ni samtempe festas nian komunan homecon. Fine, estas la parolado kaj aŭskultado unu al alia tio, per kio ni atingas kompreniĝon tiel esencan al paca kunekzisto. La laboro de Unesko en edukado, komunikado kaj kulturo daŭre emfazas la gravecon de plurlingvismo kaj de konservado de lingva diverseco en tutmondiĝanta terglobo. Tamen, ni rekonas ke nia diverseco neniam estu uzata kiel preteksto por perforto aŭ konflikto. Jen nia defio. Ni komune dividas defion kun niaj kunlaborantoj tra la mondo, kiel ekzemple vi kiu dediĉis sin al la celoj de la dialogo inter civilizoj.

En tiu ĉi kadro ni alte taksas la laboron de la Universala Kongreso de Esperanto, ĉar vi antaŭenigas la lingvon kiu estas ilo de dialogo inter civilizoj, kaj ne fiksis siajn radikojn en la kulturo aŭ intelekta tradicio de difinita grupo de nacioj.

Mi deziras al la Kongreso ĉian sukceson!

John Daniel
Asista Generala Direktoro
pri Edukado

## dr. Michael Häupl, urbestro de Vieno

(tradukita de Walter Klag)

Saluton!

Kiel urbestro kaj landestro de Vieno mi ege ĝojas ke nia ĝemela urbo Zagrebo ĉijare estas la ejo de la Universala Kongreso de Esperanto, en kiu oni atendas partoprenantojn el 63 landoj. Tiu kongreso estas modela aranĝo de interhoma renkonto, kiam miloj da homoj el plej diversaj landoj kunvenas por lingva interŝanĝo. Krome mi ĝojas, ke la Internacia Esperanto-Muzeo de la Aŭstria Nacia Biblioteko posedas la plej grandan kolekton pri Esperanto kaj interlingvistiko kaj kontribuas, ke diverslingvaj homoj povu kompreni unu la alian pli facile. Ekde pli ol 100 jaroj Esperanto montras sin en ĉiutaga uzo kiel kompleta kaj viva lingvo, per kiu oni povas redoni ĉiajn detalojn de la homa pensado.

En tiu senco mi deziras multe da sukceso al la Esperanto-Laborkomitato kaj al ĉiuj partoprenantoj de tiu mondkongreso en Zagrebo, kiu ligas la popolojn.

Korajn salutojn!

Dr. Michael Häupl

## Yorikane Masumoto, urbestro de Kyoto

al la zagreba urbesto s-ro Milan Bandić

Kara urbestro Bandić,

Kun granda plezuro mi prezentas al vi la delegitaron de la esperanta societo el Kyoto. Ili vizitos vian urbon por partopreni en la 85-a Monda Esperanto-Renkontiĝo inter 21-28 de julio, en tiu ĉi memorinda jaro, kiam ni festas 20-jariĝon de la ĝemela rilato inter Zagreb kaj Kyoto.

Ili ankaŭ prezentos "Furoŝiki", kio estas japana tradicia vestaĵo, kaj ili skribos japanajn literojn kaj servos japanan teon en la ĝemelurba angulo de la Monda Esperanto-Renkontiĝo.

Mi esperas ke ilia viizito helpos al vi kaj al zagrebaj loĝantoj pligrandigi komprenon al la japana kulturo kaj evoluigos niajn ĝemelurbajn rilatojn iomete pli.

Mi sendas niajn plej bonajn dezirojn por via sano kaj prospero de via urbo.

Sincere,

Yorikane Masumoto,
Urbestro de Kyoto

## D-ro Ivan Ĉomakov
## urbestro de Plovdiv, Bulgario
al la partoprenantoj de la 86-a UK

Esimataj gesinjoroj,

Saluti vin okaze de la 86-a Universala Kongreso (UK) de la esperantistoj - Zagrebo, 2001, estas eksterordinara honoro kaj plezuro por mi.

Jam pli ol cent jarojn la homaro portas en sia kulturo unu lingvon, kolektinta la unikajon de la homa parolo kaj foriginta antaŭ si la limigojn kaj antaŭjuĝojn.

Nia civilizo trovis la universalan formon de komunikiĝo inter la popoloj. Estis kreita la komuna lingvo de la homoj kun bona volo en la mondo.

Esperanto donas al ni respondon pri la problemoj de la interkultura interkompreniĝo, konstruas pontojn inter diversaj nacioj, rasoj kaj kulturoj.

La homaro havas la belegan eblecon atingi sian unuiĝon kaj vi, kun via kontribuo en la populariĝo kaj disvolviĝo de Esperanto, malfermas pordon al la universala paco kaj monda unueco.

Mi bondeziras sukceson al la 86-a Universala Kongreso de la esperantistoj!

Kun estimo,

D-ro Ivan Ĉomakov
Urbestro de Plovdiv, Bulgario

Tradukis: Eva-Paraŝkeva Bojaĝieva

## Viktorija Potočnik
## urbestrino de Ljubljana, Slovenio
al la partoprenantoj de la 86-a UK

Estimataj partoprenantoj de la 86-a Universala Kongreso de Esperanto,

Permesu al mi, ke mi bele salutu vin, sed aparte varman saluton mi sendas al la ĉi-jaraj organizantoj de la kongreso kaj la urbo Zagrebo, kun kiu Ljubljana havas subskribitan specialan interkonsenton pri kunlaboro.

Kulturo de dialogo - dialogo inter kulturoj estas por la nuna tempo aparte ĝojiga temo, ĉar ŝajnas, ke la kulturon de dialogo ni konas kaj flegas ĉiam malpli. Ni devas konscii, ke la lingvo kaj kulturo estas kontaktopunktoj, kiuj unuigas homojn. Ne nur homojn, la lingvo kaj kulturo unuigas naciojn. Nur per tolerema kultura dialogo ekestos interhoma kompreno kaj estimo, kiun ni devas flegi kaj instigi.

Al vi ĉiuj - estimataj gekongresanoj - mi deziras, ke vi instigu venkadon de lingvaj kaj kulturaj obstakloj kaj ke vi samtempe - kiel vi mem diras - lernu pri la mondo sen limoj, en kiu estas ĉiu lando kvazaŭ hejmo.

Kun estimo,

Viktorija Potočnik

Tradukis: Janez Jug

## Renkontiĝo de la Asocio de Verduloj Esperantistaj (AVE)

AVE kunligas politikon pri ekologio, socialecon, pacon, Homaj kaj Bestaj Rajtoj. Parto de la AVE-anoj aktivas en sialanda Verda Partio. M. Westermayer raportis.

Plurpaĝa fikcia artikolo "Esperanto für Europa" de Britta Loose estis publikigita en la diskutbaza libreto "Grün 2020" de la germana verda partio; ĝi skizas argumentojn por la enkonduko de Esperanto kiel komune akceptita internacia lingvo. Artikolo de MW pri la taŭga uzado de Esperanto rilate ĝemelaj urboj aperis en AKP, jurnalo por alternativa komunala politiko.

AVE-anoj tradukis la Tutmondan Ĉarton de la Verdaj Partioj, kiu rezultis el la tutmonda kongreso en Aprilo 2001 en Canberra (AU). S. Horvath, J. kaj A. Bishop kaj B. Currie faris informstandon pri Esperanto kaj partoprenis en diskutrondoj. Sandor raportis pri siaj spertoj dum la kongreso kaj ankaŭ en Semajnfino de majo, la raporto de Jenny estas en la nova AVENO 23.

Ni tradukis tekston pri la Komuna Ekstera kaj Sekureca Politiko de la Eŭropa Federacio de la VPoj; temas pri 39 en tuta Eŭropo; ĉefe pri pacema konflikt-solvado.

T. Auderskaja raportis pri la AVE-renkontiĝo en Nagykanizsa je SAT: pri la endanĝerigita ekologio en la deltao de la Dnjestro. Nur amasa protesto malhelpis la konstruadon de aŭtoŝoseo inter Ukrainio kaj Moldavio tra la ŝanejo de la ĉemarborda lago. Ŝi verkis filmon pri la vivo de birdoj tie. Ive Peyraut, SAT, rakontis pri la klopodoj trovi justecon kaj liberigon por Billy Waldon, kiu estas arestita kaj akuzita pro hazarda aro krimoj: li propagandis la malbonan respekton de Usono kontraŭ la indiĝenoj. En Usono oni devas pruvi sian senkulpecon, mankas mono por bona pledisto. Ni agu kune por abolicii la mortpunon tutmonde.

## RAPORTO PRI LA FAKKUNVENO DE IKEL

Fakkunveno de Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL) okazis mardon, la 24-an de julio 2001, inter 10h45 kaj 12h15 en la salono Maruzzi.

Gvidis la kunvenon: Uwe Joachim Moritz (KN 282), vicprezidanto de IKEL.

Nombro de ĉeestantoj: pli ol 110

Temo: Etnaj problemoj en Balkanio - Balkanio dum la pasintaj 20 jaroj"

Enkonduke, Moritz starigis la demandon "Kio estas Balkanio?" kaj atentigis pri tio ke aro da landoj konsideras sin NE apartenantaj al Balkanio. Ŝajnas grava la TURKA faktoro en la difino.

La unua preleganto, Kemal Jakupović, el Bosnio, resumis plurajn artikolojn, verkitajn de diversaj bosnoj, pri la situacio en Bosnio kaj Hercegovino (BkH) kaj ĉirkaŭaj landoj. En BkH prismiĝas la problemoj kaŭzitaj de la serba kaj kroata naciismoj, kiujn subtenis la Internacia Komunumo. BkH evidentiĝas ke ne eblas akcepti la principon "Unu ŝtato - unu nacio", sed ke necesas agnoski ke la lando estas de ĉiuj etnoj vivantaj en ĝi.

La dua preleganto, Branko Miljko, same el Bosnio akcentas ke en Balkanio renkontiĝis interesoj de diversaj imperioj, kies "vampiroj" ankoraŭ nun vagadas tra la regiono. Ne la enloĝantoj el si mem militis, sed ilin engaĝis eksteraj influoj. Bosnio timis la sorton kiun havas la ĉipranoj: totalan disdividiĝon. Estas pripensinda ke en Hago sidas en karcero nur unu ne-bosniano, Slobodan Milošević! La preleganto atentigis pri la rolo de la konservativaj eklezioj, kiuj engaĝis siajn adeptojn krade milit unu kontraŭ la alia. Bosnia islamo ne estis tia, kaj la tendencoj esence ŝanĝi ĝin ne sukcesis.

En la vigla, sed tre "civilizita" diskutado intervenis proksimume 15 personoj (kelkaj plurfoje) kun amaso da rimarkoj, kompletigoj kaj demandoj: "Balkanio" ne havas nur pejorativan signifon, sed ankaŭ pozitivan, ekzemple, memoron pri la interetna toleremo de la Otomana imperio; la ekonomiaj problemoj estas eventuale pli gravaj ol la etnaj; la bosna etno difineblas precipe per la islama religio, kaj ĝi ekzistas jam dum pli ol 1000 jaroj, do, ne estas inventaĵo de Tito. - Koncerne la gravegan demandon "Kiel solvi la problemojn?" iu atentigis pri la fakto ke la "svisa modelo" ne estas tuj aplikebla, ĉar la kunvivado en Svislando evoluas tra pluraj jarcentoj.

*Uwe Joachim Moritz*

## SURLOKAJ ALIĜOJ

| | | |
|---|---|---|
| 1669 | mmni | S-ino Maria Mitova Nikolčeva, BG-5800 Pleven, Bulgario |
| 1670 | rbur-r | S-ro Roberto Burgess, 915 1/2 Micheltobena St., CA-93101, Santa Barbara, Kalifornia, Usono |
| 1671 | belo-n | S-ino Marija Belosević, Sveti Duh 130, HR-10000 Zagreb, Kroatio |
| 1672 | | Ivana Bradić, Badalićeva 29, HR-10000 Zagreb, Kroatio |
| 1673 | cobb-t | S-ro Stephen Cobb, Feldstrasse 24a, DE- Wiesbaden, Germanio |
| 1674 | | S-ino Anna-Laura Wickstroem, Wessler Str. 17, DE-10318 Berlin, Germanio |
| 1675 | alki | S-ino Alida Kaplick, Gensaer Str. 88, DE-06217 Merseburg, Germanio |
| 1676 | ffeu- | S-ino Friederike Feuchte, Bismarckallee 47a, DE-48151 Münster, Germanio |
| 1677 | jobk-b | S-ro Jozsef Baksa, Majus 1. u 3. , HU-8900 Zalaegerszeg, Hungario |
| 1678 | pbol-x | S-ro Peter Bolla, Bersenyi u. 11, HU-8900, Hungario |
| 1679 | mawn-q | Maciej Wnuk, Skrytka 105, PL-01-865 Warszawa, Pollando |
| 1680 | | S-ino Esti Saban, Sederot, IL-11611 Jerusalem, Israelo |
| 1681 | | S-ro Reiner Boespflug, Lindenberger Str. 16, DE-67067 Ludwigshafen, Germanio |
| 1682 | wsma-v | S-ino Maria Wasilewska, Pollando |
| 1683 | | S-ro Wilfried Hüfler, Lodenbergstr. 23/1, DE-72766 Reutlingen, Germanio |
| 1684 | | Iris Wunsch-Roshoven, Germanio |
| 1685 | | Valerjebich A. Sukoveno, Rumanio |
| 1686 | | S-ro Antonio Verdu, Mariano Benluvre 84-6a, ES-03201 Elche, Hispanio |
| 1687 | | Samanta Čajić, Kroatio |
| 1688 | | Svjetlana Akik, Kroatio |
| 1689 | lfbu- | S-ro Alain Laufenburger, Japanio |
| 1690 | smiy-v | S-ro Sadao Miyata, 69-97 Mita Nagareyzmasi, 270-0131 Chipaken, Japanio |
| 1691 | elsm-u | S-ino Eliane Gauze, Rua Ataulfo Alves 309, Pato Branco, Brazilo |

86-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
ZAGREBO, KROATIO, 2001

# Zagreba ALBUMO



## KONGRESA KURIERO

vendredon, la 27-an de julio 2001 Numero 6

### JUNULARA PROGRAMO

**Vendredon**

je la 9h00: **INTELEKTAJ LUDOJ**

je la 9h30: **NEKUTIMA PROMENADO KUN VANJA RADOVANOVIĆ**

je la 18h00: **DANCSPEKTAKLO: Kim J. Henriksen**

Eble vi memoras la plej amuzan dancadon dum la internacia vespero dum la UK en Berlino. Ĝi estis ero de la dancspektaklo "La hundo diras vaŭv, vaŭv, vaŭv". En la jaro 2000 en la kulturaj festivaloj KAFE kaj KEF estis la sekva daŭriga spektaklo "La hundo lumas" prezentita. Fine nun venos la lasta parto de la trilogio "Kie estas la hundo?". Ĝi okazos en la **Amasloĝejo** de la kongresejoj. Prenu tramon numero 2 en la direkto "Črnomerec" ĝis la lsta haltejo. De tie vi revenu proksimume 250 metrojn laŭ la strato Ilica (sekvu tramrelojn).

### TEATRAĴO "MALFERMILO"

Konservita komedio de Viktor Lanoir, tradukita en Esperanton de Terezija Kapista! Prezentaĵo okazis mardon vespere je la 21h00 en la salono Ivo Lapenna. Aktora grupo de du aktoroj, membroj de la "Teatro Joakim Vulić" el Kragujevac (Serbio), Saša Pilipović kaj Milić Jovanović. La komedio estas verkita sekve de la mendo de industriisto kiu deziras, ke, pere de teatro, la verko estu reklamantaj ankaŭ liajn produktaĵojn. La teksto bone komunikas kun la absurda nia aktualeco. La rakonto temas pri tio, kio povus okazi al du homoj kiuj malsatas, en kondiĉo de fermiteco - kiam ili unue havas manĝo-konservujon sen malfermilo kaj poste malfermilon sen konservujo. Tiamaniere la teatraĵo transformiĝas en metaforon pri la socia vivo de la tuta terglobo la nia aŭ ies ajn troviĝanta en sensenca situacio. La publiko kiu ĉeestis la prezentaĵon, plenigis la salonegon kaj ĝuis mtuhoran spektaklon. Ambaŭ aktoroj tre bone ludis sian rolon - vere profesie. Ili perfekte prononcis la Esperantan tekston, kaj la publiko ofte premiis per forta aplaŭdo la aktorojn kaj ilian ludadon.

KN 383

### KONGRESA AŬKCIO

Multaj raraĵoj kaj valoraĵoj atendas novajn posedantojn en la kongresa aŭkcio, kiu okazos **vendrede je 16h30 - 18h00 en salono Ivo Lapenna** sub la gvido de Humphrey Tonkin. Inter pli ol 50 objektoj troviĝos ekz. Oficiala Dokumentaro de la Bulonja UK, Kongresa libro de la Krakova UK 1912, la fama sed preskaŭ nenie trovebla bildvortaro de Azorin el 1955 kaj la eĉ multe pli fama kaj ĉiam ma.pli facile trovebla ruĝa libreto de Maŭ Zedong, ktp. Kaj se vi volas brili en Fortalezo per kongresnumero 1, via sola ŝanco akiri ĝin estos en la aŭkcio! Nepre ne forgesu kunporti vian monujon (aŭ almenaŭ memori la kodon de via UEA-konto), ĉar per viaj aĉetoj vi helpos la Bibliotekon Fondaĵon de UEA kiu subtenas la Bibliotekon Hodler.

**IKEF - Speciala aranĝo dum la 86-a UK. Vizito en la Ekonomia Ĉambro de Zagrebo - Vendredon, la 27-an de julio, 13h30 - 15h30. Gvidas: s-ro Radenko Milošević, estro de la sektoro pri makroekonomia politiko de la Ĉambro.**

**NOVA ESTRARO SIN PREZENTAS** - En la plena salono Emilija Lapenna prezentis sin la nova Estraro de UEA al la kongresanta membraro. Post sinprezento unuopaj estraranoj estis mitralitaj per demandoj de la ĉeestantoj.

### AŬTORAJ DUONHORAJ VENDREDE

Je la **11h30** redaktoro Carlo Minnaja prezentos "Eseoj memore al Ivo Lapenna", omaĝante ankaŭ al ties jus forpasinta eldonisto, Torben Kehlet.

Je la **14h00** aŭtoroj Nikolao Gudskov kaj Abdurahman Junusov deĉifros siajn rusiingvajn verkojn "Faktoj kaj kurtaj informoj pri Esperanto" resp. "Lernolibro de Esperanto".

Je la **15h00** sekvas "Naturkaracado ekde antikveco ĝis nun" (vidu Kongreslibron, p. 14) de Alicja Krejči-Lewanderska, kiun kunprezentos la aŭtorino kaj Radojica Petrović.

Je la **16h30** Gerard Cool konatigos vin kun siaj teme kaj stile unikaj "Sara la savontino" kaj "Mond-sav-plano".

## INTERNACIA ARTA VESPERO - PROVLUDOJ

Koncertejo Vatroslav Lisinski obligas la provludojn por Internacia Arta Vespero en Salono Zamenhof vendredon, la 27-an de julio, de la 9h00 laŭ la sekva ordo:

9h00 Amikaro Bruno Gröning
Choi Yun Hui
Bretona Esperanto koruso
Jesuo de las Eras
Francis Soghomonian
Alina Šijahova

10h00 Ezerki Jesus de las Eras
Georgo Handzlik
Hector Jimenes
Ewa Bondar

11h00 Vida Jerman, Ivica Pucar
Rössler Rita kaj Franz-Georg
Franjo Provost
Gavrielo Zeevi

12h00 Saša Filipović i Milić Jovanović
Pintar Gordana, Valentina, Alen
Isabelle Clopeau, Helene Provos
Internacia koruso

Prezentantoj, ne forgesu instrumentojn, kasedojn kaj kompaktdiskojn! Bonvolu informi nin pri la eventualajn ŝanĝoja kaj konfirmi vian ĉeeston! (LKK/rendevua tabulo Teodora, KN 996)

## ORATORA KONKURSO

Post multaj jaroj, en la ĉi-jara UK denove okazis Oratora Konkurso. Ĝi estis ĝenerala provo por estontaj jaroj. Aliĝis nemultaj kongresanoj, kaj la Juĝkomisiono konsistanta el Eliza Kehlet (prezidanto ), H. Michael Maitzen kaj Ivo Osibov premiis la konkursantojn per simbolaj premioj. La unuan lokon okupis s-ro Gilles Dazord (KN 1498) kiu oratoris pri "Esperanto kiel literatura lingvo", la duan kaj trian lokojn respektive s-ro Christopher Culver (KN 344) pri "La rolo de la junularo en Esperanto-movado" kaj s-ro Normand Fleury (KN 215) parolante pri "Interna ideo hodiaŭ"

**KUNSIDIS NE NUR AZIANOJ POR AZIA AGADO** - Okazis publika kunsido pri azia agado posttagmeze la 24-an de julio. Ĉeestis 21 personoj el 8 landoj kaj aŭskultis ses raportojn pri la agado de KAEM kaj de la landaj asocioj kies reprezentantoj ĉeestis. Ili vigle levis sian opinion precipe rilate al la estonta konsisto de KAEM, kiu decidis sin plivastigi tiel ke la komisionon formos po unu reprezentanto el ĉiu landa asocio de UEA, kiu aktivas en Azio. La ĉeestantoj montris sian grandan intereson pri la 3-a Azia Esperanto-Kongreso de Esperanto, kiu havos la lokon en Seŭlo, Koreio, de la 22-a ĝis la 26-a de aŭgusto 2001.

**"ESPERANTO, EŬROPA KOKTELO POR LA MONDO!"** - Kiel fari TRAJNON por kolegi Esperanton? Ĉu fervojistoj povus helpi? Kiuj landoj (minimume 3: Francio kaj ...?) partoprenus? Logus en trajno grupo internacia por zorgi ĉie pri ĉio, kaj en ĉiu lando kelkaj lokaj esperantistoj prezentus Esperanton en loka lingvo. Por peti subvencion el la eŭropa programo SOCRATES, oni devas sendi la dosierojn antaŭ la 31-a de oktobro! Memoru, ke 2001 estas eŭropa jaro de la lingvoj! Ĉu vi do entrajniĝu? Kial ne? "Kiam nur unu homo revas pri io, tio estas nur revo ... Kiam kelkaj revas la saman revon, jam estas realo."

KN 692

**Postkongresa vizito en ESPERANTA DOMEGO**
(EK - Esperanta Kontaktcentro troveblas proksime de la kroata-hungara limo en Hungario)
Nia Esperanto-Asocio havas grandan eblecon disvastiĝi kaj praktike uzi Esperanton. Kio okazis?
Antaŭ 2 semajnoj ni ricevis donace grandan konstruaĵon pluretaĝan 15 x 65 metran (ĉ. 1000 m2 bazterena), kie ni ŝatus funkciigi Esperantan domegon, Esperantan Kontaktcentron. Ni petas proponojn de ĉiuj esperantistoj kion fari tie! (Ĉ. 100 partoprenantoj veturis el la SAT-kongreso tien, la entuziasmo estis grandega!)
Kelkaj el la ĝisnunaj proponoj:
-Sur 40 x 100 metra ekstera tereno konstrui naĝejon, sportejon, kampadejon, memorparkon de arboj por denaskaj esperantistoj...
-Jam estas uzeblaj ene: duŝejo, necesejo, vestejo, dormejo, oficejo, kuirejo, babilejo.
-La estintaj industriajn ejojn ni ŝatus transformi. Bonvenas apogo: laboro, mondonaco, servo ktp!
Pri la postkongresa, plitempa vizito kaj via propono kontaktiĝu kun:
Jozefo Baksa KN 1677
Geza Felsö KN 1399
Petro Bolla KN 1678

**FAKA KUNSIDO DE KELI**
Laŭ invito de KELI, ankaŭ IKUE uzis la okazon dum 90 minutoj prezenti al pli ol 59 personoj la rezultojn de la jus pasinta 15-a ekumena Esperanto-kongreso (Zagreb, de la 14-a ĝis la 21.a de julio). La kunsidon prezidis Adolf Burkhardt, ĝisnuna prezidanto de la Ekumena Komisiono de IKUE kaj KELI; sur la podio partoprenis p. Albrecht Kronenberger (IKUE), Barbara Pietrzak (IKUE), prof. Franjo Grurić (IKUE) kaj Britta Behm (KELI). Elstara evento estis la lanĉo de komuna liturgia libro ADORU, sed ankaŭ apero de Esperanto-versio de "Esperanto, la nova latino de la eklezio" de Ulrich Matthias. Li jus eniris la Ekumenan Komisionon. Nova estrarano de KELI estas Zoltán Szomohegy, 20-jara hungara studento. Kongresplanoj por 2002 estu Ĉeĥio por IKUE kaj Hungario por KELI. En 2003, oni strebas havi ree komunan, 16-an Ekumenan Kongreson, probable en Rimini.

KN 359

**TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)** plenumis sian jaran kunvenon, marde la 24-an de julio en salono Röllinger kaj unuanime reelektis sian estraron. La ĵurnalistoj antaŭvidas revigligon de la membroj kaj modernigon de la nefongebla trejno-kurso.

KN 1042

## KONCIZE

**FORUMO: FAKAJ ASOCIOJ** Plenega salono Takač. Gvidis: Michela Lipari. La diskuton partoprenis trideko da kongresanoj emfazante diversajn facetojn, bezonojn kaj eblojn de faka agado. Aparte substrekitaj estis problemoj kiujn renkontas pli-malpli ĉiuj fakaj asocioj: ekz. terminaroj, adresaroj, uzado de la retaj adresoj, fakaj kunsidoj, rilatoj kun samfakaj asocioj neesperantistaj, naciaj kaj internaciaj...

**TAGO DE LA LERNEJO** Mardon, la 24-an okazis la TAGO DE LA LERNEJO, ekde la 9h00 ĝis la 13h00. Seninterrompe dum 4 horoj intervenis multaj kongresanoj - plejparte instruistoj kaj instrufakuloj - pri diversaj aspektoj de Esperanto instruado en lernejoj ĉiugradaj. La ĉefa kadra temo estis interkultura edukado, pri kiu intervenis organizintoj kaj partoprenintoj de "Projekto Interkulturo", "Eŭroskola", "Infanoj ĉirkaŭ la mondo", "Ludejo", "Indiĝenaj Dialogoj", "Lingvaj Festivaloj". Krome oni spektis prezenton de projekto "edukado.net" kaj de la kroata instru-sistemo. La tuta "tago" estis traktata de proponoj kaj diskutoj pri kunlaborado inter ILEI, la instruista organizaĵo, kaj UEA, TEJO, AIS.

KN 271

Lundon (la 22-an) okazis kunsido pri la **E-Movado en Ameriko** kun la ĉeesto de diversaj aktivuloj el tiu kontinento. Brazilaj ĉeestantoj informis pri la E-eventoj okazontaj en la jaro 2002 tie. Aparta atento estis donita al la agado en Kubo, Haitio kaj San-Domingo kaj esplorado pri estonta agado. Ĉi-rilate, Radio Aŭstrio Internacia verŝajne subtenos la laboron de la E-programoj de Radio Havano per diskonigo de spaco ĉe sia hejmpaĝo por reta disaŭdigo de la programoj. Cetere, la Komisiono prezentis sian laborplanon por apogi la agadon de la UEA-Estraro.

KN 269

**MATEMATIKISTOJ** - Internacia Asocio de Esperantistoj Matematikistoj elektis novan sekretarion, s-ron Ulrich Wilke. Ĉiuj matematikistoj pretaj kunlabori, bonvolu kontakti lin.

**PROFUNDIGA PRELEGO** - Post kvar kuracistaj informprelegoj la 5-a kunveno de Amikaro Bruno Gröning vendrede je la 15h30 en salono Velebit estos profundiga prelego. La aŭskultantoj ekscios apliki la instruon de Bruno Gröning en la ĉiutaga vivo. La prelego estas malfermita al ĉiuj interesatoj.

Lunde, en la kunveno de **SIKA (Senmonaj Interŝanĝoj, Kreditaj Alternativoj)** ĉeestis du dekoj da kongresanoj. Ili decidis vigligi la Asocion lanĉitan jus antaŭ la UK en Montpellier (1998), por plej bone diskonigi ĉiujn strebojn al "alternativa" ekonomio. Unue, ĉefe pere de la interreto. Interesatoj, partoprenantoj bonvolu retmesaĝi al ‹esperanto95@wanadoo.fr›

## AFRIKA KUNVENO

Dimanĉe posttagmeze kaj lunde matene, sub la gvidado de Gbeglo Koffi kaj Justine Ralalarisoa, 31 esperantistoj priparolis la Afrikan Agadon. Dum la unua kunsido temis pri raportoj pri klopodoj en kaj ekster Afriko por la agado, la dua dediĉiĝis al serĉado de rimedoj por realigi la punktojn de la plano "PRIORITATO AFRIKO". S-ro Andre Grossmann el Francio helpas al Malagasio en la pretigado de la periodaĵo "Inter ni". Sainogi klopodas, ke nun afrikaj esperantistoj perlaboras Yumeihon. Robert Kueny instruas la lingvon al senegalianoj kaj kolektas jam uzitajn okulvitrojn por afrikanoj, kaj precipe togolandanoj. Saito Tume vizitis en aprilo Tanzanion por helpi al virina grupo kiu prizorgas produktadon de kokosa oleo kaj kudradon. Janine Dumoulin kunlaboras kun la svedino Anna-Marie Lange pri fabrikado de sunkuiriloj en Tanzanio. Joëlle Huet rilatas kun esperantistoj de Mwanza (Tanzanio), por kiu ŝi nun serĉas organizojn kiuj financu projektojn en Tanzanio. Rochelle Grossmann instruas la lingvon al ganaanoj kaj petas kontribuon de la Afrika Oficejo. Zdravka Fleury-Metz informis pri la dissendado far Kebekia Esperanto-Asocio de E-libroj al Afriko. Yamato Ŝin'iĉiro klopodas disponigi al afrikanoj jam uzitajn sed pluuzeblajn komputilojn.

**Radio-Amatoroj, ILERA** - ILERA kunvenis la 23an de julio. Ĉirkaŭ 20 kongresanoj partoprenis kaj diskutis pri rezultoj kiel ekzemple nia konkurso en la etero, kiu havis 160 partoprenantajn amatorajn staciojn. Ankaŭ ĉi-jare ni startigis kongresan amatoran radiostacion, uzante la voksignon 9A0E. Gastiganto estas la teknika Universitato. Ĝis nun (jaŭdo) ni parolis kun 210 amatoroj en 30 landoj, informante ilin pri Esperanto kaj la kongreso. En tiuj radiokontaktoj ni rimarkas, ke dum la lastaj jaroj la pozitivaj reagoj pri nia afero konstante kreskas. Ŝajnas, ke, malgraŭ la influo de la angla lingvo kreskas, tamen paralele la duboj pri ĝia rolo kaj same la akcepto de Esperanto.

Hans Welling, DJ4PG, KN281

En la **TADEN-kunveno**, malgraŭ konkurenco IKU, partoprenis 18 personoj. Leviĝis protesto kontraŭ daŭra fumado en la kongresejo malgraŭ kongreslibra malpermeso, evidente nesufiĉa. UEA kaj UK organizantoj do nepre forigu cindrujojn tro tentajn, ĉie afiŝadu dulingve kaj simbole la malpermeson tra la kongresejoj, parole averti komence de la unuaj kunvenoj por garantii la unuan homan rajton kaj vivbezonon: puran aeron ("Unuiĝintaj Nacioj - venu kun ni!" de Nane Anan, p. 5), kion substrekis ankaŭ letero de Francisko Simonnet. La prezentanto (KN 271) legis leteron de la prezidanto J. Bemelmans pri daŭra batalo por pura aero en laborejoj, publikaj lokoj, hejmo. Sur la tabulo legiĝis "Izvolite (bonvolu), zabranjeno pušiti (malpermesite fumi)". Kunlaboro utilas por bibliografio, terminologio, artikoloj (kontribuantoj en nepagipovas cirkonstancoj rajtas je ricevado de "puraj pulmoj"). Finance TADEN eltenas nur dank' al ekstraj donacoj.

KN 271

# EKSKURSOJ

## ANTAŬKONGRESA EKSKURSO A2: KROZADO

Deksep gekongresanoj el naŭ landoj antaŭkongresis dum tuta semajno krozante per kaiko (ŝipeto) sur la Adriatika maro en Kroatio. Ĉiĉeronis kaj gvidis la grupon Ankica Jagnjić, vicprezidanto de la LKK. Josef Šemer (KN 166) verkis la jenan poemon fine de la ekskurso:

### GRUPETO SUR ŜIPETO

*Dum semajno la grupeto*
*krozis mare per ŝipeto*
*la kajuto "ratotrua"*
*kun menuo ne enua*
*tra insuloj multenombraj*
*en stratetoj tute ombraj.*
*Kapitano kun maristoj*
*gvidis nin - deksep turistoj -*
*lerte sur ondeca maro,*
*ni fariĝis amikaro.*
*Ni vizitis havenetojn,*
*akvofalon, insuletojn,*
*sunbruniĝis, naĝis, duŝis,*
*sed sur sablo, ne, ne kuŝis.*
*Dormis, drinkis kaj babilis*
*en la maron preskaŭ falis.*
*Tre sindona kroatino*
*nin dorlotis laŭ rutino*
*ŝi, Ankica, ĉion faris*
*forton sian ŝi ne ŝparis*
*lerte kaj talente gvidis*
*dank' al ŝi ni multe vidis.*
*Ni memoros vin por ĉiam*
*HVALA , karulin', ĝis iam!*

---

## EKSKURSO E-5: ARTO KAJ ARBARO

Ĉirkaŭ 100 partoprenantoj en du busoj - belega travivaĵo, kiu sufiĉus plenigi tutan "Albumon". Du, li kaj ŝi, raportas:

Li: Kion vi memoros ankoraŭ post 10 jaroj?
Ŝi: Mi ne forgesos, ke la mondfama artisto Josip Generalić mem bonvenigis nin en sia hejmo en Hlebine.
Li: Mi konfesas, ke mi ne partoprenis pro la naiva arto. Sed tiuj bildoj de Josip kaj lia patro Ivan Generalić en la tradicia hejmo tuŝis min tiel, ke mi ne plu restos naiva pro tiu arto. Ankaŭ post 20 jaroj mi ne forgesos la mandolino-koncerton de la infanoj de la arbarlaboristoj de "Hrvatske šume". Tio vere ne estis turista spektaklo, sed aŭtentika.
Ŝi: Nu jes! Sed por ili ni tamen estis nur turistoj.
Li: Ja, almenaŭ "Esperanturistoj", kiel la tuta UK.
Ŝi: Sciu, ke inter la arbarlaboristoj estas nur unu esperantisto, sed li kapablis motivi siajn kunlaborantojn gastigi kaj dorloti nin. Ĉie, kaj en la farmbieno de la pentristo kaj en la kastelo de Đurđevac oni refreŝigis nin per tradiciaj frandaĵoj kiel kukoj, diversaj fromaĝoj, fortaj trinkaĵoj ktp.
Li kaj ŝi: Ni dankas ne nur al ili sed ankaŭ al niaj bonegaj ĉiĉeronoj, kiuj amplene gvidis nin tra sia hejmlando, parolante flue kaj bone, tiel ke ni ne bezonis interpretiston.
Ŝi: Ĉu oni legos "Albumon" ankaŭ en la kroata arbaro?
Li: Mi estas Esperanto.

KN 1382, KN 279

## LUNDA EKSKURSO ALLAGOJ DE PLITVICE

La 23-an de julio 2001 la unua grupo de 45 gekongresaj vizitis la Nacian parkon Lagoj de Plitvice kun du akompanantoj - Stipe Muić kaj Mirjana Žeželj.

En bona etoso kaj bonhumore ili travivis la tutan tagon en netuŝita naturo, trairgradinte la Suprajn kaj la Malsuprajn lagojn perŝipe kaj panorama trajno. La piedira vojo gvidas la grupon al la belaj kaj multnombraj akvofaloj aparte al la granda akvofalo tra kiu rivero Plitvica falas al rivero Korana el 78-metra alteco.

## ARTO KAJ ARBARO, EKSKURSO E5 EN NORDORIENTA KROATIO

Ni travetturis plaĉajn vilaĝojn sorbante per niaj okuloj la lokan kulturon: arkitekturon kaj vivmanierojn. Ni vidis homojn okupatajn de siaj ĉiutagaj taskoj, cikoniojn, kortobirdojn, florplenajn herbejojn, maizkampojn, legomejojn kaj florbedojn. En nia menso okazis vigla komparado, dialogo de almenaŭ du kulturoj, la ĉi tiea kaj nia propra. Pentraĵoj kaj skulptaĵoj en la galerioj kiujn ni vizitis sciigis nin pri pasintaj kutimoj kaj promilitaj ŝokoj. Ni ricevis E-lingvajn broŝurojn pri Đurđevac kaj priarbaran faktaron. Fotoekspozicio en la arbaro mem montris al ni la sezonojn kaj kiel ĝermas kaj kreskas kverkoj. Nin bonvenigis infanara orkestreto per kroata himno kaj danciĝis pli aĝaj muzikistoj. La manĝaĵoj kaj trinkaĵoj estis abundaj, variaj kaj precipe lokaj. Mi kore dankas ĉiujn kontribuantojn. Partoprenis la ekskurson okdeko da diverslandaj esperantistoj. Tio miksaĵo surprizis unu el la ŝoforoj, precipe ĉar funkciis nia komuna lingvo.

KN 329

## EKSKURSO AL TRSAT KAJ OPATIJA (E3)

La ekskurso okazis dufoje (la 24-an kaj 25-an de julio, unuafoje kun 40, kaj la duan fojon kun 95 kongresanoj. Ĝi inkluzivis viziton al fortikaĵo de Trsat (super la urbo Rijeka), la urbon Rijeka, grandiozajn panoramojn de la urbo kaj Kvarnera golfo. Krome, bonega tagmanĝo okazis en la restoracio "Vongola" ĉe Slatina (apudmare). Sekvis promeno tra famaj parkoj de Opatija kaj banado en la maro. Ĉiĉerono en Opatija estis Boris di Costanzo, kiu bonege faris sian laboron je kontento de la vojaĝantoj.

**PLI OL 120 MESAĜOJ TROVIĜAS ĈE LA RENDEVUA TABULO! VENDREDE ĜIS LA 18h00 VI POVAS TRANSPRENI ILIN!**





## LA EKSKURSA TAGO EN DUBROVNIK

Dubrovnik estas la ĉefa perlo de kroata turismo. La urbo kun 50.000 loĝantoj, centro de la kroatia sudo, sen industrio kaj kun purega maro, situanta en mallarĝa spaco inter la maro kaj tre proksima monto, sed grava turisma centro. En ĝi pleje elstaras la urboparto Malnova Urbo. Ĝi troviĝas sur vasta duoninsulo kaj estas ĉirkaŭigita per muregoj, altaj, dikaj, belformaj kaj bone konservitaj, kvankam aĝaj 500-900 jarojn. Se vi nur unu fojon vidas tiun bildon, vi verŝajne ne forgesos ĝin ĝis la vivofino!

Ene de tiuj muregoj estas nur malnovaj domoj, kun multaj valoraj kaj tre aĝaj muzeoj, preĝejoj, palacoj ktp. Multaj el ili aĝas eĉ pli ol 500 jarojn. Kaj ili atestas pri la ĉiam alta civiliza kaj kultura nivelo de la urbo. La urbo estis centro de malgranda Dubrovnika Respubliko inter la jaroj 1358 kaj 1806. Mirigaj estis la kapabloj de ĝia aristokrataro gardi ĝian liberecon kaj memstarecon, fari la Respublikon riĉa, kaj per diversaj leĝoj certigi ĝian stabilecon. Nur unu ekzemplo: la dukoj de la Respubliko estis elektataj por nur unumonata servo!

En la esperanta vizitanta grupo estis 61 personoj, el kiuj 38 japanoj! La grupon akompanis Davor Klobučar kaj David Rey. Surloke nin gvidis du ĉarmaj junaj lokaj sinjorinoj, kaj esperanten tradukadis Davor Klobučar. Ni vizitis la monaĥejojn franciskanan kaj dominikanan, la katedralon kaj la dukan palacon. Poste ni grimpis al la fortikaĵo Lovrijenac kaj kun la lastaj fortoj atingis certan restoracion por tagmanĝi. Poste ni organizis baniĝon en iu plaĝo, kaj promenadon sur la urbaj muroj (2 km longaj!). Tiuj kiuj ne emis partopreni ĉion ĉi, havis liberan tempon. Sed mi povas laŭde diri pri la grupo ke ĉiuj fine venis al difinita loko en la difinita tempo por foriri. Kaj ke plejmulto el ili venis por promeni sur la muroj.

La grupo superŝutis min per pli ol diversaj demandoj pri Dubrovnik, pri Kroatio kaj pri la milito, kaj mi klopodadis al ĉiuj respondi.

En la grupo estis ankaŭ la estrino de la kongresa centro en Fortaleza en Brazilo, kie okazos nia sekva Universala Kongreso.

Ŝajnas al mi ke ĉiuj partoprenantoj, cetere pagintaj tre grandan monsumon, estis ege kontentaj pri la ekskurso. Sed ne de mi atendu la respondon. Demandu ilin! Tamen, sciu ke en Dubrovnik oni devas konstante piediri kaj grimpadi kaj malgrimpadi, do eble ili ankoraŭ ripozas en la hoteloj ...

Davor Klobučar

**POŜTISTOJ - TELEKOMUNIKISTOJ!** Ni povas viziti en Zagrebo la ĉefpoŝtejon, kiu situas apud la stacidomo. Ni kolektiĝos apud la fino de la domo vendrede je 13h45.
Veikko Mäki-Luopa (KN 1298), prezidanto de IPTEA.

**ESPERANTO-DOMO**, Bosnio, 79285 Sanica - bezonas vian helpon. Ĝi estas dum militaĉo detruita. Se vi volus helpi bv. turni vin al KN 413 aŭ telefone al 0174774 8049

**PRESADON** de diversaj libroj, vizitkartoj, bildkartoj kaj aliaj presaĵoj laŭ deziro proponas "SKONPRES" (poligrafia kaj eldona entrepreno de Jan Skonieczka), str. Chlodna 23A, 85-345 Bydgoszcz, Pollando., retadreso: skonpres@poczta.onet.pl

## ANONCETOJ

La budo de adventistoj oferas al ĉiu volontulo senpagajn libretojn pri sana kaj kristana vivo.

E-bibliotekoj kaj E-kluboj. Ĉu vi deziras ricevi senpage E-librojn de O.M. Aivanhov pri ĉiutaga filozofio: kiel plibonigi sian vivon? Skribu al Eldonejo PROSVETA, CH -1808 Monts-de-Corsier, Svislando

SOMERUMI APUD ADRIATIKA MARBORDO! - En bela kaj silenta dometo, en Esperanta rondo, 100m de la maro, sur la magistralo inter Split (17 km) kaj Omiš (6 km). Vi povas somerumi je tre populara prezo. Interesiĝu ĉe: Davor Grgat, Stepinčeva 29, 21000 Split, tel. 021/512-565, aŭ en la adreso: 21315 Dugi rat, "Esperanto", Mali rat.

Ĉu iuj eŭropaj esperantistoj ŝatus helpi moner-kolektantojn? Ekde la 14-a ĝis la 17-a de decembro 2001 (depende de la lando) aperos en ĉiuj 12 landoj de la eŭro tiel nomataj "komenc-paketoj" de eŭro-moneroj. Mi ŝatus akiri tiujn de ĉiuj eŭro-landoj. Se vi povas helpi, bonvolu kontakti KN 1332.

VIZITU SENPAGE POLLANDON! Se vi volas senpage tranokti en Bydgoszcz, kontaktu Jan Skonieczka, ul. Chlodna 23a, 85-345 Bydgoszcz, Pollando. Telefono: (48-52) 323 7099, 0 501 666 963, retpoŝte: skonpres@poczta.onet.pl, KN 904.

Ni volas trejni la dialogon inter ni. Ĉi-jare, aŭtune, de la 22-a ĝis la 25-a de novembro ĉe Balatono (Hungario), 10-15 personoj estos invitataj daŭrigi la temon de la 86-a UK en seminaria kunvenformo. Pliajn informojn bonvolu preni el la reto: www.esperanto.muenchen.de/omamo.

Rusiaj universitatoj estas daŭre popularaj. Mi okupiĝas pri lokigo de eksterlandaj studentoj en tute diversaj moskvaj universitatoj, se ili pretas pagi por tiu ĉi perado. Mi serĉas partnerojn inter diverslandaj esperantistoj. KN 1396.

Mi spertas organizadon de internaciaj infanaj sportaj turniroj kaj mi serĉas partnerojn pri infana futbalo, hokeo kaj aliaj inter esperantistoj de diversaj landoj. KN 1396

**ERARE estas administrita kaj aperigita kroata adreso de Višnja Branković, estro de la itala firmao Orbis Pictus. La ĝusta adreso estas: Via Leghissa 6, 34131 Trieste, Italio. KN 1320.**

Kiu veturos per aŭto al la Adriatika maro post la UK? Mi petas lasu mesaĝon por la numero 1127.

**Se vi posedas monerojn de tiuj landoj de Eŭropa Unio kiuj venontjare transiros al eŭro, vi povas donaci tiujn monerojn por subteni agadon de UEA. La moneroj estas akceptataj en la Libroservo.**

**Raporto pri la fakkunveno de la Internacia Komitato pri Etnaj Liberecoj (IKEL) jaŭdon, la 26-an de julio 2001, 9.00 - 9.45 h, en la salono "Takač"**

Gvidis la kunvenon: Uwe Joachim MORITZ (282), vicprezidanto de IKEL
Partoprenis 30 gekongresanoj (el ili 8 IKEL- membroj)
Temo: "La situacio kaj pozicio de IKEL."

En la estrara raporto elstaras la serio de intervenoj ĉe diverslandaj aŭtoritatoj favore al tamazirtoj (berberoj), franciaj minoritatoj, Orienta Timoro, Dagestano, aŭakej en Kolombio K.S., kaj akcentiĝas la disvastigo de la "Deklaracio por Etnisma Humanismo" (akceptita en 1999). La nombro de membroj ne estis kontentiga, kaj la vicprezidanto invitis la ĉeestantojn kunlabori. - Elektiĝis Jean Claude THUMERELLE sepa estrarano. - En la diskuto aperis pluraj sugestoj pri kunlaboro inter IKEL kaj ne-esperantistaj organizoj. Estis diskutataj ankaŭ la nocioj "etno" kaj "etnismo". Ĉi-lasta signifas klare diferencigi inter "naciismo/ŝovinismo" kaj la defendo de la identeco kaj suvereneco de homgrupoj surbaze de lingvaj/kulturaj karakterizaĵoj (=etnoj).

## TRIXINI ĈE LA INFANOJ

La konata esperantista magiisto Trixini el Germanujo, kiu magiis en pli ol 50 landoj kaj dum pluraj UK-oj, ĉi-jare prezentis sian arton dum la Infana Kongreseto en Zagrebo. La publiko entuziasme kunlaboris kiam li malaperigis, aperigis kaj ŝanĝis diversajn objektojn. La mirado, ridado kaj aplaŭdo estis preskaŭ senfina.

Trixini antaŭ ĉio multe ĝojis ke li povis renkontiĝi kun junaj handikapitaj kroataj esperantistoj, ĉar dum la milito li povis finance iomete helpi ilin per la forta kunlaboro de Judita Rey Hudeček kaj Spomenka Štimec, kaj la laboro por ili daŭras.

La artisto, kiu ankaŭ estas pupludisto kaj verkisto, ricevis novajn invitojn por Zamenhof-tagoj kaj jubileaj festoj de svedoj, belgoj, francoj kaj poloj, kaj eble li ankaŭ estos en Fortalezo venontjare. Krom la magiaj prezentaĵoj li ankaŭ povas fari lumbildprelegon, kaj liaj diapozitivoj estas motivoj de telefonkartoj. Trixini rakontas siajn aventurojn, travivaĵojn kaj spertojn en multaj landoj ankaŭ internacilingve.

Alilandanoj ankaŭ povas kontakti lin dum la kongreso, KN 1169. En la Jarlibro troveblas la adreso sub Germanio, urbo Kaufbeuren en Algovio, Bavarujo.




**Transporto al Lovran por ILEI-konferenco** - La aŭtobuso ekveturos je la 13h00 de la Koncertejo Lisinski. La partoprenantoj (pagintaj) por ILEI-Konferenco akurate devas veni al la buso ĝis la 12h45. La valizojn eblas transdoni al la vestgardejo apud la Malgranda salono (Lapenna), antaŭ la solena fermo.

KN 582

**Amikoj de Litova Stelo** kunvenis lunde. La redaktoro de LS parolis pri kresko de interesiĝo je la revuo, kiu jam mendas ĉiujn jarkolektojn ekde la jaro 1991. La legantoj ĉeestantoj esprimis sian kontenton pri la enhavo kaj aspekto, proklaminte la revuon unu el la plej bonaj en Esperantujo.
La revuo aboneblas rekte ĉe la budo "Litova Stelo" sen helpo de perantoj kaj ĝirado de la mono. Venu.

Rita Vaičiukaite

## IKEF (Internacia kaj Komerca Ekonomia Fakgrupo)

Jaŭde postagmeze, okaze de la Ĝenerala Kunveno (jarĉefkunveno) de IKEF, prezidanto Franz Josef BRAUN salutis 50 membrojn de la Fakgrupo kaj interesitojn pri komerco, ekonomio kaj ekonomiko. Raportante pri la agado de IKEF dum la jaro 2000, li menciis sukcesojn kaj malsukcesojn.

Inter la sukcesoj estas, ekzemple, la eldono de "INKOTERMOJ 2000", konstante altnivela verkado de artikoloj en revuo MONATO, kaj bona kunlaboro kun la faka asocio TAKE. La lasta koncernas aparte sukcesan komunan seminarion pri fakaj temoj okazinta ĉi-aprile en orienta Francio.

Post la financa raporto fare de la kasisto Roland Rotsaert, la raportoj estis akceptitaj kaj la estraro malŝarĝita. La elektoj de la estraro rezultigis reelekton de la estraranoj Roland Rotsaert, François Xavier Gilbert kaj Zoltan Konyves, kaj novelekton de prof. Atsuo Ooba. Al s-ro Yamasaki, kiu estis estrarano dum 14 jaroj kaj nun retiriĝis, la prezidanto multe dankis.

En la diskutado pri la celoj kaj taskoj de IKEF estas precipe tuŝitaj la neceso de pli rapida starigo de aktualaj terminaroj pri la fakaj ekonomio kaj komerco, pli forta helpo al kontaktado de e-istoj komercistoj kaj rapida starigo de elektronika membrolisto kun indiko de specialaj okupoj de la opaj membroj.

Hodiaŭ, vendredon je la 13h30, okazos akcepto en la Ekonomia Ĉambro, Draškovićeva 45 (apud hotelo "Sheraton"), por IKEF-membroj kaj interesitoj. Registriĝo pri partopreno eblas ĉe la budo de MONATO/IKEF.

Franz Josef BRAUN, KN 1152

Zagreba
86-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
ZAGREBO, KROATIO, 2001

# ALBUMO

KONGRESA KURIERO

sabaton, la 28-an de julio 2001 Numero 7



## ESPERANTOLOGIA KONFERENCO

La konferenco okazis jaude (la 26-an de julio), daŭris kvar horojn kaj allogis pli ol 160 personojn. La kadra temo de la konferenco estis: "Morto, drivo, defendo, disvastiĝo: Esperanto antaŭ la sortoj kaj strategioj de senŝtataj lingvoj". Okazis jenaj prelegoj:

- "Esperanto en la monda lingvosistemo" (prof. d-ro Humphrey Tonkin)
- "La drivo kaj dinamiko de Esperanto" (prof. d-ro Geraldo Mattos)
- "Lingvoj, institucioj, individuo" (d-ro Blazio Vaha)
- "Destino kaj elekto: Esperanto inter senŝtataj lingvoj kaj ŝtatoj" (d-ro Zbignew Galor)
- "Esperanta lingvopolitiko: celoj, rimedoj, prioritatoj" (d-ro Detlev Blanke)

La prelegoj kaj la tre vigla diskuto montris ke

- la gravaj, eĉ dramaj transformiĝoj en la monda lingva pejzaĝo, kiu sekvigas malaperon de multaj lingvoj, ankaŭ tuŝas Esperanton
- eblas lerni por E-o el la klopodoj de minoritataj lingvoj, konservi aŭ eĉ plifortigi sian pozicion vide al la minacoj
- necesas pliintensigi la modernan priskribon kaj analizon de Esperanto (surbaze de korpusoj) kaj de la lingvo-komunumoj
- necesas fiksi prioritatojn, kadrojn, rimedojn kaj metodojn de adekvata lingvopolitiko de la Esperanta komunumo, kiun ĝi havu pri sia propra lingvo (internen direktita) kaj al la neesperantista socio (eksteren direktita)
- por tion atingi, estu rekonsiderataj la taskoj, funkciado kaj labormetodoj de la Akademio de Esperanto kaj de la lingvoinfluaj faktoroj de la E-o komunumo.

Detlev Blanke,
KN 132

## Zagreba adiaŭo

Homoj el la tuta mondo
per la Esperanta ponto
en Zagrebo kune estis,
interkompreniĝon festis.

Konferencis en kunvenoj,
foliumis en bultenoj
elektadis la salonojn,
pligrandigis siajn konojn.

Dancis gaje dum la balo,
preĝis en la katedralo,
por la estonteco planis
aŭ nur aŭskultante anis.

Migris alte Medvenice,
staris, sidis longavice
en areg' ĉemonumente,
teatreje bonasente.

Post sep tagoj multeventaj
kaj renkontoj plenplensentaj
indus plion plu sopiri,
sed - jam horo por disiri.

Ĝis revido, Kroatio,
dankon diras ni pro ĉio;
al Zagrebo: Adiaŭon!
Al ni ĉiuj - pacmorgaŭon!

KN 792

# RAPORTO PRI LA KONGRESA TEMO

## La temo

"Kulturo de dialogo - dialogo inter kulturoj" estis la temo de la 88-a Universala Kongreso de Esperanto en Zagrebo. Oni elektis tiun temon rekone al la fakto, ke la jaro 2001 estis deklarita de Unuiĝintaj Nacioj Jaro de Dialogo inter la Civilizoj. La deirpunkto de la dumkongresaj diskutoj estis tio, ke la lingvokomunumo de Esperanto konsistigas ian kulturon de dialogo: la bezono de interhoma dialogado trans lingvaj baroj ja estas unu el la ekzistokialoj de la Internacia Lingvo, Esperanto. La celo de la diskutoj estis ekzameni la premison, ke en Esperanto troviĝas dialoga kulturo, kaj serĉi rimedojn por pliprofundigi tiun kulturan elementon en la Esperanto-komunumo.

La kongresanoj traktis la temon ĉefe en tri kunsidoj, kun cento da partoprenantoj en ĉiu kunsido. La kunsidoj esploris (1) ĝis kiu grado eblas nomi la Esperanto-komunumon dialoga kulturo, (2) kiuj temoj estas plej efike trakteblaj pere de Esperanto, kaj (3) kiel la Esperanto-komunumo aliru tiujn temojn. Post komenca publika konversacio inter grupo de kvin-ses bone informitaj homoj, kiu rolis por plidifini la temon de la tago, ĉiu kunsido dividiĝis en sep malgrandajn diskutgrupojn, tiel ke ĉiu partoprenanto havis okazon kontribui siajn opiniojn. La diskutgrupoj estis tre internaciaj: en dekkvino de homoj en difinita grupo estis ofte deko da naciecoj. Poste oni raportis en pleno pri la rezultoj de la diskutgrupoj. Post ĉiu kunsido la gvidanto pretigis resumon de tiuj raportoj. La konkludoj, kiuj sekvas ĉi tie, celas kapti la plej gravajn punktojn de la diskutoj. Neeviteble, ili prezentas certajn kontraŭdirojn, kiajn oni atendus en malferma diskuto, kaj ili eventuale nesufiĉe elstarigas ĉion diritan en la vere intensaj diskutoj en ĉiuj tri kunsidoj. Krome, ili komprenebIe ne raportas pri punktoj, kiuj ne leviĝis, sed kiuj estus necesaj por doni kompletan bildon de la temo.

## La taŭgeco de Esperanto

En multaj rilatoj Esperanto ja aparte taŭgas por malferma dialogo. Ĝia koncepto de neŭtraleco inter la lingvoj entenas la eblecon de dialogado. Esperanto liveras komunan grundon por tiuj, kiuj uzas ĝin - komunan grundon, kiu kutime iagrade mankas kiam oni uzas etnajn lingvojn. Esperanto estas do paca kaj egaleca lingvo. Al multaj homoj ĝi malfermas la mondon per sia ebleco de senperaj personaj kontaktoj kaj siaj abundaj fontoj de informoj pri la mondo. Krome, la esperantistoj mem emas al toleremo kaj akceptas malsamecon. Ofte estas ĝuste pro tiuj trajtoj, ke ili elektis lerni Esperanton.

Sed ankaŭ Esperanto en sia nuna evolustato havas siajn limojn. Serĉante komunan grundon, parolantoj de Esperanto nature emas minimumigi siajn diferencojn kaj foje eviti profundan pritrakton de grandaj mondaj problemoj: la bezono de komuna tegmento estas foje pli grava ol traktado de disdividaj temoj. Ili timas, ke la Esperanto-movado eventuale ne estas sufiĉe fortika por profunde trakti disdividajn demandojn. Iuj opinias, ke la relativa harmonio de la Esperanto-movado dependas de preteco ne invadi la lokajn kaj naciajn identecojn de la homoj. Aliaj atentigas, ke eĉ en Esperanto ekzistas hierarkioj neegalecaj, ekzemple rilate lingvokapablon, kaj foje eĉ en la Esperanto-movado regas okcidentaj modoj de homaj rilatoj, malpli komunaj en aliaj kulturoj.

## Krei dialogan kulturon

Kiel krei dialogan kulturon en la Esperanto-movado? En la granda socio, ekzistas homoj, kiuj rifuzas dialogon entute. Sed tiun problemon la Esperanto-movado plejparte ne havas. Aliflanke, kiel ni jam notis, foje la esperantistoj ŝajnas eviti veran dialogadon - aŭ, pli precize, ili bele parolas, sed, fronte al problemoj hejme (ekzemple rilate esperantistajn enmigrintojn), ili agas pli-malpli kiel la cetera socio, kun samaj antaŭjuĝoj. Vera dialogo kondukas al praktiko kaj realigo.

Kvankam parolantoj de Esperanto bone komunikiĝas inter si, estas diferenco inter komunikado kaj dialogo. Ĉi lastan oni malmulte praktikas. Se temas pri esperantistoj, same kiel aliaj homoj, ili scias paroli, sed ne tiel bone scias aŭskulti.

## Efika dialogo

Kio estas do, efikeco en dialogado? Efika dialogado estas multe pli ol kolektado de faktoj: ĝi devas baziĝi sur rekono de la komplikeco de la homo kaj ties sentoj kaj emocioj. Ĝi devas baziĝi ankaŭ sur serĉado de komunaj

punktoj. Esenca al efika dialogo estas rekono kaj akcepto de diferencoj - inkluzive (kiel ni jam notis) diferencojn en la koncepto de dialogo mem en la koncernaj socioj, ekzemple diversaj normoj de parolado kaj aŭskultado. Eĉ la silento mem povas esti elemento en dialogado. Tute klara estas tio, ke dialogo estas pli ol la sumo de du monologoj.

Egaleco kaj paco estas esencaj kaj necesaj al efika dialogo, sed ne sufiĉaj: necesas la ĝusta medio kaj la ĝustaj temoj. Se temas pri la Esperanto-komunumo, gravas, ke la dialogo ene de la komunumo okazu en proksima kontakto kun eksterstarantoj. Esperantistoj ne pensu, ke ili solaj posedas la veron. Fakte, havante je sia dispono neŭtralan lingvon, la esperantistoj havas apartan respondecon utiligi ĝin bone - do ne paroli nur pri Esperanto, sed ankaŭ per Esperanto, kaj ne paroli simple por paroli, evitante propran respondecon. Nuntempe, kaj kvankam estas gravaj kaj kuraĝigaj esceptoj, dialogado pri mondaj problemoj ene de la Esperanto-movado estas ofte tro banala, haste farata, kaj farata en ne tre taŭgaj medioj. Universalaj Kongresoj, ekzemple, ne estas idealaj medioj por tia dialogado, parte ĉar ili celas la internajn bezonojn de la Esperanto-movado, kaj parte (kaj pli grave) ĉar dialogo postulas tempon kaj necesigas altan nivelon de konfido, atingebla pli bone en malgrandaj grupoj. Aliflanke, tamen, eĉ tiaj "kvazaŭdialogoj" estas komenco, kaj meritas daŭrigon. Samtempe oni devas serĉi pli bonajn mediojn por profunda dialogo. La alveno de la Reto malfermas novajn eblecojn por Esperanto kiel dialoga lingvo, kaj jam oni komencas uzi ĝin tiucele.

## Pri kio dialogi?

Principe, Esperanto prezentas la eblecon dialogi pri ĉio, inkluzive la plej malfacilajn kaj disdividajn demandojn. Necesas trovi la ĝustajn mediojn kaj cirkonstancojn por tiu dialogo, ne apriore limigi la dialogon al nur certaj temoj. Trakto de grandaj mondaj problemoj ofte postulas specialistojn kaj fakulojn. Eble do indas komenci per la demando, "Kiuj ekzemploj de sukcesaj dialogoj ekzistas?" Efektive, mikronivelaj dialogoj - simplaj problemoj de kunekzisto en grupoj kaj malgrandaj sociaj rondoj - povas liveri al ni utilajn modelojn. Ofte, ĉiutagaj problemoj formas kernon de pli grandaj "gravaj" problemoj.

El ĉiuj grandaj mondaj problemoj trakteblaj de la Esperanto-movado, aldone al problemoj de lingva malsameco kaj lingva dominado, naciismo estas tiu, kiu pleje proksimas al la ĝenerala celaro de Esperanto. Tie, eventuale, la dialogo povus komenciĝi. Iuj argumentis, ke la starpunkto, ke ĉiu rajtas al sia propra lingvo (principo iom firme radikiĝinta en la konscion de aktivaj esperantistoj), povas konduki al apogado de ĝuste tiu naciismo, kontraŭ kiu la Esperanto-movado tiel forte laboris tra la jaroj. Gravas daŭrigi la diskutadon pri tiu ĉi punkto.

Preter la demandoj pri lingva egaleco kaj pri kontraŭstaro de malvastaj konceptoj de naciismo, ekzistas ankaŭ aliaj problemoj, kiuj bezonas atenton pere de Esperanto, kaj kie Esperanto povus montri vojon, kiel ekzemple la homaj rajtoj (inkluzive la pozicion de virinoj en la socio), la tendo inter riĉeco kaj malriĉeco, aspektoj de tutmondiĝo (inkl. lingvan imperiismon), kaj ekologiaj demandoj. Ankaŭ la etikaj diferencoj inter civilizoj povus esti bone esplorataj pere de Esperanto.

## Sukcesaj modeloj

Oni povas montri al pluraj ekzemploj de sukcesa dialogado en la Esperanto-komunumo, kaj ankaŭ al sukcesaj klopodoj utiligi Esperanton por informi ĝiajn parolantojn pri mondaj aferoj. Tia agado ja havas longan historion, ekde la klopodoj de UEA ligi kontaktojn inter familianoj dividitaj de la Unua Mondmilito, tra la ankoraŭ daŭranta kaj de Unesko inspirita libroserio Oriento-Okcidento (de UEA), ĝis plej diversaj hodiaŭaj iniciatoj. Partoprenantoj en la diskutoj pri la kongresa temo menciis plurajn ekzemplojn. La programo Indiĝenaj Dialogoj, ekzemple, uzas Esperanton kiel praktikan komunikilon inter indiĝenaj grupoj, en spirito de neŭtraleco. La projekto pri komuna historio japana-korea kaj la Kunloĝadoj organizataj en Japanio kaj Koreio havas similan celon. Kunlaboro inter Verduloj okazas pere de Esperanto, kaj oni povas ankaŭ elstarigi agadon inter ĝemeligitaj urboj, gastigadon de parolantoj de Esperanto en aliaj landoj ol la propraj, kaj eĉ la rimarkindan harmoniiĝon de vidpunktoj inter Katolikoj kaj Protestantoj, kiu okazas dank' al Esperanto kaj nepre superas la nivelon de eksteresperanta kunlaboro. La revuo *Monato*, Pola Radio, kaj aliaj amaskomunikiloj klopodas informi esperantistojn pri la mondo, kun signifa sukceso. Parolantoj de Esperanto vojaĝas kaj tenas kontaktojn unu kun alia en spirito, kiu superas en sia intenseco la suprajan informiĝon pri la mondo kaj la turisman kontakton, kiun havas multaj aliaj homoj.

Sed ekzistas potencialoj, kie en difinitaj landoj aŭ medioj oni jam spertis apartan sukceson. Ekzemple, klopodoj krei pli bonan komunikadon inter la generacioj en Brazilo estas eksporteblaj al aliaj landoj. Sciante, ke eĉ la formo de dialogo varias de lando al lando kaj kulturo al kulturo, la esperantistoj povus per kombino de siaj spertoj unike kontribui per kreo de internacia kodaro pri kiel efike dialogi trans la kulturoj, eventuale en kunlaboro kun aliaj neregistaraj organizaĵoj. La partoprenantoj en la dialogo komisiis al la konversaciantoj, kiuj komencis la tri kunsidojn, ellabori specifan planon de agado, tiel ke la kongresa temo ne restu nura temo de kongreso, sed fariĝu parto de la konstanta agado de Universala Esperanto-Asocio kaj de la Esperanto-movado ĝenerale.

*Protokolis kaj resumis Humphrey Tonkin*

# UK - MALSERIOZE

## LA NOVA KONGRESA SALONO:

**Tiu ĉi kongreso estas unika en pluraj sencoj.**

Ekzemple, ne ofte okazas ke iu ŝtatprezidanto venas por saluti. Kaj la kroata prezidento, s-ro Stjepan Mesić, venis eldiris plurajn frazojn ege flatajn por oreloj de esperantistoj. Post tio li foriris, laŭdire pro siaj ŝtatestraj devoj. Eble li iris eĉ manĝi kaj kartludi - ne gravas.

Dum UK-oj oni ofte aŭdas la vorton "Kongresejo", sed tre malmulte la vorton "Kongresejoj". Kaj tie ĉi aperis unika vorto: "la Kromkongresejo"! En la spaco inter du konstruaĵoj vi ĉiam trovas esperantistojn, kaj malofte la urbanojn. Do mi proponas ke la interspacon oni konsideru kiel kongresan salonon. Mankas nur taŭga nomo. Ĉar la nomoj kiel Zamenhof kaj Lapenna jam elĉerpiĝis, mi proponas nomi ĝin "Facila vento". Ne nur pro la vetero, sed precipe pro tio ke per ĝi de loko iras ni al loko.

## ESPERANTO-TRAIN

Lunde vespere okazis balo en la ĉefa placo de Zagreb. Oni volis kunigi esperantistojn kaj urbanojn, kaj montri al la urbo ke Esperanto vivas. Por tion montri oni kantis longan tempon nur en la angla lingvo. Tiam alvenis solene ornamita ĉevalĉaro kun zagreba esperanta aktorino Vida Jerman, vestita kiel aŭstria imperiestrino Maria Theresia. Tiel do la imperiestrino venis el sia 18-a jarcento al ni, kaj en nia jarcento ŝi restos ĝis la jaŭda teatra vespero. Eble ŝia moŝto devis ripozi en sia hotelo, kaj ne veni al la placo, sed almenaŭ ŝi rompis tiun anglalingvadon. Sed baldaŭ oni denove komencis kanti angle, el kio zagrebaj preterpasantoj povis konkludi nur ke la afero Esperanto estas neserioza, kaj ke la angla lingvo venkis ankaŭ ĝin. Tial mi ne miris kiam la muzika gvidanto, dezirante vigligi la dancantojn en la formon de vagonaro, ekkriis angle: "Esperanto-train!!" Eble la verda popolo tion meritas, ĉar onidire pluraj esperantaj muzikistoj ne volis muziki, sed ili preferis trinki bieron ie en la urbo. Aŭ vi kuraĝus diri ke pri ĉio kulpas la organizantoj? Mi ne kuraĝas.

Do, vivu la "Esperanto--train"!

DAVOR KLOBUČAR

## KONGRESAJ FAJREROJ

Post laciga vojaĝo ne estis mirinde, ke unuopaj kongresanoj travivis solenan malfermon de la Kongreso - dormante. Sed ne gravas - ili povis rekompenci tiun mankon rigardante vespere TV-ĵurnalon.

La kongresanoj kiuj suferas pro renŝtonetoj havis okazon liberiĝi de tiu sufero se ili partoprenis balon sur Jelačić-placo ne nur pro dancado, sed ankaŭ pro laŭtega, skuiga muziko.

Certe la Dio ne volis, ke Maria Theresia malsekiĝu, ĉar de la momento kiam ŝi aperis en kaleŝo, en la balo ne plu pluvetis.

En la malgranda, plenplena salono Sekelj okazis tri kunsidoj pri la ĉefa temo de la Kongreso. Do, temis pri dialogoj en sufoka varmo. Estus bone, ke estonte organizantoj de E-kongresoj rekomendu al kongresontoj kunporti ventumilojn, se ili scias, ke en la Kongresejo mankas modernaj refreŝigaj aparatoj.

Unu grupo da kongresanoj rigardis solenan malfermon de la 28-a eŭropa pafarkista turniro, okazinta sur Jelačić-placo. Iu diris, ke iliaj sagoj ne estas tiom danĝeraj kiel Amorsagetoj, kiuj ĉiam trafas nur korojn.

KN 1127

**Sur la montrilo kiu direktas al NECESEJO, iu bonhumorulo aldonis supersignon, kaj la serĉata loko tute subite fariĝis NEĈESEJO! Kiu scias kial?!**

**En la skatolon kiu portis la titolon "KONTRIBUAĴOJ POR ZAGREBA ALBUMO", iu tute saĝe enĵetis kelkajn monerojn - por aĉeti kafon por lacaj redaktantoj!**

## LIMERIKO

Tutmonda kongres' en Zagrebo
eĉ tiom insistis pri strebo
al la dialog',
ke ĝi kun arog'
invitis al bal' kun la plebo.

KN 1191

## KUNVENO DE LIBE

La kunvenon de LIBE (blindaj esperantistoj), la 26-an de julio, je la 13h00, partoprenis 17 personoj el 12 landoj. Estrarano Pier Luigi da Costa skizis la utilon de propra organizajo, malfacilaĵojn dum kongreso kun tiom da aranĝoj kaj ejoj. Li menciis la kunlaboron kun UEA, dependan de individuoj, dankis pro voĉlegado de la revuo "Esperanto", en kiu partoprenis ankaŭ la direktoroj Buller kaj Zapelli malgraŭ laborpremo, kaj de la Dua Bulteno kaj Kongreslibro. Tre sukcesa estis la jusa blindulkongreso (IKBE) en Uvala Scott. Pri ĝi R. M. (KN 271) voĉlegis resumon, kompletigotan de ĉeestintoj. Otto Prytz klarigis ke blindeco ĉefe implicas informhandikapon: komitatkunsidojn ne povas partopreni vidhandikapulo pro alportado de freŝaj dokumentoj kaj skriba voĉdonado; pri tiu punkto bv. atentigi gvidajn instancoj de UEA. La tel-aviva decido ke vidhandikapuloj sen akompanantoj povas partopreni UK-on aperu en "Esperanto". Al interparolo pri japana propono trutema inter la estraroj invitis Michela Lipari. Krizantema klarigis ke JABE havigis bele ilustritan folion "Kiel kunvivi kun blinduloj/vidhandikapitoj". Tradukoj bonvenas, eblas senpage uzi la bildojn. Ŝi montris la japanan kimonon vendrede en Esplanado (ruĝa salono) al zagrebaj blinduloj, poste al e-istoj blinduloj (14h00 - 16h00).

KN 271

## KONGRESO DE BLINDAJ ESPERANTISTOJ

La 67-an Internacian Kongreson de Blindaj Esperantistoj (14-an - 16-an de julio), en Uvala Scott apud Rijeka, partoprenis 41 handikapitoj kun 21 akompanantoj el 14 landoj. Sukcesis en la internaciaj ekzamenoj de UEA/ILEI po unu elementa kaj meza kandidato kun bona rezulto.

Dum la LIBE-kunsido prezidanto Th. Speckmann resumis la 50-an jaran historion de LIBE, aŭdigante la voĉojn de meritplenaj antaŭuloj. La novelektitan estraron plu prezidas Th. Speckmann (DE), ĉefsekretario fariĝis Nedeljka Lozajić (YU), komisiito pri financoj estas R. Moerbeek (kiu ankaŭ ĉi-jare anstataŭas la komitatanon ĉe UEA) ĝis ekfunkcio de Pier Luigi da Costa (IT). Pri la kongresa temo (identa kun tiu de UK) okazas pluraj prelegoj, i.a. Zlatko Tišljar pri la Eŭropa demando, Boris Topalović "Iuj avantaĝoj de E-o", precipe Antun Kovač "La signifo de dialogo en la ĉiutagaj aktivecoj de la blindaj homoj".

Oni provis utiligi la ampleksan LIBE-bibliotekon brajlan per Internacia Esperanto Muzeo en Vieno. Inter la specifaj temoj oni vigle diskutis pri perkomputila esperanto brajlado. Raportoj el kvin landaj sekcioj montris agadon ofte en ekstreme malfacilaj cirkonstancoj.

Kulturaj kaj distraj aranĝoj riĉigis la programon.

## Pri 12a MKR

**(MontKabana Renkontiĝo)**
**Platak apud Rijeka (1111 m), Kroatio,**
**27-an - 30-an de septembro 2001**

Ankaŭ ĉi-jare okazos jam konata renkontiĝo por montemaj kaj naturemaj esperantistoj. **MontKabana Renkontiĝo**, kaj denove kun iom da novaĵoj. **12a MKR** estos organizita ĉi-jare en Kroatio, en la valo **Platak apud Rijeka**, 1111 m super marnivelo, **inter la 27-a kaj 30-a septembro**.

La ĉi-jara MKR ne starigos la novan MKR-altecrekordon, sed la novan MKR-sudecrekordon! Kaj tio ankaŭ estos la MKR kiu okazos plej proksime al maro, **nur 20 km for de la Adriatika maro**, kaj, se la vetero permesos, post du tagoj en la montaro dimanĉe oni povos refreŝiĝi en la maro!

**P.S.** Se vi havas eblecon, vizitu foje MKR-retpaĝon je la adreso

*http://www.angelfire.com/va2/Vanja/index.html*

kie regule aperas MKR-novaĵoj kaj ankaŭ troveblas informoj kaj iom da bildoj pri pasintaj MKR-oj.

## Radio-Amatoroj, ILERA

ILERA kunvenis la 23an de julio. Ĉirkaŭ 20 kongresanoj partoprenis kaj diskutis pri rezultoj kiel ekzemple nia konkurso en la etero, kiu havis 150 partoprenantajn amatorajn staciojn. Ankaŭ ĉijare ni starigis kongresan amatoran radiostacion, uzante la voksignon 9AØE. Gastiganto estas la teknika Universitato. Ĝis nun (ĵaŭdo) ni parolis kun 210 amatoroj en 30 landoj, informante ilin pri Esperanto kaj la kongreso. En tiuj radiokontaktoj ni rimarkas, ke dum la lastaj jaroj la pozitivaj reagoj pri nia afero konstante kreskas. Ŝajnas, ke, malgraŭ la influo de la angla lingvo kreskas, tamen paralele la duboj pri ĝia rolo kreskas kaj same la akcepto de Esperanto.

*Hans Welling, DJ4PG, KN281*

## VIRINA AGADO

Ne mankis en la UK ankaŭ la kunveno de entuziasmaj movademaj virinoj. La 22-an de julio, dimanĉe, okazis jarkunveno de Virina Agado, kiu refondiĝis en la jaro 1998 (Montpellier, Francio). Ĉi-jare ĉeestis relative malmulte da homoj pro la malmultiĝo de kongresanoj kaj la paraleleco de programeroj en 3 longdistancaj kongresejoj. Dank' al konstantaj favoraj ĉeestantoj, ni povis starigi kelkajn demandojn kaj aŭskultus malsamajn situaciojn rilate al la seksaj diskriminacioj depende de landoj jene:

- laŭleĝa divido de la heredaĵoj de mortinta edzo,
- pagitaj ferioj antaŭ kaj post la akuŝo,
- laborkondiĉoj de virinoj (posteno, salajro, ktp.)
- divido de hejmlaboro.

Venontjare Virina Agado okazos aliforme en Fortalezo, Brazilo, enkadre de la 87-a UK. Ĝi planas okazigi Virinan Forumon invitante neesperantistajn virinojn kaj atendas 4-5 esperantistajn panelistojn. Kontaktu kun Choi Yun Huy (KN 242), *hortensio@hanmir.com*. Bonvolu sendi la regularojn de fakaj asocioj al la supra adreso.

KN 242

## ESPERIGAJ KRIOJ

Infanaj krioj kaj kuroj sur arbumita montoflanko karakterizas la 34-an Internacian Infanan Kongreseton jus finiĝintan. La ennoma sufikso "et" estas ĉi-jare misgvida ĉar alvenis 56 infanoj el 15 landoj. Sekve, ĝi estas la plej granda IIK depost 1978. La infanoj sportis, spektis magion, pupteatron, konstruis pupojn por propraj spektakloj, flugigis kajtojn, skeĉumis, kantis, pretigis kolĉenojn, kompilis bildojn el florpetaloj, desegnis, ekskursis planetarie kaj cikonie, bakis stango-kukojn ĉe bivaka fajro, konstruis mirindan arbo-domon kaj multon pli, trovante krom tio tempon por kunludi libere. Ili organizis kaj plenumis frenezan olimpiadon. Ofte okazis paralelaj aktivajoj, por ke ĉiu aĝgrupo trovu ion allogan. Apartajn dankojn forte meritas la teamo de gvidantoj kaj helpantoj - surlokaj, deforaj kaj lastmomente aldonitaj - kiuj superis la defion de la amasa partopreno. La kuroj estis senlingvaj, sed la krioj, diroj, babiloj kaj ludoj sonis plejparte abunde kaj entuziasme en Esperanto.

*Stefan MacGill*

Je la 13h45 **Kunveno por Mondcivitanoj** okazis kun 80 partoprenantoj el 23 landoj. La tri kvaronoj ne estis mondcivitanoj, sed interesatoj. Pro tio mi ŝanĝis iomete nian programon por klarigi kiu, kiel, kie agadas por la mondcivitanoj kaj la celoj, la evoluo de la organizo. Dank' al Organigramo estis multe pli facila, pli rapida kaj multe pli kompreneble prezentiĝi al realiĝintoj. Bedaŭrinde, mi devis ankaŭ paroli pri la manko de mono, ĉar estante internacia, la monpovo ne estas simila laŭ la landoj kaj ankaŭ la sendado de mono estas ofte malfacila aŭ malpermesita. Bedaŭrinde ankaŭ la povantoj forgesas pagi jarkontribuon kiu estas tute libera laŭ sia situacio ĉar ne estas jarkotizo laŭ nia statuto. Sed memvola kontribuo por helpi la centron, eldoni kaj afranki. Tamen ideoj ĝermas kaj espereble aŭtune aperos denove. Sinjoro Glossop kiu estas mondcivitano kaj mondfederalisto prezentis tre koncize kaj rapidege sian libron jus eldonitan, troveblan ĉe la Libroservo kaj en UEA-vendejo. Tiu libro koncernas planon pri estonteconde monda registaro.

KN 1348

En la internaciaj ekzamenoj de ILEI/UEA sukcesis 7 homoj el 6 landoj. Elementnivele: Rafael DESPRADEL (Dominika Respubliko), Leonarda GAURYLIENE (Litovio), Johano NEGRETE (Venezuelo) kaj Aini VAARANIEMI (Finnlando).
Meznivele: François BARTSCH (Francio), Rubeno FERNANDEZ ASENSIO (Hispanio), kaj Sébastien MONTAGNE (Francio).
Atestiloj estis disdonitaj je la 18h00 en salono Spicer.

Bill Maxey, sekretario de IEK, KN 1331

## AIS: interkatedra komunikad-kibernetika kunveno

Merkrede, kiam normalaj kongresanoj ekskursis, ĉirkaŭ dudek sciencemuloj kunsidis de mateno ĝis vespero en la Verda Salono de la hotelo Esplanade. La prezidanto de AIS San Marino OProf. Helmar Frank kunvenigis siajn kolegojn kaj observantojn por pridiskuti novan direkton de la AIS-agado, nome, starigon kaj firmigon de internaciaj katedroj pri kibernetiko en la funkciantaj AIS-klerigejoj.

Pri la nuna stato de la afero raportis la katedraj reprezentantoj el 5 universitatoj. Mag. I. Gonĉarova kaj N. Maksimova de la Moskva Ŝtata Industria Universitato (MGIU kaj - ties filio en la urbo Roslavl) rakontis, ke iliaj katedroj havas seriozan subtenon flanke de la universitata estraro (estas ricevotaj apartaj ĉambroj, estas pretaj studplanoj, katedraj instruantoj kaj ILO-parolantaj studentoj) kaj la katedroj ekfunkcios jam en septembro. AProf. E. Polakova informis pri evoluo de la laboro en la jam oficiale fondita katedro en Filozofo-Konstantin-Universitato (Nitra). ASci Dr. D. Faloba - pri oficialigita katedro kadre de Komunikad-Kibernetika Centro en la biblioteko de Lucian-Blaga universitato (Sibiu) kaj fine - AProf Dr G.Lobin - pri la klerigkibernetika kaj komunikadkibernetika fako en Paderborna universitato. En ĉiuj katedroj jam ekzistas komenco de komunikadkibernetika fakbiblioteko kaj bezonata komputilaro.

Dume tiu ĉi projekto estas realigata surbaze de la kibernetika AIS-sektoro, tamen ĝi estas traktata kiel modelo ankaŭ por krei diversfakajn internaciajn katedrojn kaj perspektive eĉ fakultatojn. Kaj pli: temas tute ne nepre pri jam ekzistantaj AIS-klerigejoj, sed ankaŭ pri aliaj universitatoj, kie aperas koncerna interesiĝo kaj ankaŭ iniciativa kunordiganto. Ĝuste tiu persono estas nun serĉata en la rusia urbo Ivanovo, - rakontis la urba AIS-reprezentanto E. Mevedeva - kie jam okazis pridiskuto de la projekto dum la kunveno de la urbaj universitatestroj. En Ivanovo multe pli da kamcoj havas medicino ol kibernetiko. Same en la urbo Ĉaĉak (Jugoslavio) povas eventuale temi pri informadika katedro, kaj pri tio pretas esplori en sia universitato prof. R. Petrović. Li ricevis koncernajn projektoproponojn de la AIS-prezidanto Frank. Pri la simila grundopreparo surbaze de tiu dokumento ekokupiĝos en Dagestano ĵurnalisto A.Junusov.

La dua parto de la kunveno estis dediĉita al revizio de la instru-fontoj. Ekzemple, Komunikadkibernetikaj Kernkursoj (KKKK) parte jam estas en la reto, sed parte ankoraŭ ne estas finverkitaj. Okazis distribuo de la konkretaj taskoj inter la katedroj pri kelkaj projektoj (KKKK, plurlingva fakvortaro, interrete kunligitaj komunikadkibernetikaj bibliotekoj, rete prilaborita ILO-kurso por sciencistoj ktp). Prof. E.Poljakova finpretigas retan kurson pri interkulturo.

Apartan atenton ricevis raporto de Mag. Je. Bebenina (MGIU) pri la ambicia iniciato "Junaj akademiaj fortoj", celanta havi ene de ĉiu katedro po tri kvinopoj: la bazan (studentan), la fokusan (finstudintan) kaj la konsilan (profesorecan), kiu tamen parte jam realiĝas.

Resume: aliĝu al la nova AIS-agado, disfloranta dank' al novaj iniciatoj kaj novaj junaj fortoj!

*Mag. Irina Gonĉarova*

## BALKANA KUNVENO

Jaŭde tagmeze la salono Takač evidentiĝis nesufiĉe granda por kelkdekoj da esperantistoj interesitaj pri la E-movado en Balkanio. La "alta temperaturo" atestis pri la tre interesa kaj grava aro da problemoj diskutendaj. La kunsidon malfermis Radojica Petrović, kunordiganto de la novkreita BALKANA KOMISIONO de UEA (kies strukturon kaj celojn li diskonigis). Renato Corsetti, prezidanto de UEA, plie klarigis la oportunaĵojn kiujn la kreado de tiu-ĉi komisiono ofertas al la landaj asocioj.

Aldonis informojn pri enlanda agado pluraj reprezentantoj el 5 balkanaj landoj interesiĝintaj sugesti, helpi por ke la balkana esperantistaro retrovu ian fortan ŝadenon de kunlaboro.

Estis prezentataj esence, fare de respondeculoj, la projekto INTERKULTURO, kiel alirebla ilo de pli konkretaj atingaĵoj, kaj la DANUBA EPERANTLINGVA SCIENCA KAJ KULTURA FORUMO, kies jam okazintaj kvin sesioj ekde la 1997: Timişoara (2), Budapešto, Poprad, Belgrado, estas ekzemplo de scienca, kultura, multflanka kunlaborado inter sciencistoj, kulturkreantoj de ĉedanubaj landoj.

Interŝanĝo de opinioj, prezentado de spertoj, esprimo de esperoj kondukis al kuraĝiga konstato ke eraj malsamecoj estas ne nur neprajoj sed ĉefe fonto el kiu estus dezirinda elĉerpi fortojn nomeblaj tiel: agnosko kaj respekto de la najbaro kaj agemo kunlabora.

KN 1141

## INDIĜENAJ DIALOGOJ

Dum kunsido en hompleta ĉambro, Atilio Orellana Rojas kaj Bessie Schadee prezentis la projekton I.D. Ili emfazis ke la celo ne estas la disvastigo de Esperanto per si mem sed ties uzado kiel helplingvo je la fluo de libera komunikado inter la indiĝenaj popoloj. Tiamaniere ili povas interŝanĝi spertojn kaj konojn.

Jam okazis kvar regionaj kursoj, kaj du mondskalaj-n oni organizis en Nederlando. Tiujn partoprenis indiĝenoj el multaj popoloj, inkluzive de Alasko, Baruto, Novgvineo, Mezo- kaj Sudo Ameriko, Ruando ktp.

Nur indiĝenoj rajtas membriĝi en la I.D. estraro, kaj por permesi rektan kontakton oni instruas ankaŭ la uzadon de komputilo kaj retpoŝto.

La komunikafero estas urĝa, ĉar ĉiujare mortas dudeko da etnaj lingvoj, kaj sekve de tio mortas ofte ne nur la kulturo sed ankaŭ la loka ekologio.

El al indiĝenoj kiuj jam ĉeestis kursojn, pluraj tiam entuziasmiĝis ke ili volas instrui Esperanton al sia popolo; sed por I.D. nur gravas ke kontaktpersonoj en ĉiu popolo povas libere kontakti ĉiujn aliajn popolojn. I.D. bonvenigas la helpon de ĉiuj bonvoluloj, kaj la direktorino Bessie Schadee estas kontaktebla rete:
*bessie.schadeMANKIusa.net* aŭ vi povas viziti: *www.idnetwork.nl/central/esp*.

## MEMORE AL STANJO CHRDLOVA

Vendrede estis prezentita videbendo pri Stanjo Chrlova. Ni vidis ŝin plenkreski kaj agi en E-movado kun rideto sur lipoj. Samtempe ŝia edzo brave eltenis la emociigajn filmomomentojn. Ni storis la memoroja pri la fortaj, belaj tagoj de aktivado por ĉerpi el ili helpon kaj fortojn dum la malfeliĉaj tagoj. Memoru surhendigi voĉojn kaj foti la aktivulojn en ties plej agemaj jaroj por havi heredonan kaj ĝojigan materialon. Dankon al Stanjo kaj ŝiaj geamikoj prizorgemaj.

KN 329

## MANLABORAĴOJ, STUDGRUPO (vendredo, 11h45)

Ĉeestis 25 anoj. Unue mi raportis pri la kunvenoj de pasintaj du jaroj. Ĉi-jare oni diskutas per kiuj esperantovortoj oni esprimu diversajn stebojn. Ni pliriĉiĝis fakajn terminojn de manlaboro, precipe de krodaĵo.

KN 175

## SUKCESAJ KONVERSACIAJ RONDOJ

Pli ol 325 gekongresanoj el diversaj landoj vigle partoprenis dek konversaciajn rondojn okazintajn dumsemajne. La temoj variis, ekzemple: elektu novan hejmlandon, kio plej gravas por la sano, kiuj estas tri plej gravaj problemoj en la mondo, kion vi estus faronta se vi gajnus milionojn da eŭroj... La partoprenantoj estis dividitaj je grupoj. Mi pozitive konsideras mian unuan sperton pri gvidi rondojn, malgraŭ malfacilaĵoj pro diversnivela lingvoscio de la rondanoj.

KN 215

*LASTVORTE ...*

*Kaj fine, karaj gekongresanoj, la 86-a Universala Kongreso troviĝas antaŭ la solena fermo. Dum la pasinta semajno vi legis la kongresan kurieron, kiu portis la nomon "Zagreba albumo". Vi ĝojis, malĝojis, koleris, protestis ... Ni konsciu pri tio, ke la kuriero tamen aperadis regule. Ĝi estis produktata dumnokte, kiam vi jam dolĉe dormis, amuziĝis en iu bona restoracio aŭ inter vi, en gajaj societoj interparolis kaj resumis la pasintan tagon. Pri ĉio, kio estis malbone farita kulpas via redaktoro, KN 105. Lian profundan pardonpeton konsideru kiel fundamenton por DIALOGI, bazon por esti toleremaj, kiel ja devus esti inter ni, esperantistoj!*

## PRI MARIA THERESIA

Oni malfacile memoras kiam antaŭe la ĉefa kongresa teatraĵo estis prezentita en tiel teatre perfektaj kondiĉoj kiel ĉi tie en Zagrebo en la ĵaŭda vespero. Krome, Vida Jerman sendube konsentas ke ĉi tiu teatraĵo kaj ŝia imperiestrino ne trovos pli imperiestran scenejon ol estas tiu de la Kroata Nacia Teatro. Ĉio kune estis unu el la plej perfektaj teatraj prezentaĵoj viditaj en la longa historio de la Universalaj Kongresoj. Sukcesajn teatrajn spektaklojn kronas difinita ĝojkrio de la publiko. Tiu krio de ekzalto hieraŭ ne estis sufiĉe laŭta. Gi tekstas: Brave!

*Anonima kongresano (kun teatra pedigreo)*

## LA PLEJ BELA TAGO EN LA VIVO DE VIDA JERMAN

La 26-an de julio en Kroata Nacia Teatro, fama kroata aktorino Vida Jerman kun siaj du kolegoj prezentis la teatraĵon de Miro Gavran. La titolo jam ekscitas, sed mi ne volas ĉi-tie diskuti ĉu la teksto de la dramo similas al vera vivo de la imperiestrino aŭ ne, ĉar tio rilatas la aŭtoron kaj liajn vidpunktojn. Komence de la prezentaĵo la ĉeestantoj de la Kongreso havis la honoron vidi leviĝin de la solena kurteno, kiu leviĝas en aparte solenaj momentoj. Gravas akcenti, ke ĉi tiu prezentaĵo estas modele farita en bona Esperanto antaŭ preskaŭ mil spektantoj. Malantaŭ Vida Jerman staras 25 sukcesaj jaroj da Esperanta aktorado, kion aparte honoris s-ro Humphrey Tonkin, iama prezidanto de UEA, membro de la nuna estraro kaj reĝisoro de la kongresa temo, kiu transdonis al Vida Jerman libron "Marko Polo - La libro de mirindaĵoj aŭ priskribo de la mondo", kun jena dediĉo: "Al Vida Jerman, kolono de la Esperanto-teatro, brila kontribuanto al la 86-a UK en Zagreb, kun admiro kaj dankoj de la Estraro de UEA". La tekston skribis s-ro Renato Corsetti, nova prezidanto de UEA kaj subskribis ĉiuj anoj de la estraro de UEA. Teatra trupo "Ponto" regalis la ĉeestantajn esperantistojn per programkajero kaj glaso da ĉampano. Pri la sukceso de la prezentaĵo plej bone atestas la 10-minuta aplaŭdado, per kiu la plenplena salono adiaŭis la aktorojn sur la scenejo.

*KN 967, KN 92*

## VESPERO PERDITA

Mi antaŭĝojis je la tiom atentita teatra solenaĵo, sed kiel instruistino de historio mi forlasis la teatron tute ŝokita. Ĉu vere temis pri la imperiestrino Maria Theresia, kiu tiel saĝe estris de 1740-1780 tiom potencan imperion? Ĉu vere temis pri zorgema patrino de 16 infanoj, kiu post la morto de sia edzo Francisko Stefano de Lotaringio ne plu portis alikoloran vestaĵon ol nigran? La teatraĵo estis granda ofendiĝo al tiu multe respektata ŝtatestrino. Ĉu la talenta aktorino Vida Jerman devis ĝuste elekti verkaĵon de aŭtoro, kiu videble ne konas historion.

KN 282

# Ĝis revido en Fortaleza, en la 87-a UK!